JAN WOLSKI

# ĈU ĜI ESTAS NUR FABELO?



VARSOVIO — 1935

## DE LA SAMA AŬTORO

aperis en pola lingvo:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. | 20 bildoj el kooperativa vivo — rakontoj — | paĝ. | 96—1921 j |
| 2. | Pri unuigo de kooperativa movado en Pollando | „ | 47—1923 j |
| 3. | 2 Prelegoj pri kooperativismo (kune kun la aŭtoro Bielecki) — | „ | 16—1926 j. |
| 4. | Al infanaro kaj junularo ion pri kooperativoj | „ | 16—1926 j. |
| 5. | Por la Festo de kooperativoj, prelego por soldatoj — | „ | 22—1926 j. |
| 6. | Iom el la historio kaj spertoj de la italaj kooperativoj de l'laboro — | „ | 32—1927 j. |
| 7. | Pri kooperativoj de l'laboro kaj faciligo de ilia disvolvo en Pollando — | „ | 18—1927 j. |
| 8. | Ekonomia sendependeco de l'armeo kaj kooperativoj de l'laboro — | „ | 15—1928 j. |
| 9. | La sia al la sia (rakonto) — | „ | 32—1928 r. |
| 10. | Kooperativoj de l'laboro — | „ | 44—1929 j. |
| 11. | Ni etendu al ni la manojn (pri kooperativoj de hejma helpo) — | „ | 16—1929 j. |
| 12. | Revizio de kompetenteco en kooperativoj, bazitaj sur dunga laboro — | „ | 22—1932 j. |
| | Statuto de kooperativoj de l'laboro | „ | 16—1928 j. |

JAN WOLSKI

# ĈU ĜI ESTAS NUR FABELO?

KOOPERATIVA JUNULAR-ROMANO

Esperanta, per la aŭtoro kompletigita eldono

*El pola lingvo tradukis*

*Kpt. ROMAN DĄBROWSKI*



ELDONO DE ESPERANTA ELDON-KOOPERATIVO
AL. JEROZOLIMSKIE 101.
VARSOVIO
1935

# ENHAVO

Paĝo

Antaŭparolo VII.

*Parto unua: Klopodo kun ĉi-infanoj!*
Antonĉjo — la kamentubisto. La bovino volis formanĝi ŝin. Katastrofo ĉe la masonistoj. Ŝi volas esti zorgema panjo . . . . . . . . . . . 1

*Parto dua: Sprita ideo*
La kap' rompiĝas pro klopodo. Li pensadis, meditis, kaj fine trovis rimedon. Li kunvokis la bubaĉojn. Pli aĝaj ne kredas. Terura scivolo. Tuta vilaĝo antaŭ la lernejo. Kiel li trompis nin! Ĉu vi volas? 8

*Parto tria: Ludo tute serioza*
Ni komencas. De kio komenci? Kial ĉio kostas tiel multe? Oni devas fondi komunan butikon. Ni komencos per butiko kaj atingos ĉion. Se ludi — do ludi! Belega sukceso! Gasto de Varsovio . . . . . 25

*Parto kvara: Juna mens' kaj juna kor'!*
Fiera Franĉjo kaj Katrinjo-orfino. La pelteto. Ŝi instruis patrinon! En obskura domego. La gastoj 45

*Parto kvina: Hej, brakon al brako!*
La glitkurejo. Ni ankaŭ faros la samon! Antonĉjo — la delegito. Hej, brakon al brako! . . . 79

*Parto sesa: Ĉu ĝi estas nur fabelo?*
Invito. Malnovaj konatuloj. Rakonto de Antonĉjo. Rakonto de Staĉjo. Rakonto de Bolĉjo. Juna potenco. Kolonioj de l'Asocio. ...Kaj ili komencis de malgrandaĵo. Alveturo al la kolonio. Ĝoja laboro sen devigo. Tagmanĝo. La kolektiĝo ĉe l'fonto. Frateco de popoloj. Himno de junaj kooperativistoj . 103

Klarigoj kaj rimarkoj . . . . . . . . . . . . . 143

Pola Bibliografio pri kooperativa edukado de junularo kaj pola kooperativa beletristiko . . . . . . . . . 155

LISTO DE ILUSTRAĴOJ.

1. Marinjo kaj bovino . . . . . . . . . . . 3
2. Aventuro de masonistoj . . . . . . . . . 5
3. Instruisto alparolas la infanojn . . . . . . . 10
4. La Kristarbeto . . . . . . . . . . . . . 39
5. Katrinjo purigas la plankon . . . . . . . . 47
6. Staĉjo helpas al veterano porti akvon . . . . . . 62
8. La vilaĝaj infanoj renkontas gastojn de l'urbo . . . 77
9. La glitkurejo . . . . . . . . . . . . . 83
10. Antonĉjo - la delegito vizitas la Kongreson . . . 96
11. Sur veturigilo . . . . . . . . . . . . . 116
12. Himno de junaj kooperativistoj . . . . . . . 142

## ANTAŬPAROLO.

*Kara gejunularo de ĉiuj landoj,*

*Vi scias, ke ĉiu, eĉ plej malgranda kultura nacio posedas en sia literaturo verkojn, kiujn oni plej bone povus karakterizi per la frazo: „tiun verkon devas koni la tuta mondo“.*

*Ĝis nun tamen okazas, ke nur la ĉefverkoj de plej grandaj nacioj estas tradukataj en kelkaj aŭ dek-kelkaj fremdaj lingvoj, sed ankaŭ ne ĉiuj kaj ne en ĉiuj lingvoj literaturaj - preskaŭ unu mil sur la tuta globo. La kreaĵoj de aliaj, malpli grandaj aŭ malproksimaj nacioj, kvankam multfoje tre valoraj, tute ne estas konataj al la cetera mondo, aŭ en plej bona okazo nur al plej proksima najbararo.*

*Al literaturoj malpli bone konataj al la larĝa mondo apartenas la jam depost 600 jaroj evoluiĝanta literaturo de 26-miliona nacio pola, malgraŭ ke ĝiaj du reprezentantoj — Henryk Sienkiewicz kaj Władysław St. Reymont ricevis la Nobel - premion por literaturo.*

*La tasko de Esperanto estas — inter aliaj — konatigi ĉiujn landojn kun la literatura kaj scienca kreado*

*de ĉiuj nacioj, sen-escepte, ĉu temas pri nacio ducentĉu nur dumiliona, se nur la donita verko havas valoron tuthomaran.*

*Pro tio ekzistas jam en multaj landoj esperantaj eldon-societoj aŭ kooperativoj, kiuj celas la eldonadon de la ĉefverkoj de sia nacio en lingvo tutmonda Esperanto, kaj la saman celon havas inter alie ankaŭ nia „Esperanta Eldon-Kooperativo" en Varsovio rilate al literaturo, scienca kreado kaj socia vivo de Polujo.*

*

*Unu el originalaj atingaĵoj de la moderna postmilita socia vivo de Pollando estas la sufiĉe multnombra aro de kooperativoj de junularo en la lernejoj de ĉiuj gradoj, kiujn oni kalkulas hodiaŭ ĉirkaŭ 5000 en la tuta lando. (Detalojn vidu ĉe l'fino de „Rimarkoj"). Tiuj kooperativoj estas plej ofte gvidataj per la loka instruistaro aŭ la loka kooperativo de plenaĝuloj. Per ili la junularo lernas ek de plej frua aĝo kontentigi siajn bezonojn per komuna agado, ĝi lernas solidarecon, memstarecon, ekonomian memregadon, reciprokan helpon kpt., alkutimiĝante per tio al la postea vivo en la socio de plenaĝuloj.*

*Tiun movadon iniciatis antaŭ pli ol 20 jaroj la „Asocio de Konsum-kooperativoj de la Pola Respubliko", en Varsovio, kiu eldonis i. a. ankaŭ serion de libroj kaj broŝuroj por infanoj kaj lerneja junularo, inter ili la plej ĉefajn: teoria kaj praktika instrukcia libro de S-ro Fr. Dąbrowski, la hodiaŭa direktoro de la 3-klasa kuneduka Meza Kooperativa Lernejo en Varsovio, sub la titolo „Spółdzielnie uczniowskie" (Ko-*

*operativoj de lernantaro") kaj — la nunan romanon sub la titolo „Czy to bajka czy nie bajka" (laŭvorte: „Fabelo ĉu ne fabelo").*

*Kiel gravan soci-edukan valoron havas tiaj kooperativoj, ni ne bezonas plu klarigi, ĉar ja en ĉiuj landoj estas bone konataj la principoj de la tutmonda kooperativa movado, bazitaj sur la plej noblaj revoj pri estonta, pli bona homaro de tiaj homoj kiel: Roberto Owen en Anglujo, Karlo Fourier kaj Gide en Francujo, Mazzini en Italujo, Raiffeisen en Germanujo, Kampelik en Ĉeĥoslovakujo, Abramowski en Polujo, Tugan-Baranowskij en Rusujo kaj centoj da aliaj.*

*

*Pro tio, serĉante en la pola literaturo libron, kiu plej bone povus prezenti la idearon de la ambaŭ tendencoj — kooperatismo kaj esperantismo, ni ne povis trovi — inter multaj bonaj — pli bonan, ol tiun-ĉi libreton de S-no Jan Wolski, des pli, ke ĝi estas skribita por junularo, kaj ni tre deziris komenci nian eldonadon per libro por junularo, ĉar ja junularo estas la bazo de la tuta estonto de nacioj kaj de l'homaro.*

*Aŭtoro ĝia ne estas ia „mondfama" — ja eĉ ne „fama en sia lando" poeto ĉu verkisto — ne. Li estas simpla, mult-multjara propagandisto kaj organizanto de kooperativoj, de kiaj ekzistas centoj en ĉiu lando. De aliaj siaj kolegoj li distingiĝas nur per tio — ke li — post tut-taga oficiala laboro, ofte ricevas ‚inspiron" por verkado de literaturaĵoj, prenitaj de lia ĉiutaga laboro, kaj tiam li sidiĝas kaj verkas: noveletojn, skribitajn per plej natura ĉiutaga lingvo, prenita el la*

*medio de li priskribata, en formo plena de humoro, neniam ĉesanta optimismo kaj profunda amo al la priskribata temo. Liajn noveletojn presas la kooperativa gazetaro de tuta Pollando — kaj al ĉiuj ili plaĉas.*

*Dum kelka tempo S-ro Wolski estis ankaŭ organizanto kaj propagandanto de la supre menciitaj kooperativoj de lernantaro kaj — videble la travivaĵoj en la medio de lerneja junularo, en kiu li agis, postlasis tiom da impresoj en lia menso kaj koro, ke li verkis — niaopinie — sian plej bonan libreton je tiu temo, kiun ni jene permesas al ni prezenti al vi en lingvo tutmonda.*

*Ĝia enhavo, kvankam bazita sur realeco, estas plena de fantazio, — fantazio kreanta, celanta al realizo de tiuj idealoj, kiujn la aŭtoro revas ne nur por sia lando, sed por la tuta homaro. Ĝi instruas al junularo virtojn, ŝatatajn egale en Polujo kiel en Anglujo, Rusujo, Ĉinujo, Japanujo ĉu Ameriko — nome — solidarecon, fratan kunagadon, memstarecon, estimon ne al riĉaĵoj sed al moralaj kvalitoj de l'homo, kaj fine — plej grave — ĝi instruas la internacian fratecon de junularo de ĉiuj landoj tiel bele pentritan en la lasta ĉapitro de l'verko. Ankaŭ por instruistoj ĝi povas esti utila gvidilo, kiamaniere eduki la infanojn en sociaj virtoj.*

*Tiuj-ĉi instruoj estas donitaj en la libro ne en formo de sekaj „moraloj", enuaj predikoj aŭ didaktikaj klarigoj, sed en la formo de vivplena rakonto, en kiu*

*la heroaĵoj kaj bubaĵoj de la lerneja junularo estas la plej bona esprimilo de moralo.*

*Ankaŭ la lingvo de l'originalo estas tre senpera, fluanta kiel la priskribataj petolaĵoj le lernantaro, kaj ni nur timas, ĉu ni sukcesis respeguli ĝian originalan fluecon.*

*Legu ĝin do kun sama ĝojo, kun kia skribis ĝin por vi la aŭtoro kaj kun kia ni alpaŝadis al ĝia traduko. Lernu de ĝi la belajn agojn de viaj polaj gekolegoj — kaj — kiam vi estos tralegintaj ĝin, bonvolu nepre — ni tre, tre petas — skribi al ni tute senĝene, ĉu ĝi plaĉis al vi; ĉu vi ne vidas en ĝi ion kritikindan, ĉar tio serioze interesas nin — rilate al plua eldon-programo. Ni ja intencas eldoni ankoraŭ ion pli por vi legindan.*

*La „Klarigoj kaj rimarkoj", presitaj ĉe l'fino de libro, permesos al vi kompreni ĉiun priskribitan detalon de pola vivo, kio certe kontribuos al pliriĉigo de viaj geografiaj, historiaj, etnografiaj k. a. konoj.*

*Se eble vi dezirus traduki la libron en vian nacian lingvon, la aŭtoro per ĉi-tio donas al vi por tio sian permeson, kondiĉe ke vi interrilatu letere kun li per la adreso de nia kooperativo.*

---

*Fine — ankoraŭ kelkaj vortoj — eble iom instruaj — pri la historio de ĉi-traduko:*

*La pola originalo aperis en la jaro 1925. En tiu originalo la aŭtoro skribis, ke la lernantoj, dezirantaj vojaĝi dum libertempo eksterlanden, lernas dum kelkaj jaroj fremdajn lingvojn antaŭ ol ili forveturas. Tiu*

*unu punkto ne plaĉis al unu el la membroj de nia kooperativo, kaj li — renkontante post kelkaj jaroj la aŭtoron, komencis konvinkigadi lin, ke en la dua eldono oni nepre devas ŝanĝi tiun frazon, montrante al Esperanto kiel plej simpla solvo de la lingva problemo en internaciaj rilatoj. — La aŭtoro, ne konanta antaŭe nian movadon, facile konvinkiĝis pri la praveco de nia vidpunkto — kaj — deklaris tuj sian pretecon al ŝanĝo.*

*Li ŝanĝis ne nur tiun frazon, sed aldonis kelkajn novajn ĉapitretojn speciale por la esperanta eldono, forlasante ankaŭ kelkajn frazojn ne plu „modernajn". La novaj ĉapitretoj estas signitaj en la libro per rondeto (⊙) la forlasitaj per linietoj (- - -).*

*Forfluis denove kelkaj jaroj. Estis organizita nia kooperativo. Ni turnis nin al la aŭtoro kun peto je permeso al traduko. Volonte li konsentis. Same volonte deklaris tuj sian pretecon al traduko — la tradukinto — samideano Roman Dąbrowski, pensionita kapitano de pola armeo. La tradukon reviziis, transskribis por presejo, redaktis la „Klarigojn" kaj faris la tutan korekton la lingva komisiono de nia kooperativo, konsistanta el samideanoj: Monkiewicz Bolesław, — oficisto, mgr. Borys Strelczyk, gimnazia profesoro, kaj Jan Zawada, redaktoro de la „Adreslibro de Pollandaj Esperantistoj". Por ilia helpemo kaj oferemo ni esprimas al ili ĉiuj nian plej koran dankon.*

*Kiam ĉio estis preta, ni konstatis ke mankas — bagatelo — mono por eldono. Sed — vidante nian intencon, tuj je nia peto venis kun prunt-helpo kelkaj centraj institucioj kooperativaj: La Asocio de Konsum-*

*kooperativoj de Pola Respubliko, Revizia Asocio de Militistaj Kooperativoj kaj kelkaj aliaj, inter kiuj ni devas speciale mencii la honoran sintenadon de la presejo de Fratoj Drapczyński, kiuj ankaŭ faciligis al ni la eldonon per siaj favoraj preso-kondiĉoj. Ankaŭ ili ĉiuj akceptu nian plej sinceran dankesprimon.*

*Tiamaniere, per komuna helpo de kooperativanoj, tiu kooperativa verketo eliras en la vastan mondon — kaj ĝia sukceso dependas de vi — kara gejunularo de la tuta mondo. Vi vidas de tiu historio, ke ne estas vera la diraĵo, kiun tro ofte oni povas aŭdi flanke de diversaj „praktikaj" kaj „sobraj" homoj, — ke ĉio dependas nur de l'mono-: „se estas mono, ĉio cetera troviĝos facile" — emas ili diradi. Ne kredu al ili! Se tio estus vera, la milionuloj estus la plej grandaj genioj kaj pioniroj de la tutmonda kulturo kaj civilizacio. Tamen ni scias, ke apenaŭ unu el mil de ili estas homo de kultura kreado, kaj la homaron antaŭenpuŝas genioj, ofte malsatantaj en siaj mansardoj. Ne mono do, ne materio, sed la homa spirito kaj entuziasmo por grandaj celoj kreas miraklojn kaj ankaŭ la necesajn materiajn rimedojn por sia realizo.*

*Fajreron de tiu entuziasmo al grandaj, noblaj celoj ekbruligetu en viaj koroj tiu-ĉi modesta libreto!*

*Varsovio, la 20-an de Novembro 1934.*

**La Estraro kaj Konsilantaro**
**de „Esperanta Eldon-Kooperativo en Varsovio"**
**Adreso: Warszawa, Al. Jerozolimskie 101.**
**Pollando-Eŭropo**

*Ĉu ĝi estas nur fabelo?*
*Pensu vi laŭ volo via...*
*Sed mi tamen al vi diras:*
*D e v a s esti mondo tia!*

(Alifaro el Konopnicka).

## ANTONĈJO — LA KAMENTUBISTO.

Antonĉjo!... Kie ci estas?!... Anĉjo — ĝis kiam mi estas bona — mi diras al ci: revenu tuj! — Dia puno kun tiu-ĉi knabo! Anĉjo — reen! ĝis kiam ankoraŭ pacienca mi estas! — Reen, ĉar mi plendos al la patro, kaj li tiom batos al ci la haŭton, ke... Anĉjo!

Sed vane ŝi vokas kaj tro-krias la pulmon.

La knabo ekkaŭris sur la tegmento malantaŭ la kamentubo. Li sidas kiel kuniklo kaj eĉ ne pensas pri malsupreniĝo. Li bone konscias, ke la patrino diros tion al la patro kaj ke li sentos la patran rimenon.

Tamen li ne grimpos teren.

La patrino koleru. Ŝi tiru je oreloj. Ŝi plendu. — La patro batu min - tute egale!... Mi ne grimpos malsupren. Kiele mi povus fari tion, se ni ĵus devas ludi je kamentubistoj?

*

Oni devas scii, ke krom Antonĉjo kaŝiĝis sur la tegmento ankoraŭ tri liaj kolegoj: Bolĉjo, Franĉjo kaj Vladĉjo. Sam-specaj stratbuboj.

Ili kaŝprenis el subtegmento longan ŝnuron, sur kiu oni sekigas tolaĵon. De la patrino de Franĉjo ili forprenis de antaŭ la nazo fornan balailon, trovis ian pezan ŝtonon en la korto, ĉirkaŭis ĝin per ŝnuro kaj — de neniu rimarkitaj — sekrete grimpis sur tegmenton. Tie ili rampetis ĝis la kamentubo kaj — ŝajnigas kamentubistojn.

Kia ĝojo! Kia labor'! Persiste ili purigas la kamentubon.

Ŝvito fluas gutgute sur vizaĝaĉjoj per fulgo ŝmiritaj. Ili disŝmiras ĝin sur vizaĝoj per siaj nigraj manplatoj.

Propra patrino ne tuj ekkonus tian fulgigitan malpurulon.

*

Sed ili penegas... kaj havas tempon nek pensi pri sia aspekto, nek pri tio, kio atendas ilin hejme, kiam ili malsuprengrimpos de l'tegmento.

Atendas ja ilin intertrakto kun la patrino... varma akvo kun sapo kaj la ne malpli varma patra rimeno.

Ho, bagatelo! Por ĝoja kuna laboro ili volonte oferos la haŭton.

## LA BOVINO VOLIS FORMANĜI ŜIN.

— Marinjo — kial ci, etulino — ploras? demandas la patrino kvarjaran ploregantan filineton.

— Bovino, panjo, — bovino!...

— Kia bovino, kio do?



— Ŝi volis formanĝi min!!...

— Kion do ci rakontaĉas, infano!

— Tutevere, panjo. Mi venis kun mia trinkpoteto melki la bovinon, sed ŝi batis min per sia vosto kaj turnis sian kapon kontraŭ mi, por formanĝi min!...

— Trankviliĝu, Marinjo. — Nenio akazis.

*

Klopodo kun ĉi knabino: de l'tero ŝi apenaŭ ekkreskis kaj jam ĉien ŝi volas penetri...

Mi kuiras tagmanĝon, kaj ŝi malhelpas ĉe l'piedoj.— Ŝi volas helpi min! Mi forsendas ŝin al la ĉambro.

— Iru — diras mi, — Marinjo, sidetu iom apud Johanĉjo...

Ŝi foriris kaj komencis luli la frateton tiel fervore, ke presk-preskaŭe ŝi estus elĵentinta lin el lulilo...

Kaj nun ŝi ekintencis iri al la bovinejo...

*

Kiucele do ci proksimiĝis al la bovino, bubinaĉjo?
— Mi, panjo, volis melki la bovineton, same kiel vi.
— Nu — kion fari kun tia kaprinjo.

---

## KATASTROFO ĈE LA MASONISTOJ.

Terura krako en labor-ĉambro de la patro.

Alkuras la patrino.

Sur belega tapiŝo, meze de renversitaj seĝoj, elverŝita akvo kaj faligita kruĉo, — kuŝas pecetoj de frakasita bela porcelana vazo.

Vojĉjo kaj Miĥĉjo plorante kriegas.

Ĉiu el-inter ni same kriegus. Ĉar Vojĉjo havas egan tuberon sub la okulo kaj Miĥĉjo kontuzitan genuon.

*

— Abomenaj knaboj! Tiomfoje mi diradis al vi: ne eniru la kabineton.

— Sed ja ni, panjo, ludis je masonistoj... Ĝi estas tiel agrable!



— Denove iaj nesaĝaj petoloj?

— Ho — ne petoloj, panjo! Ni vere ludis je masonistoj. Ni faris por ni eŝafodon de seĝoj. Miĥĉjo tenis en la kruĉo akvon anstataŭ tinkturo. Kaj mi per polvbro-

seto — mia kvazaŭ - peniko — pentris la muron! Vidu nur panjo, kiom ni jam faris!

— Infanaĉoj, vi enpelos min en tombon!

---

## ŜI VOLAS ESTI ZORGEMA PANJO.

Halinjo havas gaston.

Vizitis ŝin Krinjo, filineto de najbaroj.

Ili ekkaŭris en angulo kaj majstretas ion.

Kial do tiel silente? — demandas la patrino, enirante en la ĉambron.

— Ĉar ni laboras: ni kudras robetojn por niaj pupoj.

— Robetojn? El kio vi kudras ilin? Montru al mi ĉi-tiujn robojn.

— Jen — ni petas, panjo! Ĉu ne belaj?

— Halinjo! Pro Dio! De kie ci havas tiun-ĉi ĉifonon?

— Mi eltranĉis ĝin el mia nova robo. Vi panjo — alifaras viajn robojn por mi, kaj ni kun Krinjo alifaras mian robeton por niaj filinetoj. Ni volas ilin bele vesti.

— Halinjo! Ci estas senkora! Ci ne amas min, malbelaĉa knabinjo!

*

Halinjo ploras per koraj larmoj. Ĉar ŝi amas sian patrinjon. Sed Halinjo mem ankaŭ estas patrinjo, do ŝi devas bele vestadi sian pupon.

Klopodo kun ĉi infanoj!

---

## LA KAP' ROMPIĜAS PRO KLOPODO.

Se la gepatroj havas tiom da klopodoj kun unu aŭ— pleje kun kelkaj infanoj, — kion pensi pri instruisto, havanta ilin kelk-dekojn!

Des pli en nia lernejo: ĉiu knab' — ega petolul', ĉiu knabin' — vera kozak', — ĉien enŝovas sian nazon.

Havis do instruisto nia vere dian punon per ni.

Kaj-se temus nur pri petolaĵoj en la lernejo!... Sed tio tute ne estas ĉio! Apenaŭ iu-ajn infano iom tropetolas hejme aŭ ĉe la najbaroj, tuj la gepatroj kaj la najbaroj venas al sinjoro instruisto kun plendoj.

*

Rompiĝis jam kapo pro klopodoj. — Se li ne instruas, li juĝas la junajn ge-kulpulojn.

Se li devus pro ĉiu kulpo puni ilin per vergo, ne sufiĉus ĉiuj salik-branĉetoj en tuta ĉirkaŭaĵo.

Tiaj furiantaj infanoj.

## LI PENSADIS, MEDITIS, KAJ FINE TROVIS RIMEDON.

Ne, mi ne eltenos tion plu. Dio kara — mi ne plu paciencos! lamentis multfoje la instruisto sekrete. Mi penos ke oni transloku min en alian lernejon.

Sed vere la instruisto ne pensis pri translokiĝo. Ĉar (eble ŝajnas tio stranga al vi) — li vere amis sian senbridan klason. Kaj — kio estas plej stranga — li amis la infanojn ĝuste pro iliaj tiel nomataj petolaĵoj.

Tia stranga homo — tiu-ĉi instruisto nia.

Tamen, io alia estas ami infanojn pro iliaj petoloj, kaj io alia — ŝati la petolojn mem. — Sinjoro instruisto la petolojn mem tute ne ŝatis.

*

Li do konstante meditis, kiamaniere li povus dekutimigi la infanojn en sia lernejo de la petoloj.

Ŝajnus al iu, ke tio estas tute ne ebla. Sed — por kio kuŝas la kap' sur la kolo, por kio la saĝec' kaj scio en la kap'?

Do, li pensis, pensis — kaj fine trovis perfektan rimedon!

Kian? — tuj mi diros al vi.

## LI KUNVOKIS LA BUBAĈOJN.

Iun sabaton sinjoro instruisto diris al la plej malbonaj buboj en la lernejo, ke ili venu morgaŭ — dimanĉe posttagmeze — al li. Li ripetis tion al ĉiu aparte.



Dimanĉe, je la difinita horo, kunvenis ĉiuj invititaj infanoj. Kalkulis tiu aro — preskaŭ dudekon da knaboj kaj knabinoj. La instruisto ordonis, ke ili eksidiĝu

sur la benko antaŭ la lernejo kaj sur la ŝtupoj de l'koridoro. Kaj kiam ili eksidiĝis, li tiel ekparolis al ili:

— Orelojn supren — aŭskultu atente!

Ekregis silento, kvazaŭ iu semus papavon.

*

Vi estas la plej malbonaj petoluloj en la lernejo. Konstante mi aŭdas nur plendojn kontraŭ vi. Ĉiam kaj ĉie vi nur petolas. Ĉu ne?

— Jes, sinjoro instruisto!

— Nu — bone, ke vi ne neas tion. Ni do priparolu, kiaj estas viaj krimoj.

Jen — vi imitas kamentubistojn, veturigistojn, vartistinojn, konduktorojn, kudristinojn, ĉarpentistojn, bakistojn, komercistojn, kuiristinojn, soldatojn. — Ĝenerale dirite — vi ŝatas imiti la laboron de plenkreskuloj. Vi ŝatas ŝajnigi fari ion grandan. Tio estas via plej amata ludo. Ĉu ne?

— Jes, jes, sinjoro!

— Mi scias, ke estas tiel. Sed, kiam vi tiel imitas plenkreskulojn, tre ofte okazas al vi senvole ia aventuro, neagrabla por pli aĝaj homoj, kiuj nomas ĝin bubaĵo. Intence, por iriti pliaĝulojn, vi petolas tre malofte, ĉu ne?

— Tre malofte, sinjoro instruisto!

— Nu do nun diru al mi: kiam la ludo estas plej agrabla por vi?

Certe tiam, kiam vi, imitante konduktoron, havas fajfilon ĉe vi; imitante vartistinon aŭ patrinon, vi ha-

vas infansimilan pupon; imitante veturigiston, vi havas veran vipon. Ĝenerale tiam, kiam, imitante plenkreskulojn kaj ilian laboron, vi kopias ilin, kiam vi plej similiĝas al ili. Ĉu ne estas tiel?

— Vere! Vere!

*

— Kaj nun, kion vi pensus pri tio, miaj ventkuruloj— se mi ekinstruus al vi tian ludon, ĉe kiu vi ne estus devigitaj imiti plenkreskulojn, sed vere fari ĉion same tiel kiel plenkreskuloj. Same bone kaj kelkfoje eĉ pli bone. Ĉu vi volas lerni tian ludon?

— Jes, ni volas, ni tre volas! Instruu nin! Kara, amata, ora sinjoro!

*

Ke mi estas amata, mi ĝojas. Sed ora kaj kara mi tute ne volas esti.

Ĉar eĉ plej karajn objektojn — ne nur oron, sed ankaŭ briliantojn — oni povas aĉeti kaj vendi. Necesas nur multe pagi.

Pripensu: kio fariĝus, se mi vere estus kara kaj ora? Jen iu riĉulo aĉetus min, kaj vi — malriĉaj infanoj, ne plu posedus vian instruiston.

Do, ne parolu pri personoj de vi amataj, ke ili estas karaj kaj oraj... ĉu vi komprenis?

— Jes, ni komprenas!

*

Nu — bone. Kaj nun — marŝu hejmen!... Dum tuta semajno pensu pri tio, kion vi aŭdis hodiaŭ: *ne pri ludo imitata, sed pri ludo vera...* Kaj — post unu semajno, sekvontan dimanĉon, vi denove venu al mi. — Mi diros al vi ion pli pri tiu-ĉi ludo.

— Sinjoro, sinjoro amata! Ni petas — hodiaŭ, ankoraŭ hodiaŭ bonvolu montri al ni!

— Ne rapidu, ne rapidu. Nenion plu mi diros hodiaŭ. Ĉio tro multa efikas malsane... Iru hejmen!

---

## PLI AĜAJ NE KREDAS.

— Nu — kion do diris al vi la instruisto? — demandas multaj patrinoj kaj patroj. Denove estis plendoj? Certe li deklaris, ke kapteren li elĵetos vin el lernejo?

— Tute ne! Sinjoro instruisto estis hodiaŭ por ni tre ĝentila. Li nek grumblis nek minacis. Nur li promesis, ke sekvontan dimanĉon li instruos al ni belan ludon.

— Kian stultaĵon vi diras? — La instruisto kunvokos vin por ia ludo?!... Kiun? La plej malbonajn bubojn? He, ŝajnas al mi, ke estis tie io alia. Ĉu la sinjoro ne promesis eble al vi vergosupon? He?

— Ho, ne, — patrinjo, tute ne — paĉjo!

Sed nek patrinoj nek la patroj kredis al la buboj. Jam tia estas ilia sorto, ke la gepatroj ne kredas al ili.

---

## TERURA SCIVOLO.

Lunde en la lernejo inter la infanaro pri nenio plu oni parolis, nur pri la hieraŭa babilaĵo kaj la promesoj de l'instruisto. Scivolo ekregis ĉiujn. La supozoj ne havis finon.

La stratbuboj fieriĝis antaŭ kolegoj, kiuj ne vizitis hieraŭ la instruiston, kaj rakontadis al ili nekredeblajn historiojn. Kaj ĉi-lastaj ĉagrenis, ke oni ne invitis ilin.

Sed oni tute ne bagateligis ilin. — Ĉar, antaŭ la disiro post la lecionoj, — instruisto diris al ĉiuj:

— Aŭskultu, infanoj! Dimanĉe post tagmezo mi rakontos al vi pri unu agrabla ludo. Kiu estas scivola, venu — kiu ne volas, povas ne veni. Oni neniun devigas. Kaj, se iu patro aŭ patrino deziras ankaŭ veni — volonte, ni petas. Ili ankaŭ aŭskultu.

— Ni ĉiuj venos! Ĉiuj!

— Tre bone! Ju pli multaj vi estos, des pli bone sukcesos la ludo.

---

## TUTA VILAĜO ANTAŬ LA LERNEJO.

Pasis semajno.

Dimanĉe post tagmanĝo preskaŭ la tuta vilaĝo troviĝis antaŭ la lernejo.

Kiun oni ne vidis tie! Ne nur infanoj kaj la gepa-

troj, sed ankaŭ ne unu avo kaj ne unu avino altreniĝis helpe de bastono por aŭskulti, kion diros sinjoro la instruisto.

Estis belega tago, suna kaj varma, unu el oftaj similaj dum Septembro en Polujo.

Knaboj kaj knabinoj amasiĝis brue sur-kaj antaŭ la vestiblo. Por la maljunuloj oni alportis kelke da benkoj el la lernejo. Patrinoj kaj patroj stariĝis apude.

*

Eĉ ne esperis la instruisto, ke li havos tiom multe da aŭskultantoj. Do, kontenta, li frotas pro ĝojo la manojn, ridetas gaje kaj salutas ĉiujn.

Fine li stariĝis sur vestiblo kaj faris mansignon, ke li volas paroli. Ekregis silento. La instruisto komencis:

---

## KIEL LI TROMPIS NIN!

En tuta nia komunumo, — ja eĉ en tuta nia lando, tiom longa kaj larĝa, ne ekzistas infanoj pli frivolaj ol ĉe ni.

— Vere, vere! laŭtiĝis voĉoj diversflanke. Bub' sur bub' sidas kaj per bubo pelas... Dia puno — ne infanoj!

— Ankaŭ por mi ne estas facile labori kun tia bandeto. La gepatroj same turmentiĝas pro vi. Kaj vin mem la haŭto konstante doloras pro patra rimero, la oreloj — pro patrina tirado kaj la genuoj — pro pungenuado. Pripensu nur: kio vi estos, kiam vi plenkreskos? Kiom multe da patroj kaj patrinoj kordoloras, kiam ili vidas, ke la infanoj friponiĝas. Kiom da honto antaŭ la homoj? — Kia ofendo al Dio!

— Vere estas tiele! — kapjesis la gepatroj kaj la geavoj... Ĉe kelk-iuj virinoj eĉ larmoj fluis el okuloj pro granda ĉagreno.

*

— Kion do pensas la instruisto? — meditas la infanoj. — Li allogis nin tien per promeso, ke li instruos al ni agrablan ludon, — kaj, kiam ni venis, li faras al ni riproĉojn...

— Ni jam scias, ke ni estas friponuloj. Ĉiutage ĉiu ripetas tion al ni. Jam abomene aŭskulti!... Ĉu eĉ dimanĉe oni ne lasos nin trankvilaj?...

Kaj kiel ruze li logis nin tien!...

Jam kelkaj petoluloj pripensadas, kiamaniere ili povu nerimarkeble foraperi de tie-ĉi.

---

ĈU VI VOLAS?

— Jen — kontinuis la instruisto, — mi konas unu belan ludon. Tia ludo, ke pli agrablan oni eĉ imagi ne povas...

Ĉe tiu ludo la infanoj faras ĉion, kion nur ili ekdeziras! Kaj ne nur oni ĉe tio ne petolas, sed kontraŭe — faras grandan utilon.

Ju pli bone la infanoj ludas, des pli multe la plenaĝuloj laŭdas ilin. La instruistoj asertas, ke la infanoj ĉe tiu ludo — tute ne sciante pri tio — lernas kelkfoje eĉ pli bone ol el libro, kvankam ili ludas nur propravole kaj nur por plezuro.

La gepatroj, observante tiun-ĉi ludon, ĝojegas, ĉar ili vidas, ke iliaj infanoj kreskas je homoj saĝaj kaj noblaj...

Kion vi diros pri tio?

*

— Sinjoro instruisto ŝercas? Kia ludo ĝi povas esti? — aŭdiĝis inter la maljunuloj murmuro de malkonfido.

— Sed la infanaro kredis. Ni ĉiam kredas je tio, kio estas por ni agrabla.

Ili atente streĉis la orelojn kaj atendas scivole, kion do plu diros al ili la instruisto.

Nun neniu plu revas jam pri forkuro. Tute ne. Kontraŭe — ili premamasiĝas apud la instruisto.

— Vi opinias, ke mi ŝercas? — Neniel! Havu nur paciencon por aŭskulti plue.

*

— — — — — — — — —

◉ Kion vi dirus, miaj infanoj, se ekzemple la knabinetoj havus beletan, komunan manpilkon kaj la knaboj grandan, komunan piedpilkon.

Kiel agrabla kaj gaja estus tia ludo!

Ĉu vi volas tiajn pilkojn — diru!

Al la infanoj eĉ okuloj ridetas pro penso pri tia feliĉo, sed — por ne interrompi — ili balancas nur la kapojn. ◉

*

Venos vintro. Glaciiĝos lagoj kaj riveroj. La tero kovriĝos per neĝo... Ĉu vi volus tiam malsupreniĝi sur glitveturiletoj kaj glitkuri sur glacio per glitŝuoj?...

Sed — pasintan vintron nur du inter vi havis glitveturilojn kaj glitŝuon eĉ unu infano en la vilaĝo ne havis.

Nu — se ni havus tie-ĉi kelkajn parojn de glitŝuoj kaj kelkajn komunajn glitveturilojn? Ili apartenus al ĉiuj kaj al neniu samtempe.

Tiam ĉiu el vi — ĉu knabo ĉu knabino — povus laŭvice gliti desupre kaj glitkuri sur glacio.

Kion vi pensas pri tio-ĉi?

La geknaboj, palaj pro emocio kaj ega scivolemo, kun brilantaj okuloj kaj malfermitaj buŝetoj alprok-

simiĝas amase, por ne perdi eĉ unu vorton de tio, kion diros la instruisto.

*

Venos Kristnasko. Ĉu ne estus bele, se vi mem per propraj fortoj aranĝus por vi Kristarbon?

Vi aĉetus ludilojn, diverskolorajn kandeletojn, steletojn orajn kaj arĝentajn fadenoj, artefaritan fajron, mielkukojn bele ornamitajn, bombonoj, orajn nuksojn, plej diversan frandaĵon. Kelkajn ludilojn kaj ornamojn vi farus mem.

Ĉio-ĉi elfluos de via propra volo. Sen fremda helpo. Ĉion — vi mem!

Vi invitos poste al tiu-ĉi via Kristarbo la gepatrojn, pli junajn fratinojn kaj fratetojn. — Vi havus verajn gastojn.

Vi donus al ili verajn donacojn.

Ĉu ne bona estus tia Kristarbeto?

*

⊙ Vi scias, ke ekzistas tia magia beleta kesteto, kiu mem alportas diversajn novaĵojn kaj sciigojn el la tuta mondo. Ĝi nomiĝas — radio-aparato. Kiu el vi ne revas pri tio, ke li havu tian sorĉan kesteton kaj povu aŭskulti paroladojn kaj porinfanajn koncertojn.

Sed — ĉe ni, en la vilaĝo, nur nemultaj havas nune tian aparaton. Kaj laŭtigilon havas ĝis nun neniu, ĉar ĝi estas tro multekosta.

Ni povus per unuigitaj fortoj akiri por ni komunan

kelklampan radio-aparaton kun laŭtigilo kaj aŭskulti kune en lernejo muzikajn disaŭdigojn kaj prelegojn por infanoj.

Kiom da utilo kaj plezuro ĝi alportus al ni! ◉

*

Aŭ eble la knabinetoj volus eĉeti por si komunan, veran kudromaŝinon? La plej veran. Tian, kian havas la kudristino, aŭ eble eĉ pli bonan! Ĝi estus via maŝino — infana — sed komuna.

Ni petos la kudristinon, ke ŝi instruu al vi la kudroarton.

Poste vi mem kudros per tiu maŝino. Per vera maŝino. Ĉiu el vi, knabinoj, kiu nur volos lerni.

Poste eble al iu el vi panjo donos ĉemizon por kudri? — Vi ja kudros tiel bone kiel plenaĝuloj.

La knabinetoj eĉ pepkrias pro ĝojo.

*

La knaboj povus aranĝi meblistan laborejon.

La plej veran! Vi havus en ĝi ĉion kion havas bona meblisto en sia laborejo.

Ĝi estos via komuna metiejo.

Ni interkonsentos kun nia vilaĝa meblisto ke li instruu al volontuloj el-inter vi sian metion. Kaj tiam vi farados verajn, fortikajn kaj belajn meblojn por via hejmo kaj nia lernejo.

— Ho, ho, kial ne?

*

Oni povus aĉeti ankaŭ komunan veran boaton.

Ĝi estus via, infana boateto. Vi fluus per ĝi sur lagetoj kaj riveroj.

*

Kaj printempe, vi povos aranĝi tie-ĉi, antaŭ la lernejo, komunan ĝardeneton.

Vi venigus semojn eĉ de Varsovio kaj ensemus la plej belajn florojn. Oni povus ankaŭ kulturigi bongustajn ĝardenajn fragojn, same kiel ili kreskas en la ĝardeno de sinjoro la pastro.

Vi devus tiun ĝardeneton komune kulturi kaj flegi. Ĝi postulas multe da laboro, multe da peno. Sed — kia agrablo ĉe tia okupo!

Kaj — tiuj floroj, tiuj beroj — ili estos viaj — komunaj.

Juste vi dividos ilin inter vi. Eble ili kreskos tiom abunde, ke ĉiu estos povanta preni kiom li volas, ke sufiĉos por ĉiuj.

Vi havos do ion, por donaci al viaj panjoj kaj etaj infanoj, kiuj sidas hejme kaj ne vizitas lernejon. En la klaso ni ankaŭ havos belajn bukedojn el propraj floroj...

*

◎ Pripensu ankaŭ, ke krom la ĝardeneto vi povus aranĝi sur tiu-ĉi herba placeto apud la lernejo modelan koko-bredejon.

Vi bredus tie kune plej bonajn specojn de belaj, rasaj kokinoj, kaj ili donus al vi — kvazaŭ rekompen-

co por via zorgado — beletajn, blankajn, grandajn ovojn.

Vi laborus komune, do ankaŭ la ovetoj estus via komuna propraĵo. Vi manĝus ilin en la lernejo dum dua matenmanĝo.

Por Pasko vi preparus el la ovoj paskajn ov-pentraĵojn, diverskolorajn kaj diversdesegnajn por viaj gepatroj, gefratetoj kaj ankaŭ por vi mem.

Kiom da ĝojo regus tiam en viaj hejmoj!

Se kolektiĝus multe da ovoj, vi bredus belegajn, flavetajn kokidetojn kaj via komuna mastrumado per tio pligrandiĝus.

Tiam oni povus eĉ pensi pli ekspedo de ovoj al la vilaĝa ov-deponejo por vendado. ◎

*

Kaj komuna butiketo? — Oni povas aranĝi tian.

Via infana, lerneja butiketo! Estos en ĝi ĉio, kion vi bezonas: kajeroj, krajonoj, plumoj, inko, frot-gumetoj, plumingoj, sorbiloj, papero, rubandetoj, fadenoj, kudriloj...

Elektu el-inter vi kolegojn, kiuj venigos ĉiujn-ĉi objektojn el la urbo. Poste kolegojn, kiuj vendos la objektojn al vi en la butiketo. Fine tiujn, kiuj kalkulos kaj gvidos la librojn.

Ĝi ja estos plej vera butiko kaj en ĝi veraj varoj kaj vera mono. Devas do esti ankaŭ veraj kalkuloj, ke estu vera ordo en ĉio. Ĝi estos ludo ne por amuziĝi...

Vi okazigos kunvenojn. Kiel plenaĝuloj. Kaj — kion

vi dum viaj kunvenoj komune decidos, tion skribos unu el vi por memoro al ĉiuj. La de vi elektitaj devos labori.

Se via butiko donos profiton, vi faros kun ĝi kion vi volos. Aŭ vi uzos ĝin por viaj komunaj bezonoj, aŭ donacos ĝin por ia bona celo. Ĉar ĝi estos komuna enspezo.

*

— Kaj nun — respondu al mi: Ĉu vi volas havi ĉion-ĉi?

Ĉu vi volas ludi je ĉio-ĉi — Parolu! Mi aŭskultas.

— Ni volas! Ni tre volas!

— Bonege! Morgaŭ ni komencos!

— Perfekte! Perfekte!

— Ne tiel laŭte, infanoj, silente! — Mi ankoraŭ ne finis...

Do, kiu volas, venu morgaŭ posttagmeze tien-ĉi — en la lernejon.

— Ni ĉiuj venos! ĉiuj!

— Ju pli multe, des pli bone. Sed — memoru: mi devigas absolute neniun. Ĝi estas ludo nur por plezuro. Kiu ne volas, ne estas devigata veni. Kaj — kiu komencos la kunvenadon, sed baldaŭ enuiĝos, tiun ni ankaŭ ne haltigos. Mi ripetas: ĝi estas ludo nur por plezuro.

*

— Sinjoro instruisto, — kiel nomiĝas tiu ludo?

— Kooperativo.

— Kooperativo? Mi pensis, ke kooperativo estas butiko, ne ludo.

— Ĉar ci estas ankoraŭ nazmukulo ...Por vi via kooperativo estos la plej agrabla ludo... Do — morgaŭ ni komencas!

— Ni komencas! Ni komencas!

## NI KOMENCAS.

Kia amas' da popolo!

Vere la tuta lernejĉambro estis plen-plenigita per infanaro de ĉiuj klasoj. Kunpuŝo kvazaŭ en provinca preĝejo dum indulgenc-festo.

Nur stultulo povus esti ne veninta je tia ludo.

— Do, ni komencas, — diras la instruisto. — Komence ni devas scii, kiu partoprenos la ludon.

— Ĉiuj! Ĉiuj!

— Ĉiuj — sed tio ne ĉion klarigas. Ni devas ekzakte scii, kiu ludas. Dum ludo devas regi ordo. Alie rezultos nenio.

*

Jen kvar paperfolioj. Ĝuste po unu por ĉiu vico de benkoj. Ĉiu el vi, kiu deziras ludi je kooperativo, devas enskribi laŭvice sian nomon, antaŭnomon kaj klason.

Kiuj ne trovis plu lokon sur benkoj kaj staras en pasejo aŭ ĉe l'muroj, enskribiĝu sur la folioj, kuŝan-

taj sur la tablo de l'dekstra kaj maldekstra flanko. Aliru kaj enskribiĝu.

Vigle! Domaĝas perdi tempon. Skribu legeble. Sen makuloj.

*

— Cent tridek unu personoj! — Tiom, kiom da infanoj en la lernejo, — anoncis la instruisto post kunkalkulo de enskriboj sur la folioj. Mi treĝojas.

Kaj nun — vi devas decidi: de kio vi komencas la ludon. Parolu!

— Pilko!... Maŝino!... Boato!... Ĝardeneto!... Kokejo!... Meblofarejo!... Pilko!...

— Ne tiom laŭte! silente!... Kia kriego. Tiel kriante, ni ne havos ordon. Silento!!!

La infanaro silentiĝis.

— Ke tiom multaj el vi volas paroli, estas bone. Sed, ke vi parolas ĉiuj kune, estas malbone, ĉar ĉiu krias kiel eble plej laŭte, por superkrii aliajn. Tia kriado fariĝas vera infero...

Tamen ni devas atingi ordon... sed — kiamaniere?

*

— Jen — elektu el-inter vi iun, kiu permesos al vi laŭvice paroli. Tiam ĉiu, deziranta ion diri, levos silente nur supren la manon — kaj li estos enskribita por paroli. Kiam venos lia vico, oni vokos lin ke li parolu. Tiam aliaj devas jam silenti kaj aŭskulti. Ĉu vi konsentas je tia ordo?

— Jes, jes, bone — ni konsentas!

— Do mi konsilas al vi, ke vi elektu por tiu permesdonado Antonĉjon Dymek. Li scipovos tion fari. Ĉu vi volas Antonĉjon? Eble vi deziras iun alian? Diru senĝene! Vi elektos, kiun vi deziras.

— Estu Antonĉjo! Bone! Ni volas Antonĉjon!

(Kaj — ĉu vi scias, miaj junaj Legantoj, kiu estas Antonĉjo? Li estas la sama petolulo, kiu imitadis kamentubiston sur tegmento. La sama stratbubĉjo ĝis nun. Nur iom li elkreskis, fortiĝis kaj petolulas ankoraŭ pli).

— Nu — Antonĉjo, oni elektis cin kiel prezidanto de kunveno. Sidiĝu, fratulo, tie-ĉi ĉe la tablo. Jen papero kaj krajono. Rigardu atente la tutan klason kaj enskribu laŭvice tiujn, kiuj levos la manon. Mi helpos cin komence... Do, demandu: kiu volas enskribiĝi por paroli?

Antonĉjo, la pleja stratbubo en la tuta lernejo, eĉ ruĝiĝis pro granda kontento, ĵetis rapide akran rigardon sur la tutan kunpuŝitan infanaron kaj ekkriegis per plena brusto:

— Hej! kiu volas enskribiĝi por paroli — suprenlevu la manon!

Apenaŭ kelkaj manoj leviĝis, malgraŭ tio ke antaŭe ĉiuj kriadis. Ĉar — laŭtkrii ĉiu scipovas, sed paroli laŭvice nur tiu, kiu havas ion por diri.

## DE KIO KOMENCI?

Ĉiu el la parolantaj infanoj volis komenci per io alia. La instruisto aŭskultis atente. De tempo al tempo li ekridetis, iafoje li enskribadis ion en sian notlibron. Fine, kiam la infanoj jam sufiĉe parolis, li ankaŭ enskribiĝis por paroli.

— Ĉiu el vi — li diras, volas ion alian... Kion do ni devas fari? Ĉu nia ludo devas esti tute senrezulta? Eble estos pli bone ne komenci ĝin?

— Ne, — kontraŭe!

— Mi donos al vi konsilon: konsideru laŭvice, kion vi povas jam nun fari. Tiam vi interkompreniĝos facile. Bone?

— Agordite!

— Ĉu vi permesos, ke mi parolu la unua?

— Ni petas! Parolu, sinjoro!

*

Do, ni komencas. — Pripensu:

Ĉu vi povas hodiaŭ aĉeti por vi pied-pilkon? Konsideru, ke tio kostas multe, kaj vi ne havas monon. — Por kio do vi aĉetos ĝin?... Do, dume tiu plano ne taŭgas.

Kudromaŝino? Meblofarejo? Boato? — Ili kostas ankoraŭ pli ol pilko. Multe, multe pli. Vi ne povas aĉeti tion nun.

La ĝardeneto? — Alproksimiĝas vintro. Pri ĝardeneto ni pensos poste.

Glitŝuoj? Glitveturiloj? — Ho, tio baldaŭ utilus al vi — ho ho! Sed denove: mankas mono. Kaj sen mono — vi nenion ricevos. Do ankaŭ tio estas nun vana ideo.

*

La infanoj malsuprenklinis la kapojn kaj nazojn.

— Nenio de tio kaj nenio de ĉi-tio... Kiacele do sinjoro instruisto turnumis al ni la kapojn?... Tiom da espero kaj nebezona ĝojo...

Al ne unu „azenuleto“ de la unua klaso eĉ larmoj en la okuloj ekbrilas pro tiu ĉagreno.

*

Nu, infanoj! Kapetoj supren! Okulojn kaj nazojn viŝeti — se ili estas malsekaj. Ne indas plori: vi havos kaj vi faros ĉion-ĉi.

Nur — ne tuj. Diras ja malnova proverbo: ne tuje oni konstruis Krakovon...

Mi konsilas al vi komenci per — butiketo.

Vi vidos, kiel agrable estas ludi je kooperativa butiko. Kiom da laboro! Ĉiu el vi povos tie ion fari. Vi certe ĉiuj aĉetados tie. Ĉe si, en propra butiko!

— Sed por butiko ni ankaŭ ne havas monon!—ekkriis malespere eta knabino de la unua klaso, rigardante sinjoron la instruiston per larmigitaj okulĉjoj.

— Por butiketo vi ricevos monon. Ĝi estas ludo tute serioza. Pro tio viaj gepatroj promesis al mi, ke ili helpos vin.

La infanoj ĝoje eklevis la kapojn.

---

## KIAL ĈIO KOSTAS TIEL MULTE?

Vi estas ankoraŭ etuloj, — daŭrigis la instruisto, — sed pripensu, kiom multe da elpezoj vi jam kaŭzas al viaj gepatroj.

Kiom da vestoj kaj botoj, kiom da tolaĵo, da manĝaĵo! Kaj ĉio-ĉi ne falas el ĉielo.

Krom tio — vi lernas en lernejo. Do: libroj, kajeroj, ŝtalplumoj, inko, frot-gumoj, sorbopaperoj... Mi ne kalkulos ĉion. Kaj por ĉio oni devas pagi.

— Jes, tre multe oni devas pagi, multege!

Do aŭskultu:

*

Ĉiu aĵo por vi aĉetita — ĉu papero aŭ inko, gumeto aŭ io alia, ne venas senpere post fabrikado al vi.

Ho, ĝi devas longe migri, antaŭ ol vi aĉetos ĝin! Dum tiu sia migrado ĝi fariĝas ĉiam pli multekosta.

— Kiamaniere papero aŭ inko povas migradi? — miris la plej junaj infanoj.

— Vi volas scii? Bone! Mi rakontos al vi, kiamaniere la papero migras kaj plikariĝas.

*

En fabriko oni faris paperon. La pli bonan el uzitaj ĉifonoj, la malpli bonan — el ligno.

Alveturis al la fabriko komercisto el granda urbo kaj mendis por si plenan vagonon da papero.

— Plenan vagonon?! Por kio li bezonas tiom da papero?

— Por li mem tiu papero tute ne estas bezona. Li aĉetis — por poste vendi ĝin, sed por pli alta prezo; por preni pli multe da mono, ol li mem pagis; por gajni.

Al ĉi-tiu unua komercisto venas dua komercisto kaj aĉetas kvaronon de l'vagono. Sed la unua komercisto igis lin pagi por tiu papero pli multe, ol li mem pagis en fabriko.

Al la dua komercisto alveturis tria komercisto de nia distrikta urbo kaj aĉetis grandan pakon da papero. Sed la dua komercisto havis ĉe tio ankaŭ sian gajnon. Ĉar li prenis de la tria komercisto por la pako de l'papero pli ol li mem pagis al la unua.

Al la tria komercisto venas ia kvara — butikisto de nia vilaĝo — kaj aĉetas dudek rismojn da papero. La tria komercisto gajnis ankaŭ, ĉar li prenis de nia butikisto por tiuj dudek rismoj pli multe da mono ol li mem pagis al la dua komercisto.

Kaj — al butikisto alvenas ni ĉiuj: mi kaj vi, li kaj ŝi. Ĉar ĉiu el ni bezonas paperon.

Ci aĉetis tri foliojn, mi — dek, li — unu, kaj ŝi — du foliojn.

La butikisto gajnas ankaŭ. Vendante paperon al ni, li prenas por folio pli multe, ol li mem pagis al la tria komercisto:

Ĉu vi komprenis?

— Jes, ni komprenas!

*

Do, unu folio da papero plej multe kostas ĉe la butikisto; jam malpli kare ĉe la tria komercisto, ankoraŭ pli malmulte ĉe la dua, poste ankoraŭ malpli multe ĉe la unua kaj — plej malmulte — en la fabriko mem.

—Sinjoro!...

— Kion ci volas diri?

— Do oni devas aĉeti la paperon en fabriko!

— Ci tute pravas. Ĵus pri tio ni tuj volas paroli.

*

Ĉu — se mi bezonas unu folion da papero, aŭ eĉ dek foliojn, mi devas jam veturi por ĝi al la fabriko?

Aŭ eble indas mendi ĝin letere kaj sendi monon, por ke la fabriko sendu al mi unu folion da papero en koverto? Ĉu ne? Diru!

Ĝi estus tre stulte! ekkriis unu el la knaboj. Pli kostus la klopodoj ol la papero mem. Pli malmultekoste oni povas aĉeti ĉe la butikisto mem.

— Tute prave. Sed — diru: kion ni devas fari, por ne tropagi al la butikisto nek al aliaj komercistoj, el kiu ĉiu plialtigas prezon de l'papero? Konsilu.

---

## ONI DEVAS FONDI KOMUNAN BUTIKON.

— Ni ĉiuj devas kolekti kune monon kaj sendi tiun monon al la fabriko, ke ĝi sendu por ni ĉiuj multe da papero, — rimarkis Antonĉjo — la prezidanto.

— Tre bone ci diris. Nur oni devas memori, ke la fabrikoj vendas nur multkvante: je vagonoj aŭ almenaŭ je grandegaj pakoj. Dume ni, eĉ se ni dezirus aĉeti paperon por la tuta jaro, — ja ne bezonas tiom. De l'fabriko ni do — bedaŭrinde momente ne aĉetados. Sed ci bone diris: ni devas kune aĉeti grandan kvanton por komuna mono.

Ni provos aĉeti ĉe la unua komercisto. Se ne — ĉe la dua. En plej malbona okazo — ĉe la tria. Ĉiam ĝi estos pli malkare ol ĉe la butikisto.

— Certe pli malkare!

*

Ni parolis pri la papero. Sed la samon ni povas diri pri aliaj aĵoj, bezonataj de ni ĉe la lernado: pri kajeroj, krajonoj, plumoj, frot-gumoj. Same ni povus ĉion-ĉi

aĉeti ne ĉe la butikisto en via vilaĝo, sed tie, kie oni povas ricevi tion pli malmultekoste.

Sed — por tio ni devas havi komunan monon kaj fondi komunan butikon, en kiu ni mem ĉe ni mem aĉetos la varojn, kiujn ni per komunaj fortoj je pli malalta prezo venigis al ni.

Oni devas ankaŭ el-inter ni elekti personojn, kiuj venigos la komercaĵon, konservos, taksos kaj vendos ĝin, fine — kiuj gvidos la kalkulojn kaj librojn.

Ĉi-tie estas multe da laboro, ĉar ĝi estas ludo tute serioza, sen ŝercoj.

Nu — infanoj! Kiu el vi volas ludi je tia komuna butiketo?

—Mi!... Mi!... Ĉiuj!...Mi!... Mi!... Ĉiuj!...Ĉiuj!...

*

— Denove vi kriegas?

Antonĉjo! — silentigu do la infanaron. Ja tiucele ci estas prezidanto. Kaj poste diru al ĉiuj, ke la volontuloj levu la manon.

— Ha, ĉu vi silentiĝos?! Ekkriis Antonĉjo per tiel laŭta voĉo, ke en la klaso tuj ekregis silento.

— Aŭskultu! Kiu deziras ludi je komuna butiketo, laŭ la klarigo de sinjoro instruisto, levu la manon!

Tuta arbaro da infanaj manetoj leviĝis supren.

*

La instruisto ankaŭ suprenlevis sian manon.

— Vi ankaŭ ludos kune kun ni? Vere? Ho, kiel ni ĝojas!

— Ĉu do mi ne bezonas ankaŭ paperon? aŭ plumon? aŭ inkon? Kial mi ne devus ludi kune kun vi? Ĝi ja estas ludo tute serioza!

*

Kaj nun, Antonĉjo, demandu: Ĉu eble estas infanoj, kiuj ne volas ludi je butiketo? Se jes, ili levu la manon.

— Tiaj malsaĝuloj ne ekzistas, sinjoro!

— Sed, laŭ ordo, demandu.

— Aŭdu! Kiu ne volas ludi je butiketo, suprenlevu la manon. Leviĝis nek unu maneto.

— Ha, ĉu mi ne diris? — malsaĝuloj ne ekzistas! — ĝojis Antonĉjo.

— Do, unuanime ni ĉiuj decidis, ke ni komencas la ludon per fondo de kooperativa butiketo. Tia estas la volo de ĉiuj.

*

Nun oni devas tion enskribi por memoro. Mi konsilas al vi elekti por tiu tasko Marinjon Krasowska'n. Ŝi bele skribas kaj ŝatas ordon. Ĉu vi volas Marinjon? Eble vi preferas iun alian? diru senĝene. Elektu tiun kiun vi volas.

— Estu Marinjo. Ni elektas Marinjon! Marinjon!

— Venu tien-ĉi, Marinjo! Oni elektis cin kiel sekretariino. Mi poste instruos al ci, kion kaj kiel ci devas

ĉion protokoli. Nun prenu nur tiujn ses foliojn, sur kiuj ni skribis niajn nomojn por la ludo. Ci konservu kaj gardu ilin kiel propran okulon en la kapo! Mi donos al ci tie-ĉi en lernejo apartan tirkeston, kie ci kunmetos ĉian tian paperaron.

Marinjo eĉ radias pro ĝojo. Ho! ŝi estos bona sekretariino!

Vi jam certe konjektas, karaj Legantoj, kiu estas Marinjo? — Ĝi estas la sama knabineto, kiun iam volis formanĝi la bovino. Nune ŝi estas jam granda kaj scias, ke bovinoj ne manĝas infanojn. Sed sian nazeton, same kiel antaŭe, ŝi ĉien enŝovas.

———

## NI KOMENCOS PER BUTIKO KAJ ATINGOS ĈION.

Kaj nun, pripensu — parolis la instruisto: — Por nia butiketo ni aĉetos ĉion multe pli malmutekoste, ol vendas la komercisto en nia vilaĝo. Iajn varojn eble eĉ duone pli malkare.

Kaj se ni vendos al ni mem ĉion iom pli kare ol ni aĉetis? — Nemulte — sed iom pli kare?

— Tiam nia butiketo havos profiton! — ekkriis Bolĉjo.

— Prave. De ĉiu vendita gumeto, de ĉiu krajono, de ĉiu kajero — profiteto.

Vi estas tie-ĉi kune 137 personoj, kun mi 138. Multego da popolo! Ĉiu aĉetu nur iom, — fariĝos jam multe.

— Kaj la butiko havos grandan gajnon! — ekkomprenis la infanoj.

*

Jes, la enspezo povas esti vere tre granda. Sed — kion ni faros kun la gajnita mono? Parolu!

— Tion, kion ni komune decidos! Ĉar ĝi estos komuna enspezo, — diris Marinjo.

— Bone ci diras. — Tiam vi jam havos monon por aĉeti piedpilkon kaj maŝinon, boaton kaj meblofarejon; vi estos povaj aranĝi Kristarbon kaj fari multe da aliaj agrablaj aĵoj.

— Ĉion! Ĉion ni faros por ni! Ho, kia agrabla, bela ludo ĝi estas! laŭtvoĉis — manfrapante — la ravita infanaro.

*

La instruisto ĵetis rigardon sur horloĝon.

— Estas malfrue. Ni ludas jam du horojn. Sufiĉas por hodiaŭ. Antonĉjo, diru al la infanoj, ke ci fermas la kunvenon kaj ke ili povas disiri. Sed morgaŭ ili revenu je la sama horo. Ni plue ludos.

— Silento! Aŭskultu! Mi fermas la kunvenon! Vi povas foriri! Morgaŭ ni revenos je la sama horo por ludi, ekkriis la kunvenestro.

— Oni ne devas tiel krii, Antonĉjo! Se ci dirus tion pli mallaŭte, oni ankaŭ aŭdus cin.

*

La infanoj diskuris en la hejmojn, rakontante mirindaĵojn pri la ludo.

La gepatroj aŭskultis kontente, kun favora rideto. Ĉar la instruisto jam antaŭe ĉion kun ili priparolis.

Sekvantan tagon, irante ludi, ĉiu infano alportis po

unu zloto, kiun ĝi ricevis de l'patro aŭ de l'patrino por la komuna lerneja butiketo.

---

## SE LUDI — DO LUDI!

Tiamaniere komenciĝis la ludo.

Entuziasmo ekregis inter knaboj kaj la knabinoj. Se iu havas nur momenton liberan — tuj li ludas je — kooperativo.

Oni forgesis pri petolaĵoj kaj stratbubaĵoj. Knabinoj flankenmetis pupojn, la knaboj ĉesis ludi je veturigistoj, soldatoj kaj konduktoroj.

— Fi! Ĝi estas ne por ni! — diradis la lerneja infanaro.

— Je soldatoj kaj veturigistoj ludu malgrandaj infanoj, kiuj ankoraŭ ne vizitas lernejon! Sed ni? — Kiucele ni devus ludi ŝerce, se ni havas tute seriozan ludon, ne por ŝerci! Ni ludas nur je kooperativo!

Se ludi — do, ludi!

*

Mi ne rakontos, kiel oni ludis, ĉar mi devus skribi tre dikan libron.

Tio ne plu estas necesa: tia libro jam ekzistas. Bela libro kun bildoj. Ĝia titolo: „*Kooperativoj en lernejo*" Perfekta libro.

Kiu el vi deziras tralegi ĝin, ricevos ĝin certe en la lernejo de l'instruisto aŭ instruistino.

Mi konsilas legi ĝin nur al tiuj petoluloj, kiuj emas persisti ĉe ludo tute serioza. Sentaŭguloj ŝatantaj lu-

don nur por ŝerci, ne petu al instruisto tiun libron, ĉar ĝi estos por ili tro saĝa.

---

## BELEGA SUKCESO!

Kie troviĝas tiom da fervoruloj kaj tia entuziasmo, tie ludo je kooperativo devas nepre sukcesi.

Tial ĉio belege sukcesis!



Jam por la Kristnaska Festo la kooperativo organizis Kristarbeton en la lernejo.

La vilaĝestro liveris el arbaro belan, grandan, verdan abio-arbeton. Altan ĝis plafono.

Kaj se vi scius, kiel la infanaro bele ornamis sian Kristarbon! Kiom da brilantaĵoj sur ĝi! da ludiloj! da frandaĵoj! Ĉio mendita aŭ de Varsovio, aŭ farita per la infanoj mem. Jen kandeloj! Jen malvarmaj fajroj, kiuj tute ne brulas, sed nur disĵetas tiajn beletajn fajrerojn, kvazaŭ steletoj! — Certe eĉ en ĉielo ne estas pli bele.

Sed ĝi ne estas ĉio. — La infanoj aranĝis krom tio Kristnask-teatraĵon. Estis inde rigardi: La Infaneton en trogeto, la Dipatrinon, Sanktan Jozefon, la reĝon Herodon — tiel kruela, barbula, terura! — Kaj la nigra diablo, kun kornoj kaj vosto — senĉese svingis sian forkegon, timigis Herodon kaj la etulojn. Poste — paŝtistoj, diversaj homoj — komercisto kaj aliaj originalaĵoj! Al ĉiuj la Kristnask-teatraĵo tre plaĉis.

Sinjoro instruisto imitis sanktan Nikolaon. Li havis longan grizan barbon. Li vagadis senĉese kun granda korbo, elprenadis de ĝi frandaĵojn kaj disdonadis ilin al ĉiuj: al infanoj kaj al plenaĝuloj. Al unu — bombonon, al alia — pomon, al tiu-ĉi mielkukon kaj al tiu figon. Ne tiun „figon", kiun montras al si malĝentilaj infanoj, sed tiun veran, dolĉan, por manĝi.

Kiom da ĝojo por ĉiuj!

*

Proksimiĝas printempo.

La infanoj venigis semojn senpere de Varsovio. Ili fosas en la ĝardeno, kunportas sterkon, ke eĉ vera ĝardenisto ne scipovus pli bone.

Ho, ho! Kiel belegaj floroj!

Tiajn florojn, depost ekzisto de l'vilaĝo, neniu vidis tie-ĉi.

Foje venis tien urba kuracisto al iu malsanulo. Kiam li ekvidis la ĝardeneton antaŭ la lernejo, li tiel ekentuziasmiĝis per la beleco de floroj, ke li haltigis la ĉevalojn, eliris el veturilo por rigardi de pli proksime.

Li rigardadis ĉirkaŭe, flaradis, admiris, turnis la kapon. Fine li prenis el poŝo notlibron kaj notis, de kie oni venigis la semojn.

La infanoj ĝojegis, ke doktoro de l'urbo, kiu sendube vidis dum sia vivo tiom da belaĵoj, admiras ilian ĝardeneton. — Pro tio ili fortranĉis la plej belajn florojn kaj faris de ĝi grandan bukedon por la forveturanta gasto.

Kaj kiaj estis la ĝardenfragoj! Grandaj kaj dolĉaj kiel mielo!

Ĉiu, kiu nur preterpasis la lernejan ĝardeneton, ĉiam ekhaltis je momento, por iomete rigardi al la belaj floroj kaj al la ĉiam formike laboremaj infanoj.

Jam la venontan printempon la tuta vilaĝo plantis laŭ ilia ekzemplo antaŭ la fenestroj de siaj dometoj same belajn florojn.

*

Jam post unu jaro de sia ekzisto la kooperativo aĉetis aŭtune kelkparojn da glitiloj kaj da glitveturiloj por malsuprengliti de l'montetoj.

Iom post iom la infanoj faris kaj havis en sia kooperativo ĉion, pri kio komence parolis al ili la instruisto.

Kaj ne nur tion, sed ankoraŭ multe da aliaj tre agrablaj aĵoj. Inter ili ankaŭ la tiel longe atendatan belan radioaparaton kun laŭtigilo.

---

## GASTO DE VARSOVIO.

Ian fojon, jam post kelkaj jaroj, alveturis al la vilaĝo kaj haltiĝis en la lernejo ĉe la instruisto iu sinjoro de Varsovio mem.

Kiu divenus? — li alveturis nur tiucele, ke li povu propraokule vidi, kiamaniere la infanoj tie-ĉi ludas je kooperativo.

Tri tagojn li restis tie: observadis ĉion, demandadis pri ĉio kaj konstante enskribadis ion en dikan kajeron.

Ankaŭ fotograf-aparaton li havis ĉe si. Do li faris kelkajn fotografaĵojn. Eĉ la grandan pupon, kiun siatempe kune aĉetis kaj vestigis la knabinoj, li fotografis.
radioaparaton kun laŭtigilo.

*

Forpasis eble monato aŭ eble malpli depost la forveturo de tiu sinjoro. Unumomente, dum la lecionoj, la instruisto disdonis al ĉiu infano po unu ekzemplero de la gazeteto „Kunlaboro“.

— Rigardu nur, bubĉjoj, kiaj bildetoj tie troviĝas!

Eksusuris la turnataj folioj.

— Pro Dio! Ĝi ja estas ni! Ĝi estas do nia kooperativo! — eksonis gaje krioj de diversaj flankoj de l'klaso.

La instruisto ne interrompis ilin. Ili ĝoju laŭte. Ili meritis tion.

— Rigardu: nia butiketo!... Kaj jen — ĝardeneto!... Jen Hanjo kun la pupo sur manoj!... Kaj jen la knaboj ludas pilkon!... Ĉi-tie Sofinjo kudras je maŝino!... Kaj tie-ĉi Vojĉjo, Stefĉjo kaj Bolĉjo laboras en la metiejo!... Kaj jen — rigardu — ni ĉiuj kun sinjoro la instruisto en la mezo! Kaj jen — mi! Rigardu: mi — en gazeto!... Mi ankaŭ! Mi ankaŭ!...

Kiam la infanoj jam plenĝojis pro la bildetoj, la instruisto diris al unu el la knabinoj, kiu plej flue scipovis legi, ke ŝi laŭte, por la tuta infanaro tralegu, kion la gazeteto pri ili skribas.

*

La sinjoro, kiu ilin vizitis, rakontis en la gazeto, kion nur li vidis tie-ĉi. Li tre laŭdis ilin. Fine le skribis jene:

„Feliĉaj estas gepatroj, kiuj havas tiajn infanojn. Feliĉa la instruisto, ke li havas tiajn lernantojn. Feliĉa estos Polujo, kiam ĉi-tiuj infanoj plenkreskos. Fine — kiel feliĉaj estas la infanoj mem, jam hodiaŭ, se ili tiel bele kaj agrable scias ludi je tia kooperativo.

„Mi skribas pri ili en „Kunlaboro“ kaj donas fotojn de iliaj ludoj, por instigi ankaŭ aliajn infanojn en la diversaj lernejoj al tiu ludo.

„Kaj — ĉar infanoj estas ne nur en Polujo, sed en la tuta mondo, do — la artikolo estis tradukita en lingvon internacian kaj sendita — kune kun la bildetoj — al instruistoj - kooperativanoj de multaj aliaj landoj, kiuj tradukis ĝin ĉiu en sian nacian lingvon — kaj jen — mi ricevis de ili mian korespondaĵon presitan en kooperativaj eksterlandaj gazetoj en lingvoj: angla, franca, germana, itala, japana, rusa, dana, finnlanda kaj mul-

taj aliaj. Prenu bonan ekzemplon de niaj polaj infanoj la infanaro de la tuta mondo“.

*

Kiom da ĝojo plenigis la hejmojn, kiam la etaj gebubĉjoj, reveninte de l‘lernejo, montris al la gepatroj „Kunlaboron“.

Komence oni avide rigardis la bildetojn, ekkonante sur ili ĉiun fotografitan infanon. Poste oni kelkfoje legis la artikolon.

— Longe kaj feliĉe vivu nia instruisto! Jen lia verko. Li ja instigis niajn stratbubojn, la plej malbonajn petolulojn de la tuta distrikto, al ludo je kooperativo!

—————

## FIERA FRANĈJO KAJ KATRINJO - ORFINO.

Kia devas esti la kotizo en lerneja kooperativo?

Oni ne povas fiksi ĝin tro alte, ĉar la gepatroj estas malriĉaj. Sed — aliflanke — per tre etaj kotizoj oni ne kolektos sufiĉe da mono por aĉeti la plej necesan varon por la butiketo.

Longe intertraktis tiun problemon la infanaro.

Fine oni decidis ĉe la unua ĝenerala kunveno, ke la kotizo ne devas esti malpli granda ol unu zloto.

Stasinjo, elektita kiel kasistino, komencis akcepti la kotizojn.

La plimulto de knaboj kaj knabinoj enpagis po unu zloto.

Troviĝis kelkaj, kiuj delonge jam ŝparis, por kolekti tiun sumon. Groŝon al groŝo. Kaj nun ili povis enpagi po unu kaj duono, du aŭ eĉ tri zlotoj. Ĉi-lastaj estis tamen nur kelkaj.

Kontraŭe — multaj infanoj alportis nur po kvindek aŭ eĉ po dudek groŝoj. Kion fari: ili ne ricevis hejme pli. Tia kriza tempo. Ĉiuj senlaboraj. Kaj — se la patro ne perlaboras, la patrino ne povas doni monon por pagi la kotizon en kooperativo.

*

Ekimponis al la tuta infanaro Francjo, filo de komercisto: li alportis eĉ dudek zlotojn. Kiam Stasinjo-la kasistino emocie finskribis al Francjo la kvitancon je tia alta sumo, Francjo, kontenta pro l'impreso, diris al Stasinjo kvazaŭ indiferente:

— Pro kio ci miras? — Bagatelo — 20 zlotojn. Se mi estus petinta mian paĉjon eĉ je kvindek zlotoj, certe mi estus ricevinta tiom. La patro ĉiam donas al mi kiom mi deziras. Sed mi ne petis pli multe. Sufiĉas eĉ troe la dudek zlotoj. Ja neniu el vi donos eĉ duonon de tiu sumo.

Preninte kvitancon, li enigis la manojn en la poŝojn, kalkanturnis kaj foriris fajfetante.

*

Fierega pro sia granda kotizo, Francjo ĉiumomente atakis iun de gelernantoj, demandante, kiom li aŭ ŝi donis al la kooperativo.

— Kian kotizon ci havas — Katrinjo? li ekdemandis unu malfortan, palan knabineton, tirante ŝin je blonda harligeto.

— Mi nenion havas, — respondis mallaŭte Katrinjo.

— Kaj mi havas dudek zlotojn!

— Ĉar cia patro estas riĉa kaj mi estas orfino — do neniu donas al mi monon.

— Ha! ci vidas, — mia paĉjo estas riĉa, mi havas dudek zlotojn da kotizo kaj ci — nenion.

Katrinjo foriris, nenion dirante.

Aliaj infanoj vidis kaj aŭdis ĉion-ĉi. Ege al ili tio malplaĉis, ĉar Katrinjo havis larmojn en okuloj.

*

Do oni kunvokis estraron de l'kooperativo, priparolis la tutan aferon kaj decidis:

Unue — redoni al Franĉjo dek-naŭ zlotojn de lia kotizo, ke li ne havu pli ol aliaj kaj ne povu pro tio fieriĝi.

Due — proponi al Katrinjo, ke ŝi sabate post-tagmeze venu al la lernejo kaj lavu en la ejo de l'kooperativo la plankon kaj fenestron, purigu la murojn de polvo kaj




faru ĝenerale en tiu ĉambreto ordon; por tiu laboro rekompenci Katrinjon per pago de unu zloto kaj enskribi tiun sumon kiel ŝian kotizon en la kooperativo.

*

Francjo klinis la nazon, kiam li vidis, ke la infanaro bagateligas lian monon.

Dume Katrinj'-la orfineto, kiu dekomence volis aparteni al kooperativo, sed ne havis monon por pagi la kotizon, — estis feliĉigita.

Kiam la protektantino de l'kooperativo eksciis pri tio, ŝi diris, ke la infanoj faris bone.

Kaj ŝi rimarkis, ke la kotizo de Katrinjo estas la plej valora, ĉar ŝi mem per propra laboro akiris ĝin.

————

## LA PELTETO.

Jam depost du tagoj Henriĉjo, lernanto de 6-a klaso, ne vizitas lernejon.

Kio fariĝas kun li — pensas kaj maltrankviliĝas la instruisto kaj la infanoj.

Fine venis la patrino de Henriĉjo.

Ŝi ploras. Ŝi rakontas, ke la knabo, ne havante varman kapoteton, malvarmumis kaj kuŝas malsana en febro. Li tre malgrasiĝis kaj malfortiĝis. Zorgas pri li kuracisto de Malsanul-Kaso.

La doktoro diras, ke la knabo havas pulm-inflamon kaj ke ĝi estas malsano danĝera por vivo.

*

La tuta lernejo kompatis Henriĉjon. Konis kaj ŝatis lin ĉiuj.

Li estis ŝatata pro sia bona karaktero, mildeco kaj helpemo. Li ne suprenlevadis nazon, kvankam li bone lernis. Li ne ŝajnigis esti sanktulo kaj ĉe ludoj li estis neanstataŭebla. Ankaŭ li ne estis flatulo. Forta kaj

plikreskinta ol ĝecus laŭ aĝo, Henriĉjo neniun traktis maljuste; kontraŭe — li defendis la pli junajn kaj malpli fortajn kolegojn, kiam li vidis, ke oni al ili faras maljuston. Precipe ŝatis lin la „azenĉjuloj“ de la unua klaso, kiuj — se minacis al ili pli aĝaj knaboj — ĉiam trovis en li sian defendanton.

Konis Henriĉjon ĉiuj, ĉar li laboris en la lernejkooperativo depost ĝia fondo. Li funkciis tie laŭvice kiel helpa komizo, poste — komizo, kasisto, sekretario kaj ekonomia mastro; laste oni elektis lin en konsilantaron. Kiamaniere oni povus ne koni tian ulon!

*

Ĉiutage — matene antaŭ la lecionoj kaj poste — post la lecionoj antaŭ la tagmanĝo, la infanoj vizitadis la patrinon de Henriĉjo por ekscii kiel li fartas.

Post semajno alvenis krizo de malsano. Henriko komencis resaniĝi.

La kuracisto permesis al infanoj viziti la malsanulon. Ili vizitadis lin konstante kaj rakontadis pri novaĵoj en lernejo. Interesajn librojn ili alportis al li por legi, gratulfoliojn pro resaniĝado artiste pentritajn, eksterlandajn poŝtmarkojn. De tempo al tempo eĉ oranĝojn, bombonojn, ĉokoladon, nuksojn, kukojn kaj aliajn frandaĵojn, kiujn nur ili povis aĉeti per siaj groŝoj.

*

Henriĉjo rapide resaniĝadis. Li forlasis jam la liton kaj iom marŝis en la ĉambro. Li komencis eĉ lerni. Sed ĉio hejme.

Ĉar la kuracisto severe malpermesis al li eliri el la ĉambro.

Ci ne havas varman pelteton, do ci povas facile re-malvarmumi. Kaj post cia malsano ĝi estas tre danĝere. Tiam ni ne plu povus savi cian vivon. Do, atentu severe, mia knabo, ne forlasu eĉ por momento la loĝejon, ĝis alvenos pli varma tempo.

*

Tia restado de Henriĉjo en la ĉambro tre ĉagrenigis lian patrinon.

Ĝis fino de l'vintro li ne vizitos lernejon. Longega tempo! Multe li perdos pro tio. Li lernas hejme — jes — estas vero. Sed ĉiam alia estas la lernado en la lernejo sub gvido de l'instruisto.

Tamen — kion fari, se malestas mono por aĉeti varman pelteton.

Oni devas scii, ke la patrino de Henriĉjo estis vidvino kaj, — kvankam ŝi laboras la tutan tagon — ŝi perlaboras tre malmulte. Ŝi apenaŭ ligis finon kun fino. Ne ĉiam estis mono por manĝi, por hejti en la forno. Kiel do oni povus sonĝi pri palteto!

Jam tia estas la sort' de malriĉuloj.

*

Henriĉjo ĉagreniĝis ankaŭ.

Ĉu do estas agrable daŭre sidi inter la kvar muroj de mallarĝa loĝejo? — Tute ne. Dian mondon li ne vidas, nek sunon, — movadon li ne ĝuas.

Krom tio — li sopiras jam je lernejo.

Eble ne tiom je la lernado mem, sed je la gaja vivo de l'lerneja infanaro kaj je la kooperativo. Pri kooperativo li ofte pensis kaj konstante demandis pri ĝi kolegojn lin vizitantajn.

Malgraŭ tio Henriĉjo komprenis, ke li devas sidi hejme, ĉar varma palteto ne defalas al li el ĉielo.

Kaj tamen...

*

Iun tagon antaŭ vespero iu ekfrapis al lia loĝejo.

La patrino malfermis: eniris nekonata knabo kun granda pakaĵo. Li diris la famili- kaj antaŭnomon de Henriĉjo, transdonis por li la pakaĵon, petis je kvitanco sur la alportita karteto kaj — ricevinte ĝin — foriris.

La patrino nenion komprenis.

Kia pakaĵo por Henriĉjo? De kie? De kiu?... Tamen sendube por Henriĉjo, ĉar la knabo klare diris lian famili- kaj antaŭnomon.

*

Tremante pro emocio, ŝi komencis disligi la paketon, kaj jen — montriĝis al ŝiaj okuloj belega ŝafa pelteto!

Kia bela pelteto! Kiel bele brodita laŭ montarana stilo de Zakopane! Kaj kia densa lano!

Sed de kiu? — Nesciate... En la pakaĵo krom la pelteto troviĝis nenio.

Ŝi enkuris kun la pelteto al la filo.

Henĉjo, Henĉjo, rigardu kian donacon ci havas! Iu sendis al ci pelteton! Ho kia pelteto! Vestiĝu, filĉjo, per ĝi! Vestiĝu tuj! Ni vidos, kiel bele kaj varme ci prezentiĝos en ĝi.

Henĉjo, feliĉigita, unumomente surmetis sian pelteton.

La vizaĝeto radias pro ĝojo. Li turnas sin diversflanken.

Kaj la patrino, kun larmoj de l'feliĉo en okuloj, rigardas sian tiel varme kaj bele vestitan fileton.

Eleganta!... Bone ke ĝi estas iom tro vasta — ĉar ci, Henĉjo, rapide kreskas. Tia pelteto devas sufiĉi al ci por kelkaj jaroj.

— Morgaŭ mi iros al lernejo!



— Ci iros! Ci iros, Henĉjo! Nun ci povas iri sen timo, ĉar ci jam havas ion por varme vestiĝi.

Kiom da ĝojo por unu fojo!

Nur malriĉaj homoj scipovas tiel ĝoji.

*

Sed kiu do sendis la pelteton al li?

Kiu havis tiom da kompato por la eta Henĉjo, ke li ne avaris tian sumon por tiel multekosta donaco? Ĉar — por tia pelteto oni donis certe multe da mono!...

Iu riĉulo certe faris tion! Sed kiu? Al kiu danki?

Dum la tuta vespero vane provis diveni tiun enigmon Henriĉjo kaj lia patrino, sed — ne divenis.

*

Samtempe tiuvespere ĝojis la tuta lerneja infanaro. Ĉar de ĝi estis la pelteto.

Jen la tuta historio:

Ĉiuj en la lernejo sciis, ke Henĉjo nur pro tio ne alvenas, ĉar li ne havas varman palton. Ĉiuj kompatis kaj kunsentis lin sincere.

Sed tio nenion helpis al li. Ne sufiĉas kompato kaj bedaŭroj — necesas helpo.

Do la infanoj cerbumis, kiamaniere helpi al Henriĉjo... Kaj — ili trovis rimedon.

Oni kunvokis eksterordinaran ĝeneralan kunvenon de kooperativ-membroj.

Tie unu el la knaboj elpaŝis kun bela parolado. Li rememorigis pri ĉio kion bonan Henĉjo faris por ĉiuj, laborante en kooperativo. Ankaŭ pri tio, kiel malfeliĉa li certe sentas sin nun, ne havante varman vestaĵon.

— Henriĉjo por ni ĉiuj tiom laboris. Ĉu ni ĉiuj ne volos fari ion por li? Kaj — se ni volos, ni povos. Granda aro ni ja estas!

*

Oni do decidis fari monkolekton inter si por paltero al Henĉjo.

Ĉiu infano alportis, kiom ĝi povis. Unu donis kvin groŝojn, alia dek aŭ dudek. Estis eĉ tiaj, kiuj donis po kvindek groŝoj aŭ eĉ po unu zloto!

Oni devas rimarki, ke la infanaro decidis teni ĉion en sekreto kaj ne peti monon ĉe gepatroj por tiu celo. Kaj al neniu, absolute al neniu diri eĉ vorton pri tio. Ĉiu devas oferi nur tion, kion li recevis por siaj propraj elspezoj.

Henriĉjo devas neniam ekscii, de kiu li ricevis la pelteton.

Post kelkaj tagoj kolektiĝis jam multe da mono! Oni eĉ ne supozis, ke kolektiĝos tiom.

*

Pro tio la komisiono, konsistanta el du knabinoj, du knaboj kaj la instruisto — kiel prezidanto, povis elekti kaj aĉeti la plej multekostan kaj plej belan pelteton el inter ĉiuj, kiujn oni montris al ili en la magazeno.

— Nun Henĉjo estos plej varme kaj plej bele inter ni vestita! — ĝojis la infanoj.

— Tiele devas esti — diris la ankaŭ ĝojigita instruisto, — ĉar la pelteton aĉetis por li — kooperativo.

———

## ŜI INSTRUIS PATRINON!

— Instruis bovido paŝtiston! — mokas malnova pola proverbo la flavbekajn pseŭdo-saĝulojn, kiuj, mem malmulte sciante, volas kelkfoje instrui maturajn kaj spertajn homojn.

Tamen ĝi ne signifas, ke neniam okazu, ke pli aĝaj homoj lernu ion saĝan kaj utilan de junularo aŭ eĉ de

l'infanoj. Kontraŭe — ĝi okazas ofte. Nia junularo kaj infanaro lernas ja en lernejoj kaj en siaj kooperativoj pri multaj aferoj, al iliaj gepatroj tute nekonataj.

Jen ekzemplo:

*

Halinjo, la sola filino en familio de unu oficisto, estas jam dek-tri jara kaj vizitas la kvinan klason de popola lernejo.

Ŝi estas la sama Halinjo, kiu, estinte tre eta, alifaris sian novan robon je vesteto por pupoj.

Nun Halinjo ne plu farus tion!

Ŝi lernas bone kaj laboras tre diligente en la lerneja kooperativo. Ŝi ĵus estis elektita kasistino kaj zorge tenas sian kaslibron.

*

Alproksimiĝas fino de l'monato.

La mono, kiun ŝia patrino ricevis de l'patro por hejmaj elspezoj, jam elĉerpiĝis. Restis tiom nemulte, ke certe ne sufiĉos ĝis la unua de sekvonta monato.

La patrino ĉagreniĝas kaj ploras. La patro manpremas sian kapon kaj plendas. Dume Halinjo prilaboras siajn lecionojn kaj aŭdas ĉion.

— Denove mi devos peti en la oficejo antaŭpagon. Denove en estonta monato la salajro ne sufiĉos. Kiam do fine ni elspezos nur tiom, kiom ni perlaboras!

— Mi mem ne scias, kien la mono foraperas. Ni vivas tre modeste, preskaŭ malriĉe. Ni faras neniajn pli gravajn elspezojn. Ni finuzas vestojn el pli bonaj tempoj. Por Halinjo mi alifaras miajn malnovajn robojn. Ni ne permesas al ni je ia-ajn plikosta elspezo.

Mi havas tiom da kolegoj kun pli multaj familianoj, kiuj ricevas malpli multe ol mi. Tamen ili vivas pli riĉe ol ni, kvankam ili vivtenas sin ankaŭ nur de salajro.

— Ci scias, ke mi ne misuzas monon. Sed kion mi povas fari, se cia salajro ne sufiĉas al ni eĉ por mizera vivo!...

Halinjo aŭdas tion-ĉi kaj — pripensas.

*

— Panjo?

— Kion ci volas, infano?

— Ĉu mi povas ion diri?

— Diru.

— Sed mi hontas... eble vi ofendiĝos.

— Parolu, Halinjo, mi ne ofendiĝos.

— Vi diris, ke vi mem ne scias, por kio oni eldonas ĉe ni la monon... Mi tamen, kiam nur mi prenas la kaslibron en la manon — scias tuj, por kio kaj kiam elspeziĝis ĉiu groŝo en la kooperativo.

— Kion ci volas per tio diri?

— Se vi havus ankaŭ kaslibron kaj enskribus en ĝi ĉion, kion vi ricevas de la patro, kaj kion vi elspezas,— tiam ni ĉiumomente scius, por kio ni fordonas la monon... Per tia notado vi ekscius, por kio ni elspezas tro, por kio malmulte, kaj kion ni povus tute ne aĉeti... Poste vi kune kun la paĉjo kunmetos budĝeton...

— Budĝeton? De kie ci konas tian saĝan vorton?

— Ĝi estas vorto tute simpla. Kiu laboras en kooperativo, devas scii, kio estas budĝeto. En kooperativo estas uzataj ankoraŭ aliaj vortoj, kiuj povas ŝajni tre saĝaj. Ekzemple: manko, kalkulado, bilanco. Sed ni

komprenas ilin. Por ni ili estas same simplaj kiel la vortoj domo, libro aŭ fenestro.

— Ho ci, mia saĝa, amata filineto! Mia infano unika! Do ci volas instrui sian patrinon, kiamaniere gvidi hejman kalkuladon? Ci instruos min, Halinjo?

— Mi instruos! Instruos! — krias feliĉigita Halinjo, ĉirkaŭpremante la patrinon ĉe la kolo.

*

La studo fluis bone: La patrino havis instruistinon, kiu amas instruon kaj sian lernobjekton, Halinjo havis kapablan kaj diligentan lernantinon.

Invitas en tiu tempo Halinjon ia kolegino al ludo.

— Mi ne povas veni, — respondas Halinjo, — mi havas gravan okupon.

— Kion da gravan ci faros do?

— Mi instruas al mia patrino librotenadon.

Ankaŭ la patrinon invitas gekonatoj por ia amuzvespero.

— Mi ne povas veni, — diras la patrino, — mi havas gravan okupon.

— Ĉu ni povas scii — kian?

— Mi lernas librotenadon de mia Halinjo.

Kiel ni vidas, ambaŭ estas tre fieraj pro tia instruo.

*

La patro longe nenion sciis pri tio.

Sed dum la nova monato la patrino, helpe de Halinjo elspezadis tiel singarde, ke la salajro sufiĉis ĝis fino.

— Kia miraklo! — ĝojis la patro. Jam delonge io simila ne okazis ĉe ni.

— Nenia miraklo. Nur — mi gvidas nun librotenadon.

— Librotenadon? — Kiu do instruis tion al ci?

— Nia Halinjo! Ŝi klarigis al mi, kia estas la kaŭzo, pro kiu ni ne scias, kiamaniere kaj kiucele elspeziĝas la mono. Poste ŝi proponis, ke ŝi instruos al mi la librotenadon — kaj ŝi sukcesis.

— Sed — de kie ci scias tion — Halinjo?

— Mi ja laboras en kooperativo! — respondis la knabino, — radiante pro ĝojo.

———

## EN OBSKURA DOMEGO.

Diversaj povas esti la domoj. Sed domo, en kiu loĝas Staĉjo, estas certe la plej abomena en la tuta urbo. Jam de malproksime oni vidas tiun-ĉi ruĝan, obskuran loĝej-domon.

Grandega, — ĉar eĉ kvaretaĝa. Du kortoj, malhelaj kaj malvastaj, kvazaŭ profundaj putoj. Ĉiam estas malvarme en ili; eĉ dum somera varmego. En aero multe da polvo kaj fetoraj haladzoj. Sub la piedoj — balaaĵo kaj neniam sekiĝantaj marĉaĵoj.

Mallarĝa, malhela kaj kruta ŝtuparo, eĉ nigriĝita pro malpuro.

Multo da etaj loĝejoj, — sen suno, — humidaj. Plenloĝataj per laboristara mizero. Unu ĉambro — du ĉambroj — jen la tuta loĝejo.

Kaj en ĝi nestiĝas ne malofte po ses, ok, dek aŭ eĉ pli da personoj. Malvasto, senordo, premo, krioj, malbenoj, ploro de infanoj, aero malpurigita de haladzoj.

Vera infero sur la tero.

*

Staĉjo naskiĝis en tiu domego, elkreskis en tiu infero, ludis en la koto kaj fetoro de ĉi - korteto kaj de tie vizitadis la lernejon.

Lernejo! — Alia mondo. Aliaj homoj. Ĉio alia.

Staĉjo per tuta animo alliĝis al tiu pli bona mondo.

Reveninte hejmen, li rakontadis al la gepatroj kaj al la pli juna gefrataro pri ĉio, kion li eksciis en la lernejo kaj kio tie okazis. Li rakontis kun entuziasmo. — Ĉu li povus rakonti alie? — En la lernejo estis ja ĉio hela, suna, pura, bela, saĝa, ĝentila kaj justa.

Patro kaj patrino, — homoj simplaj, neinstruitaj, ĝojis, aŭskultante la rakontojn de l'knabo.

— Lernu diligente, Staĉjo! Penu ĉion ekkoni, ĉion kompreni, por ke ci scipovu poste cian vivon pli bone aranĝi, pli feliĉe kaj pli juste ol la nia.

*

Kiam oni komencis organizi la kooperativon en lernejo, Staĉjo estis inter la plej fervoraj.

Sinjoro instruisto ja tiom da mirakloj rakontis pri kooperativoj, kiuj ŝanĝas la tutan mondon je ia pli bona kaj justa.

Staĉjo vidis sur la lumbildoj, montrataj en la lernejo, kiajn grandiozajn kaj belajn domojn jam konstruis kooperativoj por siaj membroj, kiajn ili havas grandegajn fabrikojn, kie la laboristoj laboras ĉe si mem, belegajn ĝarden-urbojn, ke eĉ en fantazio oni ne povas elpensi ion pli belan. Kaj ĉio-ĉi estas tute vera.

Atingis tion malriĉaj homoj mem, sen fremda helpo, nur per unueco kaj reciproka helpo.

— Do ne mirige, ke nia Staĉjo, sopiranta al pli bona estonto en sia obskura domego, iĝis entuziasma kooperativisto.

*

Ne nur li mem laboris en sia kooperativo, sed instigis sian patron, ke li enskribiĝu al konsum - kooperativo, kiu havis najbare unu el siaj multaj butikoj. Kaj — kiam oni elektis lian patron je delegito, Staĉjo klarigis al li la statuton de l'kooperativo kaj po iome iniciis lin je librotenado kaj kalkuloj.

Fine — la estraro de l'kooperativo turnis sian atenton al la patro de Staĉjo, invitis lin unufoje al la oficejo, kaj — ekproponis al li okupon de vendisto.

Ĉu mi devas priskribi ĝojon de la tuta familio? La patro neniam sonĝis, ke li laboros ne por riĉigo de unuopaj homoj, sed por la bono de ĉiuj maljuste traktataj.

Tiele, dank' al helpo de Staĉjo, lia patro fariĝis socia laboranto.

Sed — pri io alia mi volis rakonti.

*

Ĉe la sama ŝtuparo, kie loĝis la familio de Staĉjo, vivis en unuĉambra ejo du grizharaj gemaljunuloj.

Li — veterano de la pola ribelo de la 1863-a jaro, grizeĉja kiel kolombo, apenaŭ ŝovis sur tero siajn piedojn, apogante sin peze sur dika bastono. Ŝi — iom pli juna kaj pli vigla, sed konstante tusanta kaj kaptanta sian bruston pro manko de spiro, — laboris por si kaj por la edzo.

Ili havis iam tri infanojn. Sed neniu plu vivas. La pli aĝa filo pereis en carisma pun-minejo, malliberigita pro batalo por sendependeco de Polujo kaj socia justeco. La filino forveturis kune kun sia edzo, por serĉi panon ie en malproksima interno de Ruslando kaj tie ankaŭ mortis. Kaj la pli juna filo, rekrutigita komence de la mondmilito en rusan armeon, mortfalis sur galicia fronto, trafita de aŭstria kuglo eble el mano de Polo.

Ili do estis tut-tute solaj en la mondo, al neniu bezonaj. Neniu pensis nek zorgis pri ili.

Ili vivis de la malgranda monsubteno, kiun li ricevadis de registaro, kiel veterano, kaj dank' al perlaboraĵoj, kiujn ŝi ricevis, kudrante tolaĵon. Sed — kiom do povis perlabori tia maljunulino!

Pro tio la malriĉeco kaj mizero tute ne forlasadis ilin jam depost multaj jaroj.

*

Ian fojon, irante al lernejo, Staĉjo renkontis la maljunan veteranon.

Tiu-ĉi, movante pene la piedojn, kun peza ĝemo, portis de malsupre sitelon da akvo. (Ĉar oni devas scii, ke la akvo en tiu domo ne alvenas ĝis la loĝejoj, sed oni devas preni ĝin el krano, kiu estas en korto).

Kutime alportadis akvon la maljunulino.

— Bonan tagon, sinjoro! Donu al mi la sitelon. Mi portos la akvon.

— Mi dankas al ci, knabeto!... Ho, estas vere malfacile por mi — maljuna — marŝi mem sur ŝtuparo, des pli kun plena sitelo. Sentaŭgulo mi jam estas... Proksimiĝas naŭdeko da jaroj.

Staĉjo kaŝis la librojn sub la veŝton, prenis per maldekstra mano la sitelon, per la dekstra subtenis la brakon de maljunulo, por helpi al li la supreniron sur ŝtuparo, — kaj ili ekmarŝis.

— Malsanas mia edzino... Do mi mem devas ĉion fari. Sed mi ne havas fortojn... Petu Dion, knabo, ke li ne lasu ĝisvivi cin ĝis mia aĝo, por poste suferi, forlasita de ĉiuj.



— Sinjoro, eble mi povas elporti la balaaĵon?
— Ĉu farus tion-ĉi, infano mia?
— Jes, volonte!

Staĉjo unumomente malsuprenkuris kun la balaaĵo kaj — spiregante, revenis al la maljunulo.

— Kaj de la butiko vi bezonas nenion, sinjoro?

— Dio benu cin pro la bona koro por ni — maljunaj! Jen kvin zlotoj: aĉetu litron da lakto en tiun-ĉiu kaserolon, duonkilogramon da pano, duonkilon da sukero, cent gramojn da butero kaj duonkilon da grio.

Kvazaŭ ekpafita sago Staĉjo enfalis en korteton, de tie surstraten, — kur-kure al kooperativa butiketo. Li aĉetis ĉion kaj jen — jam estas ree. Li metis la aĉetaĵojn sur tablon, redonis la monreston kaj demandas:

— Eble inviti doktoron?

— Doktoron?... Knabo kara!... ĉu ci povus iri peti doktoron?...

La maljunulo preskaŭ ekploris. Ĉar depost longe jam li ne eksentis kunsentemon de fremdaj homoj.

— ...Mi havas eĉ konatan kuraciston... Se li nur ankoraŭ loĝas en la iama loĝejo... Bona homo li estas... Eble li ne prenos multe, — murmuris la veterano.

— Sinjoro, diru al mi la adreson. Mi notos ĝin kaj tuj flugiros.

*

Li trovis doktoron hejme — afabla maljunulo. Li rakontis al li pri la malfeliĉo de maljuna veterano kaj arde petis je vizito al la malsanulino.

La doktoro promesis.

Staĉjo venis al la lernejo preskaŭ kun duhora malfruiĝo.

— Kion do tio signifas! — koleris la instruisto. Ĉu

ci ne scias, ke ne estas permesate malfruiĝi je lecionoj?...

La instruisto pensis, ke la knabo neglektas la instruadon.

Estis por li malagrable, ke oni suspektas lin pri tia malzorgo, sed li silentis, ĉar li hontis konfesi sian agon.

*

Post fino de lecionoj, revenante hejmen, Staĉjo vizitis la maljunulojn por diri, ke li estis ĉe la doktoro kaj ke li promesis veni; fine li demandis, ĉu oni ne devas ion alporti.

— Jen, infano. Eble ci aĉetus du litrojn da petrolo? — Jen petrolujo kaj la mono.

Staĉjo, turniĝinte ĝoje sur kalkano, forkuris al la kooperativo kaj jam post kelkaj minutoj revenis.

— Morgaŭ matene, antaŭ la lecionoj, mi venos por momento. Vi nenion elportu, sinjoro, kaj ne iru aĉeti ion ajn. Mi ĉion faros! — li diris, forirante, adiaŭata per beno de du gemaljunuloj.

*

— Por kiu do, Staĉjo, ci aĉetadis hodiaŭ matene en la kooperativo? — demandis la patrino. — Mi estis tie tagmeze kaj la vendisto diris al mi pri tio.

— Por la maljunuloj, kiuj loĝas sur nia ŝtuparo. Ŝi ekmalsanis kaj ne forlasas la liton. Al li estas malfacile malsupreniri kaj leviĝi sur ŝtuparo. Do mi anstataŭis lin — ke li ne bezonu iradi.

— Ci faris bone Staĉjo! Ĉiam helpu al malsanuloj kaj maljunaj, ĉar al ili mankas forto.

*

La sekvantan tagon Staĉjo leviĝis unu horon pli frue ol kutime, kaj antaŭ ol li foriris lernejon, li ordigis la ĉambron de gemaljunuloj, forigis la balaaĵon, alportis akvon, kuris al butiketo.

Sed — kvankam li faris ĉion-ĉi volonte, li tre laciĝis. Tial li ne komprenis la lecionon tiel facile kaj bone kiel kutime.

— Kio okazas kun ci? — demandis la instruisto. — Hieraŭ ci malfruiĝis je lecionoj, hodiaŭ ci estas distrita. Kio fariĝas kun ci?

*

Staĉjo klinis la kapon kaj silentas. Li mem sentas, ke li komencas malzorgi la lernadon. Kaj tio estas malbone.

— Sed aliflanke — al gemaljunuloj oni devas ankaŭ helpi. Oni ne povas forlasi ilin!... Nur — kiel helpi, ne trolaciĝante? — meditas Staĉjo.

Kaj — ĉar li estis inteligenta kaj lernis en la kooperativo, ke — kio estas malfacila por unu, estas facila por multopaj, — do li trovis bonan solvon.

*

En la sama domo loĝis ankoraŭ kelkaj infanoj, vizitantaj la lernejon. Staĉjo do, dum unu interleciona paŭzo, kunvokis ĉiujn siajn najbarojn en angulon de l'koridoro. Per kelkaj vortoj li rakontis pri la maljunuloj forlasitaj de homoj kaj tuj proponis:

— Aŭskultu, — ni ĉiuj infanoj, kiuj loĝas en nia domo kaj jam vizitas la lernejon, — faru tian kooperativon, kiu helpu al la maljunuloj. Same knaboj kiel kna-

binoj. Ĉiu faru ion po iom. Por ni ĝi estos facila kaj por la maljunaj bona.. Konsentite?

Jes, ni konsentas!!!

*

Ho — kiel ekmiris la maljunuloj, kiam antaŭvespere venis al ili Staĉjo kaj malantaŭ li areto da kelkaj knaboj kaj knabinoj.

— Bonan tagon, gesinjoroj!

Kaj ili ekhaltis ne kuraĝe apud la muro.

— Bonan tagon, infanetoj! Kion vi deziras!

Ekpaŝis Staĉjo.

— Ili ĉiuj ankaŭ loĝas en nia domo, kaj vizitas la lernejon. Ni decidis, ke ni faros kooperativon, por helpi al vi. La knabinoj ordigos kaj balaos la ĉambron, forviŝos la polvon. Kaj ni — knaboj — forportos la balaaĵon, alportados akvon kaj karbon, aĉetos manĝaĵojn. Bonvolu nur diri al ni—ni petas — kion oni devas fari — kaj ni jam ĉion faros!

— Infanoj!... Karaj infanoj!... Ĝi ja estas vera miraklo! Infanoj karaj!... Ĉu la mondo iĝis pli bona?!... Ĉu oni povus vidi dum niaj junaj jaroj, ke la infanaro elpensadu ion similan!?...

— Ĉar tiam la infanoj ankoraŭ ne ludis je kooperativo — respondis unu el knabinoj.

---

## LA GASTOJ.

La gazeteto „Kunlaboro“ havas multajn fidelajn amikojn, inter ili Antonĉjon Dymek, — nian konaton.

La knaboj ofte iritige mokas lin ĝis nun „Anĉjo-la kamentubisto“, rememorante la solidajn batojn, kiujn

li ricevis iam de sia patro pro la ludo sur la tegmento, kvankam jam multe da akvo forfluis en la riveroj de tiu tempo kaj la haŭto de Antonĉjo jam delonge forgesis la patran rimenon.

Antonĉjo ja — kiel vi scias — fervore ludas je kooperativo kaj oni konsideras lin kiel unu el plej modelaj knaboj en la vilaĝo.

Do — nia Antonĉjo ne preterlasas eĉ unu numeron de „Kunlaboro“. Pri ĉiu li demandas senpacience en la kooperativo — ĉu ĝi jam alvenis. Kaj — ricevinte ĝin, li legas atente de A ĝis Z.

En januaro li eĉ sendis leteron al „Kunlaboro“, en kiu li — laŭ siaj fortoj — priskribis la Kristarbofeston, aranĝitan per la kooperativo en la lernejo.

Kaj — ho, miro! — la letero estis vere presita en la gazetĉjo kune kun la subskribo:

*Antono Dymek,*
*lernanto de la 4-a klaso de popol-lernejo.*

Miris la homoj en la vilaĝo, ke la Antonĉjan skribaĵon oni eĉ en gazeto presas. Kaj lia patrino — kutime kiel patrinoj — eĉ ekploris pro ĝojo kaj fiero.

*

Ĝuste nun kuŝas nia Antonĉjo en ĝardeno sur verda herbo sub floranta pomarbo kaj legas la lastan numeron de „Kunlaboro“. Li kuŝas oportune sur ventro kaj tenas la gazeton sub siaj kubutoj.

Li legas — kaj en liaj okuloj brilas larmoj. Legas ja Antonĉjo pri tre malgajaj aferoj: — Pri la malbona sorto de l‘laborista infanaro, kiu loĝas en la grandaj industriaj urboj.

La domoj malpuraj, malbelaj, kun forfalita stukaĵo. La kortoj humidaj, malhelaj, fetoraj. La loĝejoj malvastaj, malvarmaj, malsanaj. Nek suno, nek freŝa aero...

Kaj — la manĝaĵo — kompatu Dio! Se lakto — do duono da akvo. Se pano — do duono da gipso aŭ alia nedigestebla miksaĵo.

Kompatindaj infanoj!

Ili kreskas kadukaj, palaj, foje eĉ verdkoloraj survizaĝe, malfortaj, malsanemaj.

Kaj — kiom multe da ili mortas tro frue pro tia vivo!

*

— Ĉe ni — en kamparo, estas alie, — meditas Antonĉjo. — Niaj infanoj estas fortaj, fortikaj, sanaj, sunbrunigitaj kaj rond-roz-vizaĝaj.

Ĉar ĉe ni estas alia vivo!

Ni, vilaĝanaj infanoj — se ni ne estas en lernejo, — ni vagas en plenaero. Dum tuta tago sub radioj de l'suno, sub blovoj de l'vento. En kampo, sur herbejo, en la arbaro! En la loĝejoj oni nur vidas nin dum dormo aŭ manĝado.

Plie — nia manĝaĵo estas bona. — La lakto — senpere de l'bovino.

La pano — el propra faruno. Ĉio nesuspekta, sana.

Kompatindaj la urbaj infanoj! Estas inter ili tiaj, kiuj ankoraŭ neniam vidis herbejon, tute ne estis en arbaro kaj nek unu fojon banis sin en rivero.

*

La „Kunlaboro" skribas, ke kelk-iaj urbaj kooperativoj sendas la infanojn al kamparo, aranĝante por ili somer-koloniojn.

Sed, en la urboj estas miloj da infanoj, kaj al la kolonioj veturas nur tre eta parto de ili. La plimulto restas dum tuta somero en la urbo.

Oni devas serĉi ankoraŭ aliajn rimedojn, por ke kiel eble plej multe da urba infanaro veturu somere al la kamparo — konstante pensas nia Antonĉjo, ĝis fundo de l'koro tuŝita pro la amara sorto de laboristara infanaro.

— Ĉu do al nia vilaĝo ne povus alveni jam ĉi-somere kelke da urbaj infanoj?

Ili manĝus kune kun ni en niaj domoj. Ili dormus en la lernejo sur sternita fojno, sub protekto de sinjoro instruisto. Kaj dum la tuta tago ili estus kun ni — same dum ludo kaj dum laboro!

*

Anĉjo varmege ekardis por sia projekto kaj la saman tagon ankoraŭ li metis ĝin sur la tagordon de konsilantara kunsido de la lerneja kooperativo.

La projekton de Anĉjo la infanaro akceptis entuziasme.

— Nepre ni devas ĉi-tion fari! Nepre!

Kaj oni tuj decidis, ke — se oni povos venigi por la somero urbajn infanojn en la vilaĝon, la kooperativo pagos la koston de fervoj - biletoj tien kaj reen.

*

Post finita kunsido la tuta konsilantaro direktiĝis senpere al la lernejo, al protektoro de kooperativo, por komuniki al li pri sia decido kaj peti je helpo ĉe la gepatroj. Ĉio ja dependas de la gepatroj.

Al la protektoro ege ekplaĉis la projekto de Anĉjo.

Ankaŭ li, kvankam multe pli aĝa ol la infanoj kaj eĉ jam iom griza, ekardis kiel infano por tiu projekto kaj promesis sian helpon.

Oni komencis interkonsiliĝi kaj decidis, ke la protektoro kunvokos la gepatrojn en la lernejon por sabato vespere.

Komence Antonĉjo legos al ili la artikolon de „Kunlaboro“; poste la instruisto diros ankaŭ kelkajn vortojn de si, kaj fine li demandos, kiu el la gepatroj kaj dum kia tempo konsentos nutri en sia hejmo unu el la urbaj infanoj, kiun la kooperativo invitos por somera restado.

Kiu konsentos, tiu por ordo subskribos sian nomon sur deklaracio, kiun la instruisto promesis prepari.

*

Nia Anĉjo kun timo pensis pri sabato. Li konscias ke, — se li legos ĉion bele, li certe kortuŝos ne unu el la plenaĝuloj kaj favore inklinos lin por la afero. Sed— se li legos malbone — li enuigos ĉiujn kaj nur malutilos al la projekto.

Li do prepariĝas serioze.

Li legas kaj relegas konstante sian artikolon; meditas, kiamaniere elparoli ĉiun apartan vorton, kie plilaŭtigi la voĉon, kie malaltigi ĝin, kie ekhalti. Jam li lernis ĉion parkere, kvazaŭ versaĵon.

Tamen li ne fidis al si. Sabate post la instruhoroj li restis en la lernejo kaj turnis sin al la protektoro de l'kooperativo kun la peto, ke li aŭskultu kaj korektu lian legadon.

Li tralegis ĉion brile!

Sinjoro la instruisto donis al li nur kelkajn indikojn. Li laŭdis lin tre kaj certigis, ke artikolo, tiel bele tralegita, tuŝos la korojn de ĉiuj gepatroj.

Trankviligita — Antonĉjo revenis hejmen. Li ekmanĝis kun apetito la tagmanĝon, kaj — malpacience sed jam sen timo li atendis la vesperon.

*

Vespere unu el la lernej-ĉambroj pleniĝis per amaso de patroj kaj patrinoj, kiuj, babilante, eksidis ĉie en la benkoj. Krom ili — troviĝas nur la protektoro de l'kooperativo kaj kelkaj infanoj de la estraro kaj konsilantaro.

Sed — apud ĉiu el la malfermitaj fenestroj premiĝis aroj da scivolaj infanoj. Ili volis almenaŭ de tie aŭskulti, kion oni parolos dum la kunveno.

La instruisto lumigis du grandajn pendantajn lampojn. En la klaso fariĝis hele kaj agrable. Ĉiuj silentiĝis.

La instruisto komencis:

— La infanoj de l'kooperativo kaj mi invitis vin — gepatrojn — tien-ĉi, por peti vin je protekto kaj helpo ĉe unu tre grava afero.

Aŭskultu — mi petas — bonvole, kion ni diros al vi. Kaj poste — ni firme kredas, ke vi helpos nin. — Dymek! — komencu!

*

Antonĉjo ekpaŝis antaŭen.

Li tremas pro emocio ke eĉ la numero de „Kunlaboro" saltetas en liaj manoj. Li ne vidas la literojn. Sed li ne bezonas la literojn, ĉar ja li scias ĉion parkere.

Li do parolas parkere. Kiel belege!... Silentas la tuta ĉambro, kvazaŭ en preĝejo dum Dia Beno.

Ĉiuj, kvazaŭ sankbildon, rigardas la legantan knabon.

Lia voĉo tremetas, kelkfoje eĉ rompiĝas, kaj larmoj falas de l'okuloj sur la gazeteton.

Sed — ĝi rezultigis nur bonon. Ĉar ĉiujn ekregis sincera kaj granda kompato pro la malbonsorto de mizerula urba infanaro. Virinoj laŭtviŝis la okulojn. La viroj kapjesis serioze je ĉio.

Kaj — ĉiuj malgajiĝis, — ja kvazaŭ ekhontiĝis, ke tia maljusteco regas en la mondo.

Anĉjo finis kaj sidiĝis pala sur la benko inter la infanaro.

*

La instruisto daŭrigis:

— Kiam viaj infanoj tralegis en la gazeto pri tio, kion al vi ĵus tralegis la malgranda Dymek, ili ekhontis, ke tiom da infanoj ne ĝuas ĉion-ĉi, kio por ili abundas tie-ĉi en vilaĝo.

Ĝoju, ĉar tio signifas, ke viaj infanoj havas korojn honestajn kaj sentemajn por la mizero de aliaj. Tio signifas, ke ili kreskas je justaj homoj.

Sed — viaj infanoj havas ankaŭ saĝajn kapetojn. Ili pripensis perfektan rimedon, por helpi al la urba infanaro. (Tie-ĉi la instruisto rakontis detale, kion decidis la lerneja kooperativo).

Nun ni demandas vin — gepatrojn: ĉu vi volas helpi al ni?

Ni estas certaj, ke vi helpos!

Jen du folioj da papero surtable. Sur la unu vi

enskribos, kiu kaj dum kiom da semajnoj konsentas nutri unu urban infanon ĉe sia familio. Sur la dua — kiu kaj dum kiom da semajnoj konsentas lavi la tolaĵon por unu infano.

Bonvolu — mi petas — alproksimiĝi al la tablo kaj enskribiĝi laŭvice. Kiu ne scipovas skribi, — mi helpos.

*

La sekvantan tagon — dimanĉe — okazis denove kunsido de la estraro kaj de la konsilantaro de kooperativo.

Kalkulite laŭ la hieraŭaj enskriboj de gepatroj, oni povos inviti al si en vilaĝon por la monatoj Junio, Julio kaj duono de Aŭgusto eĉ deknaŭon da infanoj.

Por ke la veturo kostu kiel eble plej malmulte, oni decidis inviti infanojn de la plej proksima fabrika urbo, situita je du horoj de fervoja veturado de tie-ĉi. Okaze la protektoro havas en tiu urbo kolegon, ankaŭ instruiston kaj protektanton de lerneja kooperativo en unu el popollernejoj.

*

Oni do skribis leteron al tiu kooperativo, invitante deknaŭ infanojn por la tuta somero. Leteron, kiel tre gravan, subskribis krom la infanoj — ankaŭ la instruisto.

Sekvantan tagon oni forsendis ĝin per registrita poŝto. Samtempe, ankaŭ per poŝto, oni elsendis la monon por vojaĝo.

Post kelkaj tagoj alvenis respondo kun varmega danko, kaj post semajno longa letero, enhavanta famili - kaj antaŭnomojn, aĝon kaj klason de dekduo da

knaboj kaj sepo da knabinoj, proponitaj de la kooperativo por forveturo al la gastemaj vilaĝaj infanoj. Krom tio la letero informis, ke la infanoj forlasos la urbon la unuan dimanĉon de Junio per la plej frua matena vagonaro, kaj ke la protektoro de urba kooperativo akompanos ilin ĝis la vilaĝo.

*

Komenciĝis preparoj.

Antaŭ ĉio oni faris liston: ĉe kiu kaj kiam dum la tuta vilaĝa restado la alveturontaj infanoj gastos.

Oni faris la liston tiamaniere, ke knabinojn oni destinis por tiuj familioj, ĉe kiuj ankaŭ estas knabinoj de simila aĝo, kaj knabojn — al knaboj.

Poste oni komunikis pri tio al ĉiu koncerna familio. La listojn kun nomaro, por ĝenerala scio, oni pendigis en la lernejo kaj ĉe la vilaĝestro. Unu estis sendita ankaŭ al la urba kooperativo.

Poste oni faris liston, kiu el la dommastrinoj kaj dum kia tempo lavos la tolaĵon.

Fine oni bonaranĝis la aferon de noktado.

Unu el la lernejĉambroj oni destinis por dormejo de knaboj, kaj la gardon de ili oni konfidis al la protektoro de l'kooperativo. En alia klaso dormos knabinoj sub la protekto de unu el instruistinoj, kiu restas dum tuta somero en la vilaĝo.

Iom fuŝe oni konstruis litojn el bretoj. Oni faris pajlomatracojn. Ĉiu familio pruntis kion ĝi povis. Tiamaniere oni aranĝis por la gastoj dormejojn, — ke eĉ oni envias rigardante!

*

Malpacience oni atendis la unuan junian dimanĉon, duoble solenan.

Ĉar — kiel ni scias, la unuan dimanĉon de Junio oni festas en Pollando la Internacian Kooperativan Festotagon. Krom tio — la alveturo de urba infanaro — ankaŭ ne estas ia bagatelo!

Jen fine alvenis tiu-ĉi atendata tago.

Al la fervoja stacio, situata ne tro malproksime de la vilaĝo, ĉar nur kvar kilometrojn, elveturis unu el la dommastroj per por-fojna veturigilo, por kunpreni la infanajn pakaĵojn.

Ankaŭ la tuta vilaĝa infanaro (ne mankis eĉ la plejetulo), sufiĉe granda aro da gepatroj, la protektanto de kooperativo kune kun la estonta zorgantino de l'knabinoj — ekmarŝis ankaŭ — piedire en granda gaja amaso — al la stacidomo.

La geknaboj marŝis, kantante belajn kantetojn, lernitajn en la lernejo. Ĉeestis tiun festmarŝon almenaŭ ducent personoj, se ne pli!

Ĉe la stacidomo atendis la vagonaron sufiĉe multa publiko. Kaj ĉiuj miris, kiam la diverskolora amaso de kantanta kaj babiletanta infanaro inundis la tutan peronon.

Tiom da infanoj? De kie? Kien? Por kio? — eksonis demandoj.

Ni renkontas niajn gastojn!!! Mi Olĉjon Płazak! Kaj mi Magdunjon Karwaczyńska! Mi Jozefĉjon Sowa! Kaj mi Kosĉjon Zientalski! Kaj mi Zofinjon Olejniczak!

Kaj ili svingis la kartetojn kun nomo de malgran-

da gasto, skribita sur ĉiu el ili. Tiun gaston la feliĉa posendanto de l'karto devis trovi inter la alventurontoj, ekkoni lin kaj forkunduki al sia hejmo por tagmanĝo.

Oni ne atendis longe.

La infanoj tuj rimarkis jen mal-malproksime ian nigran punkton, kiu rapide kreskis.

Kaj jen — elĵetante densan fumon, la vagonaro enruliĝis kun terura radbruo al la stacidomo, ternis fortege per varmega vaporo sur la atendantojn kaj — ekhaltis.

El unu vagono elŝutiĝis aro da palaj, mizeraspektaj urbaj infanoj.

Ĉiuj kun malgrandaj pakaĵoj en la manoj. Ĉiu infano tenis krom tio karteton kun enskribita sur ĝi nomo kaj antaŭnomo de sia unua eta dommastro.

Inter tiuj infanoj troviĝis ankaŭ nia bone konata — Staĉjo el la obskura domego. Sur sia karto li havis enskribitan nomon de Antonĉjo Dymek.

Laste elvagoniĝis la instruisto.

La amasiĝintaj urbaj infanoj ĵetadis timeman sed scivoleman rigardon sur la granda aro de nekonataj vilaĝaj infanoj.

Ĉi-lastaj ankaŭ larĝe malfermis siajn okulojn, rigardante la tiom longe atendatajn gastojn. La plej junaj etuloj — pro scivolemo — eĉ enŝovis fingretojn en la buŝon.

Silenta reciproka observo daŭris nur kelkajn momentojn, ĝis kiam la vagonaro staris.

Sed la vagonaro ekfajfis, ekmoviĝis, ektondris. — Kaj jam ĝi estas for.

Unumomente la areto de gastoj estis ĉirkaŭita ĉiuflanke per puŝiĝanta amaso de vilaĝa infanaro.

Jozefĉjo Sowa!... Zofinjo Mrozek! Konstanĉjo Stelmachowski!... Magda Górniak!... vokis el la amaso junaj voĉoj.



Mi estas Jozefĉjo Sowa! Kaj ci — eble Bronĉjo Pawełczyk?



— Jes! Mi estas Bronĉjo Pawełczyk! Ci loĝos ĉe ni.

— Mi ja scias!

— Sed poste ci gastos ĉe ni! Mia nomo Kazimiro Kulina.

— Permesu — Zofinjo, — mi portos cian pakaĵeton al veturilo!...

— Stefĉjo! — ĉu ci estis iam en kamparo?

— Ne! Kaj ci, Franĉjo — jam vidis urbon?

— Ne!...

La pliaĝuloj eĉ ne havis tempon por saluti unu la alian, dume la infanaro jam interkonatiĝis. Tuj!

Ĝi estis unu granda, diverskolora, brua kaj ĝoja infana amaso, inundata per varmega brilo de junia antaŭtagmezo.

Ĉiu parolas! Ĉiu puŝiĝas! Ĉiu krias, ke oni aŭdu lin! Tiom da interpremo! Tiom da kriado! Tiom da suna, senzorga ĝojo!

Tiun tagon en tuta Polujo oni solene festis la Kooperativan Feston.

Sed nenie ĝi tiel bele sukcesis, kiel ĉe niaj infanoj.

## LA GLITKUREJO.

Glitkurejo! — Kia agrablaĵo!

Frosta aero. Glacio — glata kiel spegulo. Akraj glitiloj.

Sur glitŝuoj la homo sentas sin vigla kiel hirundo. La malplej forta ekpuŝo per piedo, ioma kliniĝo de l'korpo, — kaj jam mi desegnas belan holandan duonrondon sur glacio. Iom pli multe da streĉo, iom da aliaj movoj — kaj mi antaŭenflugas kiel vento. — Aero bruas en oreloj, la vangoj ardas, spiro mankas en brusto! Mi kuregas kiel vento, — eĉ rapidvagonaro ne atingos min!

Kaj kiam sur la glacio estas multe da konataj infanoj kaj neniu malhelpas al ni ĉe l'ludo, — Dio mia! — kion do tiam oni ne povas petoli sur la glitiloj! Kiom da rido! Kia amuzo! — Ĉi-tiu falis teren, al tiu la glitŝuo forfalis de l'piedoj, kaj al tiu-ĉi frostiĝis la orelo kaj li energie frotas ĝin per neĝo.

Precipe ĉarmaj estas la vesperoj! — Sur nigra ĉielo tremetas oraj steletoj. Ĉie malhelo — nur la glitkurejo estas riĉe iluminata per brilanta lumo de plej multnombraj diverskoloraj lanternoj. Orkestro ludas, ke eĉ de l'sono de trumpetoj vibras frosta aero.

Ne ekzistas ludo pli agrabla dum vintro ol la glitkurado!

*

Nur...

Nur ne ĉiuj infanoj povas uzi la glitkurejon, kvankam certe ĉiuj tion dezirus. Ĉar tiu-ĉi plezuro multe kostas.

Oni devas aĉeti enirbileton, oni devas havi glitŝuojn kaj ferplatetojn, alŝraŭbitajn al kalkanumoj. Sed — ĉu ĉiu infano povas havi ĉion-ĉi? Bedaŭrinde!... La infanoj de malriĉaj gepatroj nur revas pri la glitkurejo.

Sed tiuj feliĉaj infanoj, kiuj uzadas la glitkurejon — ĉu ili ĝuas tiom da plezuro, kiom ili volus kaj povus ĝui? Tute ne!

Sur la glitkurejo troviĝas — precipe vespere — multaj plenaĝuloj. Pli multe ol infanoj. La plenaĝuloj emas aliajn ludojn. Ili glitas malrapide kaj konstante nur ĉirkaŭe. Ne tiel, kiel ŝatas infanoj.

Se nur la infanoj volas ludi sur glacio laŭ sia maniero — do : petoli, kuri unu post la alia, fari longajn ĉenojn! — Baldaŭ ili malgraŭvole tiun-ĉi ekpuŝos, tiun renversos. Kaj — kun plenaĝuloj oni ne povas ŝerci.

Pro tio la infanoj ne ludas sur la glitkurejo tiel senĝene kaj gaje kiel ili volus.

Kion fari! — Se ci troviĝas inter kornikoj, — graku kiel ili. Se ci troviĝis inter plenaĝuloj, ci devas — kiel ĉiuj, gliti malrapide, kun grava mieno, kvankam

ĉi-tio tute ne plaĉas al ci, ĉar ci havas nur petolaĵojn en la kapo.

Ho! — Se anstataŭ la plenaĝuloj, kiuj ja tie ne estas bezonaj, vizitadus la glitkurejon pli da infanoj, pli da konatoj, kolegoj kaj koleginoj de nia klaso, de nia lernejo!

Ho, tiam la glitkurado estus vere agrabla!

— Sed — ĉu tio estas ebla?

Memkompreneble!

*

Iiun frostan dimanĉon, komence de l'vintro, la lerneja infanaro kaj junularo de la tuta urbo vekiĝis multe pli frue ol aliajn dimanĉojn.

Kiu do hodiaŭ povus longe kuŝi en la lito? Hodiaŭ, la tagon de solena malfermo de ilia propra glitkurejo en unu el urbaj ĝardenoj!

Ho, kia glitkurejo! — La plej granda — kaj — laŭ ĉies diro — la plej bela en la tuta urbo! Kaj — kio plej gravas — ilia propra lerneja glitkurejo!

— Kiel vi komprenas tion — lerneja?

— Ĝi signifas glitkurejo de gelernantoj. Ili mem aranĝis ĝin! Ilia ideo, iliaj kostoj kaj plejmulto de ilia laboro!

— Kion vi diras? — Sed — kiamaniere efektiviĝis tio?

— Se vi deziras, mi rakontos al vi — :

Ni havas en nia urbo pli ol dudek popol - lernejojn, du gimnaziojn por knabinoj, du por knaboj, instruistan seminarion, metiistan lernejon, diversajn vesperajn kursojn por lernantoj kaj laboranta junularo.

— Plu — ĉie troviĝas lernejaj kooperativoj. Pli ol tridek en la tuta urbo. En ili kelkmil da knaboj kaj knabinoj.

Ĉiuj-ĉi kooperativoj interkompreniĝis, organizis propran Ligon kaj turnis sin al la urba konsilantaro, petante permeson por aranĝi glitkurejon en unu el urbaj ĝardenoj.

Ĉar kune kun la gelernantaro kaj junularo partoprenas la organizon ankaŭ la instruistoj, — la urba konsilantaro montris fidon al ili kaj donis la permeson.

Post tio ĉiu lerneja kooperativo donis iom da mono por aranĝo de la glitkurejo. Entute kolektiĝis sumo tre impona.

Oni do aĉetis bretojn kaj arbetojn, konstruante grandan, belan, varman halon, kun elektra luminstalaĵo. La infanoj kaj la junularo laboris ankaŭ energie. La pli aĝaj kaj pli fortaj inter ili helpis al la laboristoj. Aliaj faris belegajn diverskolorajn lanternojn. Ĉiuj benkoj sur la glitkurejo kaj la tuta tre bela interno de l'halo — estis propramana laboro de lernantoj, farita en iliaj kooperativaj meblistaj metiejoj.

En la halo — pli ol 200 paroj da komunaj glitŝuoj. — Kiu nur havis proprajn glitilojn, donis ilin al la kooperativo por komuna uzo. Kial ili servu nur al unuopulo, se ili povas servi al ĉiu, kiu bezonas ilin.

Nun jam ĉiu lerneja infano povas viziti la glitkurejon.

— Por eniro oni pagas nenion, glitiloj — laŭ deziro. Oni nur devas havi ferplatetojn sur la kalkanumoj,

— sed tio jam estas bagatelo — ili kostas nur dek-kelk groŝojn.

Fine oni devas scii, ke aliaj infanoj, kiuj ne vizitadas lernejon, ankaŭ povas senpage eniri sur la glitkurejon.



Ili ankaŭ glitu! La glitkurado estos por ni pli agrabla, se ni scios, ke en nia urbo ĉiu infano povas kun ni ludi, ke neniu estas malpli bone traktata kaj neniu envias nin, — tiel parolis al mi unu el la knaboj.

Ho, ho, saĝaj infanoj! Kion ili atingis per tiuj siaj kooperativoj! Kiel memhelpemaj, justaj! Ni — malju-

naj homoj — devas lerni de ili!... Sed — kion mi aŭdas?... Orkestro sur la strato?...

— Verŝajne iu de la lernejaj kooperativoj marŝas kun sia orkestro por malfermo de la glitkurejo. En nia urbo estas kelkaj tiaj lernej-orkestroj...

Estos belega festo.

*

Ĉu vi scias, karaj Ge-legantoj, kies projekto ĝi estis — la aranĝo de kooperativa glitkurejo? Ĉu vi scias, kiu plej fervore okupis sin ĉe tiu afero? Kiu plej multe laboris?

— Vojĉjo kaj Miĥĉjo! Ĉu vi memoras — la du malgrandaj buboj, kiuj iam tiel malfeliĉe ludis je masonistoj! Hodiaŭ ili jam estas grandaj knaboj kaj membroj de kooperativo en sia gimnazio.

## NI ANKAŬ FAROS LA SAMON!

Ĉu ci estis iam ekskursinta kun la tuta klaso?

Se jes, mi ne priskribos al ci la agrablaĵojn kun tio ligitajn, ĉar ci konas ilin kaj memoras bonege.

Se ne, — mi ankaŭ ne priskribos ilin, — ci ankaŭ ne eksentus tion. Mi nur diros per kvar vortoj:

Ĝi estas grandega plezuro!

*

Same opiniis — memkompreneble — ĉiuj kvardek ses fraŭlinoj de la tria klaso de instruista seminario, gvidataj de la instruistino de historio. Ili venis ekskurse de unu malgranda distrikta urbeto, situita kaŝe inter montetoj kaj lagoj, kampoj kaj arbaroj kaj jam la du-

an tagon vizitas unu el la plej belaj, pentrindaj polaj urboj de mezepoko.

Muskokovritaj kolosaj muroj mem rakontas al la scivolaj okuloj pri la iama historio de la nacio. Tiom da diversaj memoraĵoj, tiom da rimarkindaj vidindaĵon sur ĉiu paŝo! Tiom da impresoj, ĝismorte neforgeseblaj!...

*

Marŝas nia ekskurso per rapidigita paŝo pare en longa vico. Antaŭe la instruistino, akompanata de kelkaj gvidantoj.

Sur unu el ĉefaj stratoj la fraŭlinoj estis atentigitaj per ia elpendaĵo super unu granda libro - kaj skribilar-vendejo, kun bela vitrino inter spegulaj fenestroj. Sur la elpendaĵo estis skribite:

*Deponejo de Junulara Kooperativa Asocio.*

La ekinteresita ekskurso haltiĝis antaŭ la magazeno, okupante la tutan trotuaron kaj parton de la veturstrato.

Bedaŭrinde — pro festotago la magazeno estis fermita. Tra la fenestro-vitroj oni ne povas ĉion ekkoni, ĉion esplori. Ankaŭ neniu el la gvidantoj — bedaŭre, povis ion-ajn diri pri tiu vendejo, pri tiu Asocio.

Tamen por ekskurso estas afero tre interesa kaj grava — ekscii pri tio.

Do oni interkonsilas sur strato.

*

— Ĉar ni hodiaŭ vespere nepre devas reveni hejmen, sed tiun Asocion oni ankaŭ nepre devas ekkoni,

do mi vidas nur tian solvon: du el-inter ni restu ankoraŭ unu tagon tie-ĉi. Morgaŭ matene ili iros ambaŭe al tiu deponejo, demandos pri ĉio kaj esploros la organizon. Ili ekkonu persone la direktantaron de tiu Asocio, prenu kopiojn de l'statuto, de regularoj, modelojn de l'kontrolo kaj de la libroj, kaj vespere ili revenu — proponis unu el la fraŭlinoj, la deksesjara Halinjo, nia malnova konatino, kiu iam instruis sian patrinon la hejman librotenadon.

— Mi pensas, ke la propono de Halinjo estas tre bona, — respondis la instruistino. Ĉu vi ĉiuj konsentas je ĝi?

— Jes, jes, ni konsentas!

— Bone. Kiuj el vi restos tie-ĉi?

Tuj oni elektis du fraŭlinojn: Halinjon, kiel reprezentantinon de l'estraro kaj ŝian amikinon Wanda, membron de la konsilantaro de ilia lerneja kooperativo.

*

Sekvantan tagon frumatene ili jam estas en la deponejo.

— Ni estas reprezentantinoj de unu el lernejaj kooperativoj de l'provinco, kaj dezirus ekkoni la organizon de via Deponejo kaj Asocio.

— Volonte mi servas per informoj. Mi estas la estro.

Li kondukis ilin el la vendejo al negranda oficejo. Ili sidiĝis. La direktanto komencis informi la fraŭlinojn pri ĉio, kio interesis ilin.

*

Al la Asocio apartenas sesdek kvar lernejaj koope-

rativoj. En ĉiuj kune ni havas pli ol dekdu mil da organizita infanaro kaj junularo.

Antaŭe, ĝis kiam la Asocio ne ekzistis, ĉiu kooperativo per propraj fortoj liverigis al si la varojn kaj devis multe pagi, ĉar la kvanto mendita estis relative malgranda.

Kaj jen antaŭ kvar jaroj, kelkaj kooperativoj decidis fari la aĉetojn kune. En lerneja ejo de unu el la kooperativoj ili aranĝis la deponejon. Sed tie estis neoportune kaj tro malvaste; ĉiam pli kaj pli malvaste, ĉar al la komunaj aĉetoj aliĝis konstante novaj urbaj kaj suburbaj kooperativoj de lernantoj.

Do post duonjaro, dum ĝenerala konferenco, oni decidis organizi Asocion de ĉiuj-ĉi kooperativoj.

Ĝi triviĝis komence en malgranda loĝejo, sed antaŭ du jaroj ni transportis tien-ĉi la deponejon kaj oficejon, ĉar tie jam ne plu estis loko.

*

Sed la antaŭan loĝejon ni rezervis por ni. Tie troviĝas niaj industriejoj. Fabriketo de kajeroj kaj la librobindejo. La kajeroj de propra produktado kalkuliĝas por ni multe pli malkare ol la aĉetataj. Krom tio—ni faras ilin laŭ nia bezono kaj plaĉo. La papero bona, la finpretigo zorgema. Same la bindado de libroj en propra bindejo kostas pli malkare, — estas pli forta kaj pli bela.

Se vi deziras, vi povas viziti niajn metiejojn.

— Ni tre deziras!

*

Ĉiujn skribobjektojn, ĉiujn instru-helpilojn, preci-

pe la librojn la infanaro kaj junularo de nia urbo aĉetas nure kaj ekskluzive aŭ en siaj kooperativoj aŭ tieĉi — en la deponejo. Krom tio nenie.

Kaj ne nur lernej-librojn, sed ĝenerale ĉiujn librojn, kiuj nur povas esti per la membraro de niaj kooperativoj aĉetataj.

Ni havas librojn novajn kaj uzatajn.

Depost kiam nia kooperativo komencis okupiĝi per aĉeto kaj vendado de uzataj libroj, iom post iom komencis fermiĝi la privataj butikoj, komercantaj per tiaj libroj. Iam estis multego da ili, nun estas apenaŭ du en la urbo. Sed neniu plu de ili vendas lernolibrojn. Kiu do aĉetus lernolibrojn t i e?

*

La Asocio havas grandan bibliotekon. Ĉirkaŭ naŭ mil volumoj. Apud la biblioteko troviĝas — gazetlegejo: granda bela salono, kaj en ĝi dudek ses tabletoj. Multe da infanoj kaj de junularo de la tuta urbo estadas tie ĉiutage post la tagmezo. Ni havas ankaŭ radio-aparaton kun laŭtigilo kaj televizi-aparaton.

En tiu salono oni ofte aranĝas ludojn, amatorajn teatro-prezentadojn, koncertojn, prelegojn kaj filmbildojn.

Vi nome devas scii, ke ni havas propran filmaparaton, kiun la Asocio pruntas al la apartaj kooperativoj.

Ni estas juna organizo, do ni ne povis ankoraŭ multe fari. Sed ni esperas, ke nia agado disvolviĝos impone. La junularo kaj la infanoj dediĉas sin kun granda

entuziasmo por la kooperativa laboro, konsiderante ĝin kiel plej agrabla ludo.

*

La tuta tago forfluis kvazaŭ unu momento al Halinjo kaj Wanda ĉe la vizito de la diversaj fakoj de la Asocio.

Ili estis ĉie, ili vidis ĉion. Nun — revenante — ili kunportas dek-kelke da fotografaĵoj kaj tutan paketon da statutoj, regularoj, librotenadaj modeloj.

— Kiel bele, bone aranĝite ili ĉion havas, kiel saĝe ili ĉion faras!

— Ni ankaŭ same faros! Ĉu ne?

Jes, ni same faros!

---

## ANTONĈJO — LA DELEGITO.

Nia bone konata Antonĉjo, nun jam lernanto de la sepa klaso de popol-lernejo, la unuan fojon eniris vogonon kaj veturas fervoje.

Li sola veturas — ne por ia-ajn bagatelaĵo. Li veturas kiel delegito de sia lerneja kooperativo, al la diskrikta urbo, por partopreni la kongreson de la regiona Asocio de tiaj kooperativoj. Ho, ho, ne malgrava afero!

Sidas Antonĉjo — la Delegito ĉe l' fenestro, rigardas al la malantaŭen kurantaj, al li nekonataj montetoj, kampoj, vilaĝoj, arbaroj, lagetoj kaj marĉoj, — al senĉese preter-flugantaj telegrafaj fostoj kaj la senfinaj ferfadenoj, pendantaj sur ili, — li aŭskultas la

ritman radobruon da l' vagonaro, kaj pense konstante revenas al la okazo, kiele oni elektis lin delegito.

*

Okazis tio-ĉi antaŭ du semajnoj, dum komuna kunsido de la konsilantaro kaj de l'estraro de la kooperativo.

Marinjo — la sekretariino, ankaŭ nia malnova konatino, kiun siatempe la bovino volis formanĝi, sekretariis ankaŭ nun. Ŝi inter aliaj tralegis ankaŭ la leteron de la Regiona Asocio, sciiganta pri Kongreso kaj invitanta je alsendo de delegito.

Jam tri jarojn ekzistas la Asocio kaj nia kooperativo elsendadas ĉiam sian delegiton por la Kongresoj. Ĝis nun oni elektadis ĉiam la protektanton de la kooperativo. Sed nun la protektanto proponis elekti Antonĉjon.

— Ni elektu — li diris — nian Dymek. Li laboras fervore en la kooperativo kaj jam depost longe. Li konas bonege ĉiujn aferojn. Li scias, kio en la kooperativo estas bona kaj kio malbona, kion ĝi bezonas de la Asocio. Li estas prudenta, do li estos la plej bona delegito.

Ĉiuj konsentis, ke la protektanto estas prava, kaj oni elektis Antonĉjon dum sekreta voĉdonado per ĉiuj voĉoj. Nur li mem sur sia karteto skribis iun alian.

*

Post du semajnoj mi veturos la urbon! — deklaris hejme Antonĉjo, reveninte de la kunsido.

La gepatroj kaj la gefrataro rigardis lin mirigitaj.

— Ho, ho, de kiam tiu memstareco? demande mokas la patro.

— La kooperativo sendas min, kiel sian delegiton, al la Kongreso de la Asocio.

— Ha, ĝi estas io alia, — diris la patro kun estima tono, ĉar la lerneja kooperativo havis en la tuta vilaĝo bonan opinion, kvankam gvidis ĝin infanoj.

— Jen do, patrin' — ŝercis la patro — ci ĝoju ke ci havas tian filon! Antaŭ nelonge li tenis ĉemizon en la dentoj, kaj jen — delegito! Ne bagatelo!

— Kion ci, Antonĉjo — tia malgranda — faros ĉe tiu-ĉi kongreso? Ĉu ci estas kompetenta? — demandis la patrino, rigardante la filon kun fiero.

— Ne timu, patrino, li scipovos! Se la kooperativo delegas lin, li certe scipovos! — diris konvinke la patro.

La malgrandaj fratoj kaj fratinoj, — ili estis tuta kvino en la ĉambro — rigardis estimplene Antonĉjon, kiu sola veturos ĝis al la urbo por grava afero.

*

Dum du semajnoj Antonĉjo intense laboris. Ĉar, kiel kutime, li studis la lernej-lecionojn kaj samtempe, kiel delegito, li devis bone konatiĝi kun la presita Raporto de l'Asocio, sendita al la kooperativo kune kun la kongresa invito.

Ŝajnus, ke la Raporto ne estas longa: maldika libreto, enhavanta ĉirkaŭ tridek paĝojn.

La gepatroj miris, pro kio Antonĉjo tiel longe legas la libreton.

— Ĉar ĝi ne estas ordinara libro — ĝi estas bilanca

raporto. Nuraj ciferaj komparoj — klarigis Antonĉjo al la gepatroj.

La patrino prenis la libron en la manojn, foliumis kelke da kartetoj, sed nenion komprenis. La patro — same. Ne mirige — oni devas speciale lerni tiajn aferojn.

Sidas do nia Antonĉjo, studante la raporton, trarigardas la ciferojn kaj sulketas la frunton. De tempo al tempo li substrekas ion en la libreto aŭ notas ion sur aparta paperfolio kaj plue profundiĝas en la raporton.

La patrino sendis la pli junajn infanojn for de la ĉambro, ke ili ne malhelpu al Antonĉjo dum lia laboro. Ŝi mem sidas ĉe la tablo kaj kune kun la patro observas ame sian fileton.

— Saĝa, ho, saĝa nia Antonĉjo. Instruita. Ne vane oni elektis lin delegito, pensas la gepatroj.

— Antonĉjo, ĉu ci lernis tiun librotenadon dum la lecionoj? — ekdemandis la patro.

— Ne. En la lernejo ni lernas ion alian. Mi lernis tion en la kooperativo.

*

Sabate, la antaŭtagon de la Antonĉja forveturo al la urbo, okazis denove komuna kunsido de la konsilantaro kaj de l'estraro de kooperativo.

La juna delegito klarigis la per si trastuditan raporton de la Asocio, poste oni priparolis siajn lokajn aferojn kaj oni kune decidis, kion la delegito devas paroli kaj kion li devas postuli ĉe la kongreso.

Antonĉjo enskribis ĉion-ĉi precize en sian notlibron.

Poste Marinjo — la sekretariino — kaligrafie skribis por li la oficialan rajtigilon. La prezidanto subskribis ĝin kaj metis la stampon.

Fine Bolĉjo — la kasisto, kora amiko de Antonĉjo kaj fidela kamarado de liaj ludoj depost la kamentubistaj tempoj, elpagis al li el kaso ses zlotojn sepdek du groŝojn por la vojaĝkostoj. Por la bileto li pagos tien kaj reen po du zlotoj kaj tridek ses groŝoj, do kune kvar zlotoj sepdek du groŝoj. La restintaj du zlotoj — por la vivteno. Antonĉjo ja pasigos ekster la hejmo tutan tagnokton.

Li revenos apenaŭ nokte antaŭmatene. Do li trinkos teon du aŭ trifoje en la stracidomo, li tagmanĝos en la urbo. Por tio li havas du zlotojn.

*

Li vekiĝis hodiaŭ frumatene antaŭ tagiĝo — purigis zorge sian dimanĉan vestaĵon kaj ŝuojn, lavis sin akurate, surmetis puran tolaĵon. Li vestis sin kaj brosis antaŭ la spegulo sian blondan hartufon. Li manĝis kun apetito iom da ovaĵo, frititan por li de la patrino kaj trinkis grandan poteton da lakto. Poste li prenis en la manon etan pakaĵeton, en kiun la zorgema patrino enmetis kelkajn pecetojn da pano, dike ŝmiritajn per butero kaj fromaĝo.

Li kisis la manon de la patrino (la patro kaj la infanoj dormis ankoraŭ), kaj ekmarŝis stacion.

*

Komencis tagiĝi. Ho, kio povas esti pli bela ol frua

maja mateno! Vigle paŝis nia Antonĉjo kun sia pakaĵeto en la mano, meze de la perlosimila roso kaj kanto de l'vekiĝintaj birdetoj. Li eĉ ne rimarkis, ke li jam trapaŝis kvar kilometrojn, kaj jen — li estas ĉe la stacidomo.

Tie-ĉi li devis atendi la vagonaron pli ol unu horon.

Sed li ne enuiĝis kaj ne perdis vane la tempon, ĉar li elpoŝigis kaj trarigardis la Asocian Raporton kune kun siaj notaĵoj, rememortante, kion li devas paroli dum la Kongreso.

Fine enruliĝis bruege la vagonaro kaj Antonĉjo eniris vagonon.

*

Post du horoj de rapida veturo kaj kelkaj haltiĝoj, la vagonaro fine atingis la distriktan urbon, kie devis okazi la Asocia Kongreso.

Antonĉjo eliris el vagono. En bufedo li mendis glason da teo, prenis el la paketo sufiĉe grandan pecon da pano kun dika tavolo de fromaĝo, satiĝis bonege, pagis por la teo kaj foriris el la stacidomo urben.

Tie-ĉi li demandis la unue renkontitan homon pri la vojo al la Asocio kaj ekiris laŭ indikita direkto.

Ĝis nun li neniam estis en ia urbo, do li admiris la longajn vicojn de kelk-etaĝaj domegoj kaj la nekalkuleblan multon da elpendaĵoj.

Tamen la urbo ne plaĉis al li. — Pli bela estas la kamparo.

Fine li trovis flankan strateton, apud kiu laŭinforme troviĝas la Asocio. Kurbiĝa strateto, suprenrampanta.

Ambaŭflanke staras malaltaj, klinitaj, malnovaj dometoj, dronantaj en densa verdaĵo de florantaj arboj kaj arbustoj. Ju pli supre, des pli bele. Aero pura. Suneto jam varmigas. Zumas abeloj. El la ĝardenoj venas odoroj de siringoj, de kaŝtanoj kaj jasmenoj. Oni vidas kampojn kaj arbarojn — ĝis horizonto. Ĉe l'piedoj de l'urbo kvazaŭ blua rubando, preterfluas bela rivero, pri kiu Antonĉjo scias parkere versaĵon, skribitan de Adam Mickiewicz.

La malgranda delegito deprenis ĉapon, por ke la suno karesu iomete liajn harojn kaj haltis momente por ĝui la belegan vidaĵon.

Bela, ho, bela estas nia lando! — li diris al si, ravita, paŝante pluen.

*

Marŝinte apenaŭ cent paŝojn, li ekvidis beletan blankan dometon, eliĝantan el mezo de verda densaĵo de jasmenaj arbustoj. Nova, pureta, ridetanta de supre al urbo, al la rivero, al kampoj, montetoj kaj al la malproksimaj arbaroj per granda vitraro de siaj fenestroj.

Estetika blanka palisetaro limigas la dometon de la strato. Ĉe la pordego troviĝas blanka, negranda tabulo. Antonĉjo tralegis:

**Regiona Asocio de Junular - Kooperativoj.**

Antonĉjo, verdire, sciis, ke la Asocio depost aŭtuno lokiĝas en propra, novkonstruita domo. Sed li ne imagis, ke tiu domo estas tiel bela!

— Ĝi estas nia komuna laboro, nia komuna akiro, — diris al si emociite Antonĉjo, malfermante la porde-

ton kaj enirante — kun koro batanta — kvazaŭ en sorĉigitan reĝlandon — sur la korton de l'Asocia Domo.

*

Sur granda verando, sur benkoj kaj ŝtuparo sidis kaj staris pli ol tridek personoj. Plejparte pli aĝa infanaro de popol-lernejoj. Estis kelkaj junuloj kaj ju-



nulinoj de superaj klasoj de gimnazio kaj ankaŭ kelkaj geinstruistoj.

Antonĉjo ĝentile deprenis sian rondĉapon kaj salu-

tis ĉiujn, tre hontante antaŭ tiel multnombra aro da nekonataj personoj.

— Ha, ankoraŭ unu delegito! Bonvenu! Ni salutas vin! Ni petas! De kie vi venas? Kiel vi nomiĝas? — eksonis voĉoj kaj multo da amikaj manoj etendiĝis al li kun forta saluta premo.

Unu sinjoro diris:

— Mi estas direktoro de la Asocio. Mia nomo — Ligowski. Mi petas pri la rajtigilo de via kooperativo.

Antonĉjo eligis la rajtigilon el interna poŝo de l'jako, disvolvis ĝin atente kaj prezentis al la direktoro, kiu enskribis la junan delegiton sur liston de ĉeestantoj.

*

Poste la direktoro elprenis poŝhorloĝon, ĵetis sur ĝin rigardon kaj turnis sin al ĉiuj.

— Gesinjoroj! Multaj el vi estas la unuan fojon en la Asiocio. Kaj — kvankam vi de la Raporto scias multe pri ĝi, tamen eble vi dezirus vidi ĝin detale. La kongreso devas komenciĝi post kvardek minutoj. Do ni havas sufiĉe da tempo.

— Volonte! Bone! Konsentite!

— Do, bonvolu sekvi min.

Tra malgranda antaŭĉambreto ili eniris vastan ĉambregon, tre helan, ĉar havantan eĉ ses fenestrojn — suden, orienten kaj okcidenten.

Tie-ĉi estas la oficejo kaj la deponejo de l'Asocio, — klarigas la direktoro. Tiu-ĉi ĉambrego okupas duonon

de la domo. En la dua duono — mia privata loĝejo: du ĉambroj kaj kuirejo.

En ĉi-tiuj grandaj ŝrankoj, kiuj staras apud la muro, troviĝas la varoj, kiujn vi de la Asocio venigas por viaj kooperativoj. La Asocio mem aĉetas ilin grandkvante aŭ senpere en la fabrikoj, aŭ en Varsovio ĉe la Asocio de Konsumkooperativoj „Kunlaboro", de vi bone konata. La librojn ni mendas senpere de la eldonistoj.

Jen — en ĉi grandega ŝranko estas libroj. Nun ĝi estas preskaŭ malplena, ĉar ni havas finon de lerneja jaro. Sed aŭtune ĝi estos plen-plena, kaj ankoraŭ multaj libroj ne trovos lokon en ĝi kaj kuŝos en pakoj. Pensu nur: Al la Asocio apartenas 79 kooperativoj, kaj ili ĉiuj aĉetas ĉion bezonatan nur ĉe ni.

En tiu-ĉi kaj jena ŝranko — la kajeroj. Kaj jen — krajonoj, gumetoj, plumoj kaj ceteraj etaĵoj. Vi vidas — ĝi estas alie aranĝita — plena de bretoj kaj diversaj tirkestoj.

En tiu-ĉi malgranda ŝranko troviĝas kliŝoj por magika lanterno. Ni havas multon da ili. Ĉiu el viaj kooperativoj — kiel vi scias, prunteprenas ilin kune kun la lanterno. La Asocio havas eĉ kvar proprajn lanternojn por prunto. Sed tio ne sufiĉas. Ni estos devigitaj aĉeti ankoraŭ minimume du.

En tiu ega ŝranko — papero, geografiaj kartoj kaj diversaj ilustraĵoj, gluitaj sur kartono, por instruado de: historio, geografio, natursciencoj kpt., destinitaj por ornamo de muroj en viaj klasoj.

Sur tiuj bretoj, kiel vi vidas, la migrantaj bibliotekoj. Ili sendube kontentigas vin ĉiujn?

Tie-ĉi estos starigita ŝranko, en kiu troviĝos kinoaparato kaj filmoj, se vi decidos hodiaŭ dum la kongreso la aĉeton de tia aparato. Ĝi ne kostas tro multe, kaj donas tiom da plezuro!

Antonĉjo nur unufoje dum sia vivo vidis filmbildojn. Ĝi estis en urbeto dum indulgenca festo en migranta budo. Ili tre plaĉis al li. Pro tio li ekĝojis, aŭdante la intencon de l'direktoro.

Ho! Anĉjo certe voĉdonos por aĉeto de tia aparato!

— En la Asocio — klarigis plue la direktoro, — laboras du personoj: mi kaj la gardisto. Ĉi-lasta zorgas pri ordo en la domo kaj sur la korto, hejtas en fornoj, alveturigas la varojn de la stacidomo, helpas al mi ĉe l'pakado de varoj por la kooperativoj. Li loĝas en malgranda dometo antaŭ la pordego. Sed ni havas tiom multe da laboro kaj ĝi multobliĝas ĉiam pli, ke ni estos devigitaj preni por helpo iun kapablan kaj laboreman knabon.

Sur subtegmento super ni estas mezgranda gastoĉambro kun vasta ĉirkaŭvido al la urbo, la rivero kaj la tuta ĉirkaŭĵo. Tie staras du litoj kaj la gastoj havas ĉiam freŝan litaĵon. Gastojn ni havas sufiĉe ofte.

Kiu el vi estos devigita tranokti en nia urbo — ni petas — al la Asocio, en nian hotelon!

*

Dum tiuj interesaj klarigoj alvenis la resto de delegitoj.

Kiam la direktoro finis sian parolon kaj enskribis la nove-alvenintojn sur la liston de ĉeestantoj, ĉiuj komencis vigle labori: dum kelkaj minutoj ili kune malsuprenportis la benkojn kaj seĝojn de la verando al la salono, ordigante ilin en vicojn.

La horloĝo eksonis la naŭan horon. Delegitoj de ĉiuj organizitaj kooperativoj jam sidas en la kunvenejo. La prezidanto de l'asocia konsilantaro malfermas solene la Kongreson sen minuto de malfruiĝo.

## HEJ! BRAKON AL BRAKO!

Kaj nun, diru al mi, miaj knaboj, ĉu vi konas tiajn petolulojn kiel Antonĉjo-la kamentubisto, aŭ la du fratojn — Vojĉjon kun Miĥĉjo, kiuj tiel malfeliĉe ludis je masonistoj?

Ho, ho, kial ne? Tiajn bubojn ni havas sur ĉiu paŝo! Ni mem ne estas pli bonaj ol ili!... Estas ja tiel agrable imiti plen-aĝulojn kaj fari ion grandan!

Jen-kion respondos al mi la knaboj, kiuj legos tiunĉi libreton... Ĉu mi devenis?... Ĉar ĉiu knabo devas esti tia!

Kaj vi — knabinetoj? — Diru, ĉu vi konas tiajn bubinetojn, kiel la eta Marinjo, enŝovanta ĉien sian nazeton aŭ kiel tiu Halinjo, kiu difektis sian plej bonan robeton, nur por pli bele vesti la pupon?

— Ni konas! Ni konas! Tiajn knabinojn ni renkontas sur ĉiu paŝo! Ni mem ne estas pli bonaj!... Estas ja tiel agrable imiti plenaĝulojn kaj fari la samon kion ili faras!

Jen kion respondos al mi la knabinoj, kiuj legos

tiun - ĉi libreton... Ĉu mi divenis?... Ĉar ĉiu knabino devas esti tia!

*

Kaj en aliaj landoj ĉu mankas tiaj Antonĉjoj kaj tiaj Halinjoj?

Ankaŭ en aliaj landoj la infanoj estas la samaj!

Ĉiu infano: pola ĉu rusa, franca aŭ angla, amerikana, ĥina, japana ĉu negra, — ĉiu, se ĝi nur estas brava infano, ŝatas ŝajnigi plenaĝulojn kaj imiti ilian laboron, por fari ion gravan.

Ĉiuj infanoj similas unu al alia.

*

Kiom da infanoj estas en la tuta mondo?

Milionoj! dekoj da milionoj! centoj da milionoj!

Nun pripensu: kiom da malutilo faras ĉiuj-ĉi infanoj per sia petolado?!

Nur pro tio, ĉar ili ne scipovas bone ludi je plenaĝuloj.

— Sed — se nur li lernos la ludon je l'kooperativo. — tuj la petolaĵoj forlasas iliajn kapojn! Same kiel okazis ĉe Antonĉjo kaj Halinjo... Ĉu indas petoli „je kvazaŭ" se ekzistas ludo „je l'vero".

Kaj — kio okazos, se infanoj de la tuta mondo komencos ludi je kooperativo?...

*

Unu infano per propraj fortoj faros nenion gravan. Kaj ne nur infano, — ankaŭ matura homo.

Sed la infanoj de la tuta lernejo, se ili havas sian kooperativon, faras en ĝi tiajn aĵojn, ke eĉ plenaĝu-

loj ne ĉiam scipovos fari pli bone. Multon ja povas fari harmonia aro, eĉ se ĝi estas nur aro da infanoj.

Kiam ĉiuj lernejaj kooperativoj de iu granda urbo aŭ distrikto, havante komunajn interesojn, kuniĝos kaj organizos komunan distriktan asocion? — Ho! Tia Asocio povas jam fari tre gravajn aĵojn!

Kaj se ĉiuj-ĉi distriktaj asocioj, ankaŭ por komuna intereso, kuniĝos kun si kaj fondos unu centran, por la tuta Pollando laborantan Asocion de infanaj kaj junularaj kooperativoj? Ĝi estus grandega Asocio! Ĝi havus en siaj koopertivoj kelkajn milionojn da fidelaj membroj! Ho, kion tia Asocio povus fari!

Sed — en aliaj landoj la infanaro kaj junularo ankaŭ havas siajn kooperativojn. Se do Centraj Asocioj de ĉiuj landoj kunligiĝos por komuna afero kaj organizos unu tutmondan internacian Asocion de infanaro kaj junularo?

— Tiam la tuta mondo iĝos pli bona!

*

Kaj ĉion-ĉi kreos tia petolantaro kiel Antonĉjo, Stasinjo, Staĉjo kaj Halinjo — unuvorte vi ĉiuj — infanoj de la tuta mondo.

*Hej, brakon al brako!*
*Per kuna ĉenaro*
*Ni ĉirkaŭu la globon — la teran!*
*Ni kunigu la pensojn en unu cetrujon fajreran*
*Kaj spiritojn en koncentra aro!*

*(Mickiewicz).*

---

## INVITO.

Forfluis dek-kelk jaroj.

Tempo sufiĉe longa, dum kiu multe, multe ŝanĝiĝis en la mondo.

*

Grandaj ŝangoj okazis ankaŭ en la vivo de nia junularo.

Iam nur tie aŭ aliloke estis en nia lando kooperativoj en lernejoj. Nun ili estas senescepte en ĉiu lernejo.

Antaŭe tiuj kooperativoj agis tute individue. Ĉiu laboris nur per propraj, tre neimponaj fortoj. Nun ĉiuj el ili apartenas al sia distrikta asocio. Kaj ĉiuj-ĉi distriktaj asocioj havas unu — centran asocion — por la tuta Polujo.

La samo okazis intertempe ankaŭ en aliaj landoj de la tera globo. Kie nur troviĝas infanoj kaj junularo, — tie estas ankaŭ iliaj kooperativoj.

Kaj jam depost kelkaj jaroj ekzistas Internacia Asocio de tiuj kooperativoj.

*

Dum tiu tempo ankaŭ mi aliiĝis. Precipe mi maljuniĝis.

Kiam nia bona konato Antonĉjo grimpadis sur tegmentoj kaj ludis je kamentubisto, — mi estis ankoraŭ juna kaj havis nek unu grizan haron.

Post kelkaj jaroj, kiam la sama Antonĉjo veturis kiel delegito de sia lerneja kooperativo al la regiona kongreso, — jam sur mia tempio komencis arĝentobrili — grizeco.

Nun arĝentiĝas jam la tuta kapo.

Somere de kuranta jaro mi forveturis montaron, por ripozi kaj pasigi tie mian libertempon. Kaj jen — iun tagon mi ricevis leteron. En firmaa koverto ĝi estis. Skribita sur maŝino.

Jen ĝia enhavo:

*CENTRA POLA LIGO DE JUNULAR — KOOPERATIVOJ.*

*Montara Junular-Kolonio je la nomo de Eduardo Abramowski sur monto Magórka Nr. 1387.*

*Magórka, la 9-an de Julio 19...*

*Estimata Sinjoro,*

*Eksciinte pri via restado en nia distrikto, nia Kolonio afable invitas vin al si almenaŭ por kelke da tagoj.*

*La lasta fervoja stacio — Beskid.*

*Ni tre petas veni la 15-an de kuranta monato. Ni antaŭvenos renkonte al vi ĉe la stacidomo.*

*Bonvolu nepre alveni, ni petas! Atendante, ni restas*

*estimplene*

*(Stampo kaj kelkaj subskriboj).*

Ĉu mi devas priskribi, kiel mi ekĝojis pro tiu invito?

Kiucele? Ĉiu ja sen tio bone komprenas, ke mi estis tre ĝojigita.

La saman tagon mi respondis, ke mi alveturos.

*

Kaj jen alvenis la dimanĉo.

Matene, tre frue, mi aliris al la stacidomo kun valizeto en unu mano kaj bastoneto de Zakopane en la alia. Ĉio jam naĝis en pleno de suna brilo. La aero estis kvieta, pura, freŝiga, kia ĝi povas esti nur en montoj. Kaj la ĉirkaŭo tiel bela!

Enruliĝis bruege la vagonaro. Mi ensidis kaj rapidis foren.

Vagono estis malplena. Nur kelkaj personoj. Mi komencis interparoli kun la najbaroj kaj informis ilin pri la celo de mia vojaĝo.

Evidentiĝis, ke ĉiuj tre bone konas la junularan kolonion sur la monto Magórka.

Unu el la vojaĝantoj komencis rakonti al mi pri ĝi.

*

Belaj estas niaj montoj kaj la aero freŝiga!

El ĉiuj partoj de Pollando la homoj alveturas al ni, por promenadi sur tiuj montoj, spiri ilian aeron, pliigi siajn fortojn kaj pligrandigi ankoraŭ sian amon al vivo kaj al laboro.

*

Antaŭ ses jaroj aŭ eble pli - alveturis al nia montaro ia ekskurso el Varsovio aŭ eble eĉ el Vilno. Dek-kelk da pli aĝaj knaboj kaj knabinoj kun sia instruistaro.

Ĉirkaŭ du semajnojn ili pasigis ĉe ni.

Iun tagon, antaŭ la sun-subiro ili supreniris ĝis la pinto de la monto Magórka. Treege tie al ili ekplaĉis. Ĉu povis ne plaĉi al ili, se de tiu supro oni vidas la tutan montaron Tatry kvazaŭ sur manplato! Ili do estis senmezure kaj senfine ravitaj. Kutime — kiel junuloj.

Ili tranoktis en la rifuĝejo sur supro de l'monto. La sekvantan tagon ili parolis al si:

— Indus aĉeti tiun-ĉi Magórka.

Kaj ili demandis en la rifuĝejo, al kiu apartenas la monto.

Sed neniu el ni tiam supozis, ke tiaj uloj povus vere pensi pri aĉetado de l'monto. Oni pensis, ke ili parolas ŝerce.

*

Post ilia vizito ĉiam pli kaj pli ofte komencis viziti la monton knabinoj kaj knaboj el diversaj partoj de Pollando.

Se nur estas ia ekskurso junulara en niaj montoj, — ĝi nepre devas esti sur Magórka.

Ne estis ĝis nun tia festotago, dum kiu en la rifuĝejo sur la supro de l'monto ne estus pasiginta sian tempon ia junula societo.

Kiu el ni povus tiam pensi, ke celkonscie la tuta junularo de Polujo alveturas tien por vidi la monton, ĉar ĝi jam intencas aĉeti ĝin. Ĝi eĉ havas por tio seriozan sumon da mono.

*

Fine — post unu jaro — aŭtune — eble en novembro, alveturis du sinjoroj.

Kaj ili komencis marĉandi pri la supro de Magórka kune kun la rifuĝejo kaj la tuta deklivo de l'monto. Kelkfoje ili alveturadis por ĉi-tiu afero.

Kaj fine — ili aĉetis!

Kaj ĉu vi scias por kiu? — Por la ĉefa pola Asocio de Junularaj Kooperativoj!

*

Oni komencis konstrui la kolonion.

Vi vidos kiel impona ĝi estas. La rifuĝejon sur la supro, kun belega perspektivo al la malproksima Tatramontaro, ili alikonstruis tiel bele, ke pli belan vi ne trovos en tuta nia montaro.

Kiel ili laboras! Kiel ili mastrumadas!

Ho, ne bagatela mastrumado! Loĝas ja tie dum somero almenaŭ tricent knaboj kaj knabinoj, aŭ eble eĉ pli multe. Vizitas ĝin dum somero pli ol mil, tute certe.

Kaj ĉio prosperas bone!

Ho, kiel bone! — Ordo — kvazaŭ en horloĝa mekanismo: ĉio moviĝas tie en ĝusta tempo kaj sur ĝusta loko.

Mi povas diri sen troigo: la kolonio sur monto Magórka estas fieraĵo de nia tuta regiono.

Sed jen ni jam alveturas. Vi tie-ĉi elvagoniĝas.

*

Fakte la vagonaro malrapidigis sian ruladon kaj — haltis.

— Ĝis revido, gesinjoroj!

— Ĝis la revido, sinjoro!

Mi eliris.

---

## MALNOVAJ KONATULOJ.

— Saluton, sinjoro! — Saluton!

Ses junaj personoj ĉirkaŭas min en fermita rondo. Ses junaj vizaĝoj ridetas al mi gaje. Ses junaj manoj etendiĝas al mi por forta, elkora premo.

Tri—jam tute plenkreskintaj kaj tri junuloj, nome: du sinjoroj, juna sinjorino, du bravaj, viglaj knaboj kaj unu fraŭlino — junulineto kun saĝa aspekto. Ĉiuj bruligitaj per suno kvazaŭ negroj.

*

— Mi tuj rekonis vin, kiam nur vi montriĝis en la fenestro de l'vagono, kvankam mi vidis vin la lastan fojon almenaŭ antaŭ dek jaroj, — diris al mi juna sinjoro — belstatura brulhaŭta blondulo kun bela lipharo, longa ĝis la oreloj.

Mi rigardis lin sed ne rekonis.

— Mi estas Antono Dymek!

— Sinjoro Dymek?... Pardonu... sed... mi ne rememoras.

— Sed Antonĉjon-la kamentubiston vi certe memoras!

Vere — staris antaŭ mi la iama Antonĉjo — kamentubisto.

Kore mi premis lian manon.

*

— Kaj jen mia edzino, ankaŭ al vi delonge konata, — prezentis al mi Antonĉjo sian kunulinon.

Mi kisis la maneton de la juna sinjorino.

— Ankaŭ mi ne povas rememori.

— Kaj Halinjon el la instruista seminario — ĉu vi memoras?

— Halinjon! kial mi ne memorus?! — Ho, perfekte!... Mi eĉ memoras, kiam Halinjo, estante ankoraŭ tute eta kaprineto, — distranĉis, ĉagrenigante sian panjon — la plej bonan sian robon por vesti la pupon! Ĉu mi povus forgesi Halinjon, kiu poste instruis al sia patrinjo la librotenadon!

— Mi senpere rememorigos min al vi, — diris la dua sinjoro, maldika blondulo kun eta barbo, simila al tiu de Kristo sur bildoj.

— Mi estas Staĉjo de la obskura domo.

Mi rigardas — vere Staĉjo, la sama Staĉjo. Nur li fortikiĝis. Sed la samaj simpatiaj okuloj, la sama milda rideto ĉe li.

*

— Kaj nun vi bonvolu konatiĝi kun la reprezentantoj de nia junularo, — diris Staĉjo.

— Mi estas Janinjo Małek, delegita al via renkonto per la „Hejmo de knabinoj".

— Mi estas Ĉeslav Rajca, delegita per la „Hejmo de knaboj".

— Kaj mi estas Franĉjo Vigorelli, delegita per la eksterlandaj gastoj, — diris dua knabo en tute korekta pola lingvo kun nur iomete rimarkebla fremda akcento.

— Sed ni iru jam al la veturilo, ĉar nia Bolĉjo certe jam malpacienciĝas! — diris Antonĉjo.

Bolĉjon vi ankaŭ certe memoras. El la sama vilaĝo kaj la sama lernejo, en kiu mi estis. Bravega bubo! Kune ni iam petoladis kaj nun ankaŭ laboras kune.

Ni ekmarŝis for de l'perono.

*

Sur alia flanko de la stacidomo atendis nin ampleksa

krakova veturigilo, tirata per paro de belaj grizaj ĉevaloj kun ornama krakova jungaĵo. La ĉevaloj batis malpacience la pavimon per fortikaj hufoj, etendadis la kolon kaj ĵetadis fajrerojn el okuloj.

La ridetantan je mia renkonto junan, sunbruligitan mastron mi tuj rekonis: Bolĉjo, la amiko de Antonĉjo.

Denove kora reciproka saluto.

Fine ni ĉiuj lokiĝis en veturigilo sur oportunaj sidlokoj, kiujn Bolĉjo faris majstre el fojno.

Bolĉjo ektiris la kondukilojn. La ĉevaloj hufbate ekkuris per troto rapida. La veturigilo bruante ekrulis sur la ŝoseo.

*

— Ĝis la kolonio ni veturos kelkajn, sufiĉe longajn, kilometrojn. Dum tiu tempo ni sukcesos rakonti al vi, kio okazis ĉe ni dum la lastaj jaroj.

— Bonege! Rakontu do! Unue Antonĉjo, poste sinjorino Halinjo, poste Staĉjo kaj Bolĉjo. Bone?

— Bone!

— Do, Antonĉjo, ni aŭskultas!

## RAKONTO DE ANTONĈJO.

Kiam mi finis la popollernejon — komencis sian parolon Antonĉjo, — la direktoro de nia distrikta asocio, kiu bezonis knabon por helpado, kaj kiu ekkonis min iomete dum la kongreso de delegitoj, sendis al mi leteron, proponante kaj konsilante, ke mi anoncu min por tiu-ĉi laboro en asocio.

Mi tre ekĝojis pro la invito.

Sed la patro neniel volis permesi.

— Kio do, — li diris, — ĉu ne sufiĉas pano kaj labo-

ro por Antonĉjo sur la patra bieno ĉe si mem? Kial li devas migri al fremdaj homoj, por esti malbone traktata? Li laboru hejme! Tie-ĉi li ankaŭ estos utila.

Sed mi ne rezignis.

Kune kun la protektanto de nia lerneja kooperativo, ni komencis konvinkigi la patron, ke laboro en la Asocio ne estas ia malbontraktado ĉe fremdaj homoj, sed ankaŭ laboro ĉe si, nur sur komuna socia kampo.

Ni klarigis, ke la invito de l'Asocio estas por mi granda honoro. Ke, laborante tie, mi konstante pluen lernos kaj post ia tempo mi fariĝos homo saĝa kaj utila por la socio.

Kaj la patro fine permesis.

*

Mi do forveturis al la Asocio. Mi ekloĝis en la gasta ĉambo sur monteto.

La direktoro estis por mi tre favora. Li okupiĝis kaj zorgis pri mi kvazaŭ pri sia pli juna frato. Li iniciis min iom post iom en ĉiujn aferojn de l'Asocio. De la plej simplaj ĝis la plej malfacilaj. Pacience, li instruis min dum la longaj vintraj vesperoj. Donadis librojn por legado.

Al li mi dankas, ke mi fariĝis tiu kiu mi nun estas.

Post kvar jaroj mi forveturis — je kostoj de la Asocio — Varsovion, por partopreni la jaran klerigan kooperativan kurson. Intense mi lernis tie kaj multe profitis.

Post fino de l'kurso mi denove revenis al mia laboro en la Asocio.

*

Ian fojon, malpli ol unu jaro post mia reveno el Varsovio, alpaŝis al mi la direktoro, kiam mi laboris ĉe la skribtablo kaj diris:

— Antonĉjo, prenu puran folion de papero, kaj skribu tuj bele, oferton al la konsilantaro de distrikta asocio de junular-kooperativoj en Lublin. Kiel ci scias, tiu asocio, antaŭ nelonge fondita, serĉas direktanton. Mi rekomendis cin al ili, kiel konvena kandidato.

Post unu semajno mi ricevis respondon, ke mia oferto estis akceptita. Kaj post du semajnoj mi forveturis al la nova posteno, adiaŭata tutkore de la direktoro kaj de lia familio.

Sur la nova, jam memstara posteno, mi sukcesadis sufiĉe kontentige, ĉar mi ricevis bonan instruon de mia direktoro kaj ĉe la varsoviaj kursoj.

*

En tiu tempo mi ekkonis Halinjon.

Ŝi estis tiam juneta instruistino, en unu el vilaĝaj popol-lernejoj, kaj samtempe protektantino de tiea lerneja kooperativo.

Mi ekkonis ŝin, kiel membron de asocia konsilantaro. Tuj de la komenco ŝi fervore helpis al mia laboro per sia konsilo kaj subteno.

Mi estis tie ĝis la fondo de tiu-ĉi kolonio per la Centra Asocio, kie oni donis al mi la postenon de administranto de la ekonomia fako.

Antaŭ tri jaroj mi kaj Halinjo geedziĝis. Post alveno al la kolonio, ŝi fariĝis protektantino de la „Domo de knabinoj".

Ni havas malgrandan fileton — Eduardon. Ni nomis

lin tiel por honori la memoron de Abramowski. Modele ni volas eduki lin, por ke li iĝu brava kooperativisto.

*

Ŝajnas, ke mi jam ĉion poparte rakontis pri mi, — diris Antonĉjo. — Kaj nun cia vico, Halinjo! — li aldonis.

— Parolante pri si, Antonĉjo ankaŭ pri mi ĉion diris. Do, mi rezignas parolon. Ŝtaĉjo nun parolu.

## RAKONTO DE STAĈJO.

Vi eble rememoras, — komencis Staĉjo, — ke en la domo, kie mi pasigis mian infan-aĝon, loĝis du malfortaj gemaljunuloj, kiujn mi ofte vizitadis.

Iun fojon, kiam la maljunulino estis malsana, mi invitis al ŝi kuraciston.

Li estis tre bona homo. Kortuŝita per la malfeliĉo de tiuj du homoj, forgesitaj de la tuta mondo, li komencis ofte viziti ilin.

Preskaŭ ĉiufoje li alportis ion kun si. Precipe manĝaĵon, — pli ofte ol kuracilojn. De tempo al tempo eĉ iun vestaĵon kaj tolaĵon.

*

Renkontante min ofte ĉe la maljunuloj, la kuracisto ekinteresiĝis ankaŭ pri mi.

Kiam mi finis popol-lernejon, li proponis al la gepatroj, ke ili sendu min al gimnazio. Ĉiujn kostojn de instruo kaj de vestado li promesis preni sur sin.

Dank' al tiu-ĉi nobla homo, mi finis la gimnazion. Poste mi vizitis la medicinan fakultaton de la universitato.

Mia protektanto helpis al mi dum la tuta daŭro de

miaj studoj. Ne nur per mono, sed tre ofte ankaŭ per sindona kaj saĝa konsilo.

Tiamaniere mi, depost kelkaj jaroj, estas jam kuracisto.

*

La infan — kaj junular — kooperativojn mi partoprenas de mia infanaĝo. Konstante — sen interrompo.— Ĉar — kiu unufoje sincere ekardis por kooperativa laboro, tiu neniam forlasos ĝin.

Pasintjare la Centra Asocio, je propono de Antonĉjo, faris al mi proponon, ke mi ekloĝu tie-ĉi en la kolonio, kiel kuracisto kaj protektanto de „Domo de knaboj“.

Volonte mi akceptis la proponon — des pli, ke mi havas tie-ĉi koran amikon Antonĉjo, kun kiu mi kamaradiĝis de la infanaĝo.

Ankoraŭ, kiam mi estis en popol-lernejo, mi pasigis kelkajn somerajn feriojn en la Antonĉja vilaĝo, kiel gasto de ilia lerneja kooperativo.

*

Mi do estas tie-ĉi kaj — laboras.

Ĝis nun mi ne edziĝis, sed mi jam havas fianĉinon.

Eble vi ankaŭ rememoras ŝin — Katrinjo — la orfineto. Ŝi bone memoras vin.

Post fino de popollernejo Katrinjo laboris en la kooperativo de sia urbo, kiel helpvendistino.

Tamen, ĉar ŝi estas tre kapabla kaj laborema, krom tio vera entuziasmulino al kooperativa ideo, — la estraro de la societo turnis tuj sian atenton al ŝi. Oni prenis Katrinjon el la vendejo al la oficejo kaj poste oni sendis ŝin al la kursoj al Varsovio.

Kiam Katrinjo finis la kursojn, la Virina Ligo ĉe la

Centra Asocio de Konsumkooperativoj „Kunago“ oferis al ŝi okupon en sia oficejo. Poste, ŝi pluen lernis per financa helpo de tiu Asocio.

Hodiaŭ ŝi estas asocia instruktoro.

*

Sed kiam ni geedziĝos tiun-ĉi aŭtunon, Katrinjo venos ĉi-tien al la kolonio.

Ŝi estos instruistino ĉe la kursoj, kiujn ni gvidas tie-ĉi ĉiuraje dum la tuta vintra sezono por pliaĝa junularo el ĉiuj regionoj de Polujo. Katrinjo multe scias kaj instruas perfekte.

Somere ŝi helpos al Anĉjo ĉe lia librotenado, ĉar en tiu sezono Anĉjo estas ĉiam tre okupata kaj bezonas helpon.

Jen ĉio, kion mi havis por diri pri mi mem. Kaj nun cia vico, Bolĉjo!

## RAKONTO DE BOLĈJO.

Bolĉjo transdonis la gvidrimenojn al la apudsidanta Franĉjo kaj — turnis sin al mi.

— Mi verdire ne havas tiom da temoj por rakonti kiel Anĉjo aŭ Staĉjo.

Mi finis nian vilaĝan lernejon kaj restis hejme por helpi al la patro ĉe mastrumado.

Dum la tuta tempo mi estis ano de la komunuma kooperativo, kelkfoje eĉ membro de ĝia konsilantaro.

*

Mi edziĝis kun Marinjo, kiu estis ĉe ni dum ia tempo sekretariino. Vi certe rememoros ŝin, kiam vi ekvidos ŝin en la kolonio. Marinjo - la sekretariino. Tiel oni nomis ŝin en la lernejo.

Ni havas tri infanojn: du knabojn kaj knabineton. La knabojn ni nomis Anĉjo kaj Staĉjo kaj la knabinon — Halinjo — laŭ la baptonomoj de niaj amikoj.

Ili kreskas plensane. La aero ja estas tie-ĉi mirakle freŝa, nutraĵo — sana, loĝejo — hela, seka, pura, varma, vasta. Nenio mankas al ili.

*

Antonĉjo (ne la eta — mia, sed la pliaĝa, kiu kun ni veturas) — kiam nur li fariĝis direktoro de distrikta



asocio, konstante skribis al mi, ke mi venu tien, ĉar laboron por mi li ĉiam trovos.

Sed ĉu mi estas stulta translokiĝi de l'vilaĝo urben?

Ankaŭ mia Marinjo por nenio en la mondo elveturus al urbo.

Marinjo estas — vi devas scii — unuaklasa mastrinjo!

⊙ Post finlerno de agrikulturaj kooperativaj kursoj, ŝi estis ĉe ni direktantino de lakto-kaj ov-kooperativoj, la plej granda en nia distrikto, liveranta la plej bonajn ovojn kaj la plej bongustan buteron. Ŝi estas tre mastrumema. — En la urbo, kian mastrumon ŝi povus havi? ⊙

Kiam Antonĉjo iĝis administranto de tiu-ĉi kolonio, li denove komencis skribi, skribadi, ke ni tamen nepre alvenu... Li skribis, skribis, kaj fine konvinkis nin.

*

Ni sentas nin tre bone tie-ĉi.

Kune kun Marinjo ni zorgas pri la bovinoj, kokinoj, ĉevaloj... Ho, kia multego!... Kiel bela ĉio-ĉi estas! Nia privata mastrumo neniam povus esti tiel imponа! Ho, neniam!

*

Laboro abundas, ho jej! — abundas... Sed helpantoj volontulaj kaj laboremaj ankaŭ — kiom nur ni ekdeziras. La knaboj kaj knabinoj de la kolonio, dum tuta tempo, helpas al ni. Unuj lernas de ni, de aliaj ni lernas.

Venas ja tien infanoj — el la tuta mondo!

Ekzistas nenio pli bona — ol vivi kaj labori en kooperativa kolonio! — finis sian rakonton Bolĉjo, kaj returnis sin al la ĉevaloj.

— Bone, kaj nun rakontu al mi ion pri via Centra Asocio. Ĝi devas esti potenca organizo?

— Jes, vere, — respondis Antonĉjo.

— Nia Asocio kunigas ĉirkaŭ cent distriktajn asociojn. En ili ni havas kune pli ol dek mil da kooperativoj, kun pli ol unu miliono kaj duono da membroj. Nia Asocio posedas la plej grandan paperfabrikon en tuta Pollando.

Ĉiuj libroj, ĉiuj kajeroj kaj ĉiuspecaj paperoj, kiuj nur estas uzataj de nia infanaro kaj junularo, — ĉio eliras el tiu nia fabriko.

Kaj — ĉu vi scias kiu direktas ĝin?

Via malnova konato — Miĥĉjo! La sama Miĥĉjo, kiu siatempe, ludante je masonistoj kun sia frato Vojĉjo, tenis en la kruĉo akvon anstataŭ kolorigilo.

⊙ Miĥĉjo estas unu el la plej agemaj membroj de nia kooperativo de l'laboro, kiu plenumas ĉiujn laborojn en la fabriko. Ritale al Vojĉjo, — li estas arkitekto kaj laboras en la Asocio „Kunago". Li direktas la teknikan fakon de la Ligo de Labor-kooperativoj de konstrua industrio, kaj senĉese kreas novajn fabrikojn, novajn domojn por ŝtataj kaj komunumaj institucioj, por loĝej-kooperativoj ktp. ⊙ — Sed kun ni li ĉiam interrilatas. Li ne forgesas, ke li estas lerninto de junulara kooperativo. Laŭ liaj planoj ja, oni konstruis nian kolonion. Sub lia senpera gvidado.

*

Poste — nia presejo estas ne nur la plej granda en Polujo, sed unu el plej grandaj en la mondo.

Ĝi okupas, kvazaŭ granda fabriko, grandegan konstruaĵon, speciale tiucele konstruitan de la Asocio.

Ĉiuj lernolibroj, uzataj en Pollando, ĉiuj infan-libretoj kaj rakontoj por la junularo, — unuvorte ĉio, kion oni eldonas sur la libra kampo por la maturiĝanta generacio, eliras depost kelkaj jaroj nure kaj ekskluzive el nia asocia presejo.

La vendado okazas ankaŭ nur per la kooperativoj. En aliaj vendejoj la pola infanaro kaj junularo ne aĉetas librojn.

Mi devas aldoni, ke en la paper-fabriko kaj en la presejo laboras iamaj membroj de lernejkooperativoj.

⊙ Laboristoj estas unuigitaj en kooperativoj de laboro. ⊙

*

Nun en Polujo ĉiu, kiu verkis libron por la juna generacio, sendas sian manuskripton al la Asocio por opiniigo.

En la Asocio laboras specialaj komisioj opiniantaj, konsistantaj el plej eminentaj instruistoj, edukistoj kaj verkistoj, kaj ankaŭ el reprezentantoj de junularo kaj infanoj. Estas kelkdeko da tiaj komisionoj. Por ĉiu speco de libroj — aparta.

Tiuj komisionoj pritaksas ĉiun alsenditan manuskripton.

Se la libro estas bona, interesa, bezonata, — la komisiono rekomendas la manuskripton al la Asocio por presado. Se tamen ĝi estas fuŝita, enuiga, nebezona, aŭ

— kio ankaŭ de tempo al tempo okazas — eĉ malutila, la komisiono forĵetas la manuskripton.

Hodiaŭa infanaro ne havas, kiel iam ni, librojn enuajn, malbonajn, malutilajn.

Hodiaŭ neniu plu en Polujo povas venenigi per presaĵoj junajn korojn kaj mensojn.

*

Mi devas ankoraŭ aldoni, ke la libroj de ni eldonataj estas senkompare pli malkaraj ol libroj de-antaŭ kelke da jaroj kaj ankaŭ pli bele eldonitaj.

*

Krom tio la Asocio eldonas kelkajn ĵurnalojn por junularo kaj infanoj.

El ili la plej disvastigata estas — „L a J u n a K o o p e r a t i v i s t o".

Tiu-ĉi bele ilustrita semajna organo presiĝas en pli ol miliono da ekzempleroj kaj estas la plej multe legata ĵurnalo en Polujo.

En ĝi presigas siajn verkaĵojn la plej famaj verkistoj kaj poetoj de Pollando, kaj la plej bonaj pentristoj — siajn ilustraĵojn.

Tamen plej multe skribas tie-ĉi la junularo mem.

Kaj ne nur pola junularo. „La Juna Kooperativisto" havas multajn korespondantojn en diversaj partoj de la mondo. Ĉar knabinoj kaj knaboj de eksterlando, kiuj tiom multnombre gastis ĉe ni kaj amikiĝis kun ni, ekkonis nian landon, iafoje eĉ lingvon, kaj alsendas konstante al ni artikolojn kaj leterojn por nia gazeto — plejparte pere de lingvo internacia esperanto.

*

La Asocio havas ankaŭ diversajn fabriketojn, en kiuj oni fabrikas la diversajn instru-helpilojn.

Ĉiuj lernejoj de Polujo aĉetas tian helpilaron nur ĉe nia Asocio.

Ĝenerale dirite — ĉio, kion nur la infanoj aŭ la junularo bezonas, estas produktata aŭ per la centra aŭ per le regionaj asocioj.

— „La kreskanta generacio ludas je kooperatismo ne por ŝerci!“ — diris iu dum unu el niaj kongresoj.

---

## KOLONIOJ DE L'ASOCIO.

Nun mi rakontos al vi per kelkaj vortoj pri la kolonioj de l'Asocio. Ili estas tri.

Nia „montara kolonio“ estas la plej malnova kaj la plej granda.

Ni baptis ĝin per nomo de Eduardo Abramowski, por tiel honori le memoron de nia plej eminenta istruisto, kiu montris la noblan vojon kaj altajn celojn al la konstruantoj de la renaskiĝanta mondo.

⁂

Poste ni havas „apudmaran kolonion“ sur la duoninsulo Hel.

Tuta vilaĝeto. Dek-ok malgrandaj, belaj dometoj por loĝado kaj la dek-naŭa Hejmo komuna.

La apudmara kolonio havas kelkajn fiŝist-boatojn kaj unu malgrandan vaporŝipeton. Tiu-ĉi alveturigas la bezonatajn produktojn, el Puck kaj el Gdynia. Per

ĝi la junularo aranĝas pli malproksimajn ekskursojn surmare.

Tiu kolonio estas dediĉita al la memoro de la plej granda pola profet-poeto — Adam Mickiewicz.

*

La tria — „arbara kolonio“ troviĝas en la provinco de Wilno.

Bele konstruita, en grandega malnova pina arbaro, sur alta monteto, ĉe la bordo de trankvila lago.

Ĝi titoliĝas per nomo de Józef Piłsudski, por honori la nefleksseblan kredon, senfinan oferemon, ŝtalan persiston kaj ardantan amon al sia Patrujo de la granda batalanto por liberigo de nia nacio.

En la arbara kolonio, same kiel ĉe ni en la montara, estas ĉiam vintre organizataj kursoj por la junularo.

Gvidanto de tiuj kursoj en Wilno estas ankaŭ via malnova konato — Henriĉjo. Vi certe rememoras: Henriĉjo, kiu portadis tian belan zakopanan pelteton.

— Jes, jes! Mi memoras Henriĉjon bonege!

---

## ...KAJ ILI KOMENCIS DE MALGRANDAĴO.

Nia Asocio kreskas kaj fortiĝas kun preskaŭ laŭfulma rapideco. Ĝi konstante perfektiĝas kaj disvolvas siajn labor-fakojn.

Senĉese ankaŭ ĝi instalas novajn, donante okupon al jam tre granda aro da homoj.

*

Tamen ni ĉiuj, kiuj laboras, ĉu en la centra asocio, ĉu en la distriktaj asocioj, — komencis starigi niajn unuajn paŝojn sur tiu vojo en niaj etaj kooperativoj.

Tie ni ekkonis kaj ekamis la kooperativan laboron. Tie ni lernis ĝin kaj faris nian unuan sperton, hardiĝante por ĝi.

Ni komencis per malgrandaĵo — per gaja ludo de lernejaj petoluloj. Sed ni finos per grandaĵo — nome per kreo de pli bona, pli feliĉa, libera kaj pli justa mondo.

*

Sed eble nun ci, Frančjo, rakontos al la sinjoro pri la Internacia Asocio?

— Ne sufiĉas tempo, — respondis Franeto Vigorelli, turnante sian vizaĝon al ni. — Post kelkaj momentoj ni estos surloke. Mi rakontos al vi poste, kiam ni ekmarŝos al la supro de Magórka.

— Konsentite!

---

## ALVETURO AL LA KOLONIO.

Animkaptita per la rakontoj de miaj junaj amikoj, mi ĝis tiam ne atentis la belan ĉirkaŭaĵon.

Nur nun mi rimarkis, ke ni veturas sur ŝoseo, sterniĝanta laŭlonge de la roka bazo de abrupta alta monto, kovrita per densa arbaro de verdaj graciaj piceoj. Sur alia flanko de l'ŝoseo, brue zumas rapida monta rivereto, en sia ŝtona lito.

Sur pure lazura ĉielo — nek unu nubeto. La suno

superverŝas nin per sia brilaĵo kaj forte varmigas. En la aero tamen oni sentas agrablan malvarmeton flanke de l'rivero.

Ni preterveturis multkoloran grupon da infanoj, kiuj salutis nin per gajaj krioj.

La monto iom flankeniĝis de l'ŝoseo. Ni ekvidis kelke da solidaj vilaĝmastraj konstruaĵoj kaj belan, negrandan dometon.

*

El ombra verando kapkline salutis nin juna virino. Mi konjektis, ke ŝi estas Marinjo, edzino de Bolĉjo.

La veturigilo haltis.

Mi forlasis la veturigilon kaj — salutante per mankiso la laboreman junan mastrinon, mi diris:

— Mi jam scias, ke vi fartas ĉiuj bonege tie-ĉi. Kaj ke sinjorino Marinjo, kiu iam ne povis ekmastri unu bovinon, hodiaŭ havas sub sia mastruma okulo tutan belan bovinarejon.

— Mi montros ĝin al vi morgaŭ. Vi mem konsentos, ke tiaj bovinoj, kiel la niaj, estas malmultaj en Polujo! — ŝi diris fiere.

— Nun mi ne povas prezenti al vi niajn infanojn, ĉar ili jam estas sur la monto, en la kolonio. Sed vi ekkonos ilin dum tagmanĝo.

Al nia loĝejeto mi momente ne invitas vin. Vi vizitos nin morgaŭ. Nun ni iru supren — al la kolonio!

*

Bolĉjo kaj la knaboj restis, por maljungi la ĉevalojn, kaj ni ĉiuj ekiris supren laŭ glata vojeto.

— Tie-ĉi malsupre apud la ŝoseo, — klarigis Marinjo, — ni havas nur kelkajn mastrumajn konstruaĵojn kaj dometon, en kiu loĝas nia familio.

La tuta kolonio estas lokita cent metrojn pli alte. Oni atingas ĝin de malsupre per kelkaj piedvojoj. Ĉi-tiu, sur kiu ni nun marŝas, estas speciale rulpremita. Tre oportuna. Ĉiu senlace povas per ĝi atingi la kolonion kaj reveni de tie malsupren al la rivero. Sed pli alte estas jam nur simplaj sovaĝaj montvojetoj.

*

Agrable babilante, ni supreniris malrapide per serpentuma, sed vere oportuna vojeto, meze de piceoj, fagarboj kaj rokaj blokoj. Nur tute malsupre kreskis kelkaj gajaj betuletoj.

Je ĉiu paŝo mi admiris la belan perspektivon al la rivero, la valo, al la malproksima sed ŝajne tiel proksima, montaro.

Ĉiumomente Staĉjo montris al mi tegmentojn montriĝantajn el malantaŭ la rokflanko.

— Ĉu vi vidas?— Jen jam la kolonio!

Post kelkaj minutoj, ni atingis grandegan ebenaĵon, glatan kiel tablo, inundatan per brilo de tagmeza suno.

De tie-ĉi senvualiĝas panoramo al tri flankoj de la mondo — orienten, okcidenten kaj suden. Malsupre, en verda valo, kvazaŭ mallarĝa, ĉielblua rubando, trafluas rivero, kaj pli malproksime — kien ajn ni ekrigardus — nur montoj, montoj kaj montoj, kovritaj per verda arbaro da fagoj kaj da piceoj.

Multego da infanoj kaj da junularo ĉirkaŭis nin tuj en gaja, kunpuŝita amaso.

Ni salutas! Ni salutas — salutas! — sonoris la gastemaj junaj voĉoj.

*

Sur la ebenaĵa herbejo, apogante sin per larĝa duonrondo je la monto, blankiĝas suden turnitaj tri grandaj, belaj unuetaĝaj domegoj kune kun kelkaj pli malgrandaj dometoj kaj konstruaĵoj.

— Dekstre estas la „Domo de knaboj“ — klarigis al mi Antonĉjo. — Tie havas ankaŭ sian loĝejon Staĉjo, kiel la protektanto. Maldekstre — „Domo de knabinoj“. En ĝi loĝas ni kun Halinjo. Meze — „Domo komuna“.

En la „komuna domo“ estas du grandaj salonoj: malsupre — la manĝejo — supre — por solenaj kunvenoj kaj ludoj. Krom tio ni havas tie kelkajn sciencajn kabinetojn, bibliotekon kaj instru-klasojn. Krom tio loĝejon por du instruistoj.

Dum feriaj monatoj, en la klasoj kaj la manĝejo, kiujn ni somere ne uzas, loĝas niaj gastoj: ge-protektantoj de niaj lernej-kooperativoj, pasigantaj tie-ĉi sian libertempon.

Ni sidiĝu sur tiuj ŝtonegoj, — proponis Staĉjo. — De tie, vi plej bone observos la tumulton, kiu regas ĉe ni antaŭ tagmanĝo. Ĉar — li ekrigardis la horloĝon — post dekses minutoj estos tagmanĝo. Precize je la dekdua.

La tumulto estis vere granda kaj plilaŭtiĝis senĉe-

se. De supre kaj de malsupre, aliras al la ebenaĵo aroj da junaj kolonianoj. Galaj, ridantaj, bruemaj.

Estas plejparte infanoj. Laŭaspekte — el la popollernejoj. Sed estas ankaŭ sufiĉe multe da pliaĝa junularo kaj eĉ iom da plenaĝuloj.

---

## ĜOJA LABORO SEN DEVIGO.

Post momento, venis al ni Bolĉjo kun ambaŭ knaboj. Ili estis purigintaj la ĉevalojn, starigintaj la veturigilon sur ĝian lokon kaj ili venis al la kolonio, per pli kruta sed malpli longa vojeto.

*

Mi estas kontenta je tiuj knaboj! — laŭdis siajn helpantojn Bolĉjo. Mi mem povus eĉ fingron ne movi, kaj ĉio estos farita.

Laboremaj! Multfoje mi mem ne scias, klamaniere dividi inter ili la laboron, por ne rifuzi al iu el ili.

— Vi nome devas scii, aldonis Anĉjo, — ke ĉe ni, la infanoj kaj la junularo faras ĉion mem.

Konstantajn laboristojn ni havas tre malmulte. Ĝuste dirite— ili estas la respondecaj direktantoj de la apartaj fakoj de l'laboro. La laboron mem faras junaj volontuloj el-inter la kolonianoj.

— Sabate, post vespermanĝo, klarigis Halinjo, — venas al ĉiu el ni knaboj kaj knabinoj, oferante sian helpon. Ĉiu el ni dividas poste, inter siaj volontuloj, la laboron por la tuta semajno.

Tiajn helpantojn havas mi, havas Bolĉjo, Marinjo, Staĉjo, Antonĉjo, la kuiristino kaj la dommastrino.

*

Okazis kelkfoje, ke por tiu aŭ alia laboro mankis volontuloj.

Tiam ni ekbatadis al nia sonorilo, kunvokante ĉiujn sub la verandon de la „Komuna Domo", kaj informis ĉiujn pri la manko de volontuloj en tiu aŭ alia fako... Tuj sin anoncis pli da volontuloj ol estis necese.

— Tamen ni neniun devigas. Ĉar ni estas kooperativanoj, tio signifas — kunlaborantoj! — deklaris Janinjo Małek.

— Plej ofte okazas tiel, ke la knaboj el urbo tre-ege ŝatas gardi ĉevalojn, aŭ paŝti bivonojn sur la monto. Por vilaĝanaj knaboj ĝi estas okupo ordinara, kiu jam al multaj abomeniĝis, — rimarkis Ĉeĉjo Rajski. — Ili preferas fari tion, kion ili hejme ne konis.

Same la knabinetoj de la iom pli riĉaj familioj, laboras ĉe ni plej volonte en la kuirejo, ordigas la ĉambrojn, lavas la plankojn , — unuvorte plenumas funkciojn, kiujn ili hejme ne faris. Kaj la knabinoj el plej malriĉaj familioj kun granda fervoro laboras ĉe l'bufedo kaj en la provizejo, — ĉar ĝi estas por ili okupo nekutima.

Multe da infanoj estas tiel lacaj, ke ili emas al neniu laboro, sed nur varmiĝas en la sunradioj.

Ni lasas ilin trankvile! Estas tiom da volontuloj, ke ili povas ripozi sen konscienc-riproĉo!

*

La eksterlandaj gastoj — okupiĝas aŭ pri tio, kion ili en sia lando ne konis, aŭ instruas nin pri tio, kion oni en ilia lando faras pli bone ol en Pollando.

— Ĉi-somere ni havas ekzemple tie-ĉi junan Danlandaninon, kiu perfekte scipovas bredi la kortan birdaron. Do ŝi restadas konstante kun Marinjo kaj kelkaj knabinoj, ĉe la kokinoj.

— Marinjo rigardas ŝin kvazaŭ sanktbildon kaj deklaras ĉiuflanken, ke ŝi apenaŭ nun ekhavis imagon pri tio, kiamaniere oni devas bredi kokinojn, — ŝercis Antonĉjo.

— Vere estas tiel, — respondis Marinjo. — Vi ekkonos, sinjoro, nian Rozeton ĉe la tagmanĝo. Ŝi kutime sidas apud mi.

En ĉi-momento laŭtiĝis el la verando de „komuna domo" la belsona kaj forta voĉo de l'sonorilo.

Ĉio, kio nur vivis, ekkuris brue-babile al la granda verando, por tagmanĝi.

---

## TAGMANĜO.

Laŭlonge de la larĝa verando, ĉirkaŭanta la „komunan domon" de oriento, okcidento kaj sudo, staras duvice longaj tabloj, kovritaj per blankaj vaksumitaj tolaĵoj.

Sur ĉiu — krom modesta manĝilaro — troviĝas bukedo de freŝaj, montaj floroj.

*

Kiam ni tut-are eksidis ĉe unu el tiuj tabloj, alpaŝis al ni juneta, blondhara junulineto akompanata de kvar sunbruligitaj infanoj

— Ni prezentas al vi nian Rozeton, la amatan gaston de Danujo, — konatigas min Marinjo kun la fraŭlino.

— Bonkora knabino, — aldonas Halinjo. — Ŝi eksciis, ke ni iros por renkonti vin, do ŝi prenis sub sian zorgon niajn infanojn, kiuj ŝin tre ŝatas kaj respekteme obeas.

Al Rozeto ili ne obeus! ekŝercis Antonĉjo. — Kiu kuraĝus ne obei al tiel prudenta, decida fraŭlino!

*

— Kaj nun vi ekkonu niajn infanojn.

Hodiaŭ ili estas escepte puraj, ĉar ili restis sub la zorgo de Rozeto. Kutime ili estas pli ŝmirigitaj.

La plej granda estas — Antonĉjo. La dua kavaliro — Eduĉjo. Jen — Staĉjo. Fine la fraŭlino, tenanta fingron en la buŝeto — nomiĝas Halinjo.

Nu, infanoj, riverencu ĝentile al la sinjoro! Tiu sinjoro konis vian patrinon kaj patron, kiam ili estis nemulte pli aĝaj ol nun vi.

La infanoj, donante al mi gravmiene siajn ne tro purajn manetojn, rigardis min per scivolaj okuletoj.

*

Ni sidas jam ĉe la tablo.

Unu pliaĝa knabineto, en pura blanka antaŭtuko, starigis lerte antaŭ ni grandan supujon, kun bongusta vaporanta varma supo.

Marinjo plenigis laŭvice la telerojn. Ni komencis manĝi kun lupa apetito.

*

Ĉu mi devas priskribi la tutan tagmanĝon?

Ĝi estus ŝtelo de l'tempo kaj peno.

Se tiu-ĉi libro estus skribita por frandemaj manĝeguloj, — mi estus devigita skribi pri tio. Sed nia juna legantaro atendas aliajn sciigojn.

Estas pli interesaj aferoj ol manĝaĵo! — Ĉu ne? Mi do diros nur per ses vortoj: la tagmanĝo estis bongusta, abunda, nutriga.

*

Mi rimarkis, ke ne nur ĉe la nia, sed ankaŭ ĉe aliaj tabloj la junaj kolonianoj ĝenerale manĝis kun granda apetito.

— Eĉ tiaj infanoj, kiuj hejme kutimis grimaci ĉe la tagmanĝo, — rakontis al mi Halinjo, — vidante ĉi-tie, kun kia apetito manĝas la gekolegoj, ankaŭ englutas tiel, ke estas agrable rigardi.

Tamen, ĉar ĉiuj rapidas al siaj distraĵoj kaj okupoj, la tagmanĝo, konsistanta el tri partoj, ne daŭris pli ol duonhoron.

Ekbatis la sonorilo. Ĉiuj ekstaris por foriri.

*

— Nun ni lasas vin, sinjoro, inter la junularo. Kun la gustaj mastroj de nia kolonio, diris al mi doktoro Staĉjo, kiam ni jam forlasis la verandon. Kun mi vi renkontiĝos ankoraŭ hodiaŭ vespere sur supro de l'monto, kaj kun la cetera societo — nur morgaŭ dum la tagmanĝo.

— Kio do okazas tie vespere sur la supro de l'monto? — mi ekdemandis.

— Nia granda solenaĵo: la ĉiujara „Festo de Frateco de Popoloj“! La infanoj solenas ĝin tie-ĉi malsupre, kaj la junularo, jam de dekvin jaroj, — sur la supro.

— Festo de Frateco de Popoloj? Ia nova festo?

— La junuloj mem rakontos al vi pri ĝi... Dume — ĝis la revido!

———

## LA KOLEKTIĜO ĈE L'FONTO.

Nun ni iras al la fonto, diras al mi Ĉeslavĉjo Rajski. — Ne malproksime. Pleje kvaronhoro da vojo... Ĉe la fonto ni devas kolektiĝi. De tie ni ekmarŝos al la supro de l'monto... Do, ni iru!

— Ni iru!

*

De la suna herbeja ebeno ni eniris la verdajn ombrojn de altekreskantaj piceoj. Ĉirkaŭblovis nin agrabla arbara malvarmeto.

Per mallarĝeta, kruta kaj serpentuma montvojeto, ni komencis malrapide supreniri, apogante nin per bastono.

Ni iras anser-marŝe. Ĉeslavĉjo antaŭe.

Post ĉiuj kelkdek paŝoj ni ekhaltas je signo de Ĉeĉjo. Ni ripozas dum kelkaj minutoj, kaj spiras profunde. Kaj denove, per malrapida paŝo, ni iras antaŭen supren.

Subite, ekaŭdiĝas proksime iaj voĉoj.

— La niaj ĉe l'fonto, — klarigas al mi Franeto Vigorelli.

— Post momento ni estis tie.

*

Ĉe la bazo de minaca roko, — pentrinda grupo:

Almenaŭ kvindek junaj knaboj kaj knabinoj-dek kelkaĝaj. Unuj sidas sur grandaj ŝtonegoj, kovritaj per griza musko. Aliaj etendiĝis sur tero — ĉiu laŭplaĉe.

El-sub la breĉo de l'roko fluetas pura fonta akvo, kaj kun kvieta murmuro de montara torento ĝi malsuprenkuras sur la ŝtonoj meze de arbustoj kaj piceoj.

La juna ĉeestantaro leviĝis kun gaja ekkrio por saluti nin.

Ĝi ĉirkaŭis nin per fermita rondo. Mi komencis premadi la manojn kore etendiĝantajn al mi.

*

— Ni ekmarŝos de tie-ĉi nur post duonhoro, — diris — rigardante la poŝhorloĝon — Ĉeslavĉjo Rajski.

— Ni havas sufiĉe da tempo por informi vin pri niaj plej gravaj aferoj. Do ni sidiĝu oportune kaj rakontu.

Eble Franĉjo Vigorelli komencos pri la Internacia Asocio?

Bone!

---

## FRATECO DE POPOLOJ.

Nia Internacia Asocio estis fondita precize antaŭ kvar jaroj.

Apartenas al ĝi sesdek du centraj asocioj de diversaj landoj de la tuta mondo.

Ĉiuj nacioj, ĉiuj rasoj estas en ĝi unuigitaj. Junaj Ĥinoj, Francoj, Danoj, Araboj, Poloj, Negroj, Amerikanoj, Persoj, Rusoj, Angloj, Kirgizoj, Germanoj, Kartveloj — unuvorte la juna generacio de la tuta terglobo apartenas, per siaj naciaj asocioj kooperativaj, al nia Asocio Internacia.

— Kiom da kooperative organizita infanaro kaj junularo ekzistas en la mondo?

— Pli ol cent milionoj!

*

Kaj ĉu vi scias, ke la organiza kongreso de tiu internacia asocio okazis en Pollando, tie-ĉi, sur la supro de monto Magórka, en la rifuĝejo, tie, kien ni nun iras!

— Kial ĝuste tie-ĉi en Polujo? — demandis mi.

— Ĉar la kolonio sur Magórka estis tiam en la tuta mondo la sola propra kooperativa kolonio de junularo.

Ĉiuj aliaj, kiuj nun estas ĉirkaŭ cent sur la tuta globo, — en Eŭropo mem pli ol kvardek, — estis fonditaj poste laŭ ekzemplo de Magórka.

*

Ĉe tiu unua kongreso, kiun ĉeestis reprezentantoj de tridek ses landoj, oni unuanime decidis:

La tasko de la Asocio estos plifaciligi al junularo de la tuta mondo reciprokan interkonatiĝon kaj vizitadon.

Ankaŭ harmonia kunlaboro kaj frateco de ĉiuj popoloj estos celo de l'asocio.

*

La datreveno de l'kongreso sur Magórka fariĝis nia internacia festo.

Ni solenas ĝin en la tuta mondo kaj nomas ĝin „Festo de Frateco de Popoloj“.

Ĉar ni firme kredas, ke la reciproka interkonatiĝo de la junaj kooperativanoj el la tuta mondo kondukos post si konkordon kaj amikecon inter la popoloj!

— Ĝi jam enkondukas ĝin!!! — ekkriis entuziasme kelkaj junaj voĉoj.

*

— Kiamaniere estas organizita tiu-ĉi reciproka vizitado de la junularo de la apartaj landoj? — mi demandis.

— Tre simple:

Ĉiu membro de niaj kooperativoj, kiam li atingas sian dekkvinan jaron kaj deziras vojaĝi eksterlanden, — povas fari tion je certaj kondiĉoj.

Tiucele li prezentas al la konsilantaro de sia kooperativo leteron, en kiu li klarigas, al kiu lando li volas veturi kaj kion li deziras ekkoni en ĝi.

La konsilantaro sendas tiun skribon kun siaj rimarkoj al la distrikta — kaj la distrikta al la centra landa asocio.

— — — — — — — — —

*

— Ĉiu landa asocio, — daŭrigis Franĉjo Vigorelli, — transdonas al internacia asocio liston de junularo, kiun ĝi intencas elsendi eksterlanden, kun detaligo, al kiu lando ĉiu volas veturi.

Saman nombron de eksterlanda junularo la asocio rajtas alsendi en la koncernan landon.

El Polujo, ekzemple, forveturis ĉi-somere 65 personoj — knaboj kaj knabinoj. Sama nombro da eksterlandaj gastoj pasigas sian libertempon nun en Polujo.

*

Dank' al penado de Internacia Asocio ĉiuj ŝtatoj faris inter si kontrakton, ke la junaj kooperativanoj, veturante eksterlanden por reciproka vizitado, estas liberaj de ĉiuj pasportaj elspezoj kaj ricevas senpagan veturbileton sur ĉiuj ŝtataj fervojoj.

Ĝenerale, la eksterlandaj gastoj ĝuas plej diversajn faciligojn en la landoj, kiujnili vizitas.

Ĉio fariĝas tiucele, ke ili povu des pli bone ekkoni tiujn landojn.

*

⊙ — Belege, — mi interrompis, — sed kiamaniere vi interkompreniĝas? La infanoj ja ne konas ĉiujn lingvojn de la tuta mondo!

— Ho, la lingva problemo estas ĉe ni jam delonge solvita! Oficiala lingvo de nia Internacia Ligo estas la helplingvo Esperanto. Ĉiu kandidato, antaŭ la forveturo al eksterlando, devas fundamente lerni tiun lingvon. Ĝi estas tiel facila, ke oni povas ellerni ĝin dum kelkaj monatoj. La kono de tiu lingvo plifaciligas senmezure la vojaĝadon kaj vizitadon de aliaj landoj.

Antaŭ ol Esperanto fariĝis lingvo oficiala de nia Internacia Asocio, la ekkono de aliaj landoj estis pri-

vilegio nur de nemulta aro el la plej riĉaj aŭ escepte lingvokapablaj uloj. Aliaj, se ili volis veturi tien, estis devigitaj lerni dum kelkaj jaroj unu fremdan lingvon.

Sed jam por alia lando tiu multjara lernado ne taŭgis. Oni devis komenci denove novan studadon. Kiom multe da tempo oni malŝparis, per tia metodo — vi povas imagi.

Sed nun ĉio estas alia! Helpe de nur unu tre facila lingvo internacia, la kooperativista junularo de la tuta mondo povas sen peno kaj sen perdo de kara tempo, interkompreniĝi reciproke kaj profiti je ĉiuj akiraĵoj kaj spertoj de kooperativanoj de aliaj landoj.

Tio ne malhelpas nature, ke ĉiu nia membro lernu, se li tiudirekte interesiĝas, ian fremdan nacian lingvon. La lingvo internacia nur helpas al li en tiu penado, ĉar la esperantistoj el ĉiu aparta lando volonte klarigas al ĉiuj detalojn kaj sekretojn de ilia nacia lingvo.

Mi ekzemple — kvankam Italo — parolas nun al vi pole, ĉar mi speciale ekinteresiĝis pri la pola literaturo kaj folkloro. Do, mi dum tri jaroj lernis diligente vian lingvon, antaŭ ol mi alveturis al vi, kaj poste tie-ĉi ankoraŭ, dum kelkaj libertempoj, perfektiĝis. Mi jam legas sen helpo de vortaro la belegajn poeziojn de via plej subtila poeto Słowacki, kiu spirite tiom similas al nia Dante, vian Mickiewicz, Kasprowicz, sed plej allogas min la „poetino de la infanoj" Marja Konopnicka, pro sia simpleco kaj amo al la junularo.

Sed — ne ĉiuj niaj membroj estas lingvistoj aŭ lite-

raturistoj. Plejmulto emas al praktikaj sciencoj — kaj por tiuj la lingvo estas nur helpilo por akiro de tiu speciala scienco. — Do en rilatoj kun eksterlando la plimulto uzas nur la internacian lingvon Esperanto.

Tiu lingvo, same kiel radio kaj televizio, proksimigas la naciojn, kiuj sen ĝi neniam povus tiom senpere interkonatiĝi kaj interamikiĝi.

— Jes, veran veron li diras — interrompis unu el la knaboj — alta, gracia, fajrokula brunulo. Mi estas Arabo de Alĝero kaj nur dank' al Esperanto mi povis alveturi al Polujo, por ekkoni tiun belan kaj interesan landon, ĝian miljaran kulturon kaj ĝiajn junajn kooperativanojn. Kooperativa kaj esperanta ideo de kunlaboro de ĉiuj popoloj havas ja en via patrujo siajn plej bonajn reprezentantojn — Abramowski kaj Zamenhof — kaj pro tio, ni ĉiuj alilandanoj, tiom ŝatas kaj estimas vian patrujon.

— Mi ankaŭ lernis la polan lingvon — sed en multe pli mallonga tempo ol Franĉjo Vigorelli, ĉar mi estas Ruslandanino kaj la lingvoj pola kaj rusa estas tiom similaj al si, ke oni povas kompreni ilin reciproke post kelkaj monatoj — aldonis per belsona voĉo kontraŭ mi sidanta junulino. Sed kun tie-ĉi libertem pantaj gekolegoj el Anglujo, Francujo, Japanujo, Danujo kaj multaj aliaj ni interkompreniĝas nature nur en lingvo esperanta. ◉

*

Oni povas multe lerni dum tiaj eksterlandaj ekskursoj, — diris serioze aspektanta knabo kun granda notlibro en la mano. Kiam mi reiros de tie-ĉi al German-

lando, mia patrujo, mi aplikos la spertojn, akiritajn sur via kooperativa kampo, tutcerte kun utilo por mia lando.

— Ankaŭ ni multegon lernas de niaj gastoj! — laŭtvokis unu el fraŭlinoj. — Ekzemple de Rozeto.

— Rozeto — sinjoro — instigis nin ĉiujn al bredado de korta birdaro. Tiom multe ŝi rakontadis pri sia lando, ke tri el ni absolute decidiĝis veturi Danlandon. Post unu aŭ du jaroj ni vizitos cin, Rozinjo, en cia hejmo. Atendu nin!

— Jes, mi atendos!

— Pasintan someron, ni havis en Italujo gaston el Pollando — Jankon Ziemba — diris interrompe Franĉjo Vigorelli. Li plej multe helpis al mi por perfektiĝi en pola lingvo. Nur dank' al li mi povis kompreni la popolan dialekton, dum miaj folkloraj studoj. Alia mia kolego estas ankaŭ tie-ĉi en Pollando, en la „arbara kolonio“ apud Wilno.

— Miaflanke mi konvinkigis Ĉeslavĉjon Rajski kaj Vladĉjon Bator, ke ili nepre ekkonu la italan folkloron. Post du aŭ tri jaroj ili vizitos min en Bolonio.

— Certe ni vizitos!

*

Ĉiun someron, ĉiam pli kaj pli multa aro de ni elveturas eksterlanden.

La junularo de la diversaj landoj ĉiam pli bone konatiĝas reciproke.

— Tial, kiam nia generacio prenos en siajn manojn la direktilon de mondaj aferoj, — ekregos amikeco kaj konkordo inter la nacioj! — diris per profunde konvin-

kiga voĉo iu fraŭlineto, gracia, altkreska, kvazaŭ betuleto.

— Kiu estas tiu-ĉi fraŭlino? — mi demandis la apud mi starantan Rozinjon.

— Ŝi estas Biruta Vojŝvillo - Litovino.

*

— Sed — jam estas la lasta tempo por iri! — rimarkis unu el la knaboj, rigardinte la poŝhorloĝon, kaj leviĝis subite de l'tero.

Ni ĉiuj sekvis lian ekzemplon, kaj per longa serpento, anservice, ni komencis supreniĝi.

*

Ni iris malrapide, tute ne streĉante fortojn kaj ekhaltante ofte, por satigi la okulojn per la konstante novaj vidaĵoj, senvualiĝantaj antaŭ ni.

La suno jam videble kliniĝis al okcidento, sed ni estis ankoraŭ malproksime de l'celo.

*

Subite alflugis al ni ies voĉoj.

— Ia societo direktiĝas ankaŭ al la rifuĝejo. Sed kia societo ĝi povas esti?

Ni estis tre scivolaj.

Sed jen el faga densaĵo montriĝis du junetaj fraŭlinoj, tri knaboj kaj unu pliaĝa sinjoro, kun griziĝanta barbo.

Evidentiĝis, ke ĝi estas ekskurso de junaj ĉeĥoslovakaj kooperativanoj, kun sia instruisto.

Ili transpaŝis la ŝtatlimon, proksiman de Magórka, kaj direktiĝas al supro de tiu-ĉi monto, por partopreni la hodiaŭan solenon.

Plenĝoje oni salutis la karajn najbarojn de l'eksterlando kaj plue ekpaŝis antaŭen.

*

Fine ni estas ĉe l'celo, sur supro de Magórka.

Antaŭ la rifuĝejo, sur kiu flirtas bela ĉielarka standardo, renkontas nin knabinoj, alvenintaj tien jam matene.

Mi vidas inter ili doktoron Staño. Per ia pli mallonga vojo li venis pli frue ol ni, kvankam li eliris post ni.

Ni stariĝas ĉiuj antaŭ - kaj sur la verando, turnitaj okcidenten.

Antaŭ ni belega perspektivo al la malproksima Tatra Montaro, sur kiu jam komencas malsupreniĝi granda ruĝa suna disko.

Subite el cent junaj brustoj eksonis agorde potenca kanto de l'kredo kaj forto:

*Jen leviĝas ni, — ar' junulara,*
*Konstruantoj de la nova mond',*
*De libera viv' familiara,*
*Sen maljusto, en komuna rond'!*
*Frata nia la kant' flugu for, —*
*Al vilaĝoj, urboj, kun esper';*
*Vek' aŭdiĝu el kor'*
*Ke fil' ĉiu de l'ter',*
*Al vic' nia staru frate nun*
*Por altigi la mondon ĝis sun'!*

Kaj ĝi forfluis en la mondon de monta supro ĝis al valoj malaltaj kaj denove al montar' najbara.

# HIMNO DE KOOPERATIVISTOJ

Vortoj de K. A. Czyżowski, muziko de L. Rogowski

Esp. traduko de St. Karolczyk.




Ĉu ĝi estas nur fabelo? — pensu vi laŭ volo via...
sed mi tamen al vi diras: *d e v a s* esti mondo tia!

*Fino.*

## KLARIGOJ KAJ RIMARKOJ.

*Al la „Antaŭparolo“:*

1. *Roberto Owen,* (legu Oŭen) „la patro de kooperativismo“, angla socia reformanto, aŭtoro de „Nova Morala Mondo“ (1771—1858).
2. *Karlo Fourier* (l. Furjé), franca socia reformanto kaj teoriulo, projektinto de kooperativaj „falansteroj“ (1772—1837).
3. *Karlo Gide* (l. ĵid), moderna gvidanto de franca kooperativismo, mondkonata ekonomiisto (1847—1932).
4. *Raiffeisen* (legu Rajfajzen), fondinto de kamparana kredit-kooperativa movado en Germanujo, laŭ kiu formiĝis samspeca movado en aliaj landoj (1818—1888).
5. *Mazzini Giuseppe* (legu Macini Ĝiuzepe) — itala batalanto por demokrateco, la unua propagandanto de kooperativoj en sia lando, aŭtoro de la „Devoj de l'homo“, tradukitaj ankaŭ en Esperanto (1805—1872).
6. *Kampelik Francisko Cirilo* — ĉeĥoslovaka aŭtoro, fondinto de kreditkooperativa movado en sia patrujo (1806—1872).
7. *Eduardo Abramowski,* klarigojn vidu sur paĝo 150/1.
8. *Tugan-Baranowski, M. J.*, fama rusa ekonomiisto kaj kooperativisto (1865—1919).
9. *Sienkiewicz Henryk* — plej talentoplena roman-verkisto pola, aŭtoro de historia „Trilogio“, de „Quo Vadis“ k. m. a. (1846—1916).
10. *Reymont Wład. St.* — aŭtoro de „Vilaĝanoj“ k. aliaj romanoj de pola vivo (1868—1925).
11. *Nobel Alfred* — sveda inĝeniero-kemiisto, kiu dediĉis tutan sian riĉaĵon por internaciaj premioj al literaturistoj k. scienculoj (1833—1896).

*Al la teksto:*

*Al paĝo 2.* VIZAĜAĈJOJ: AĈ+ĈJ = AĈJ. Ĉu en via lingvo estas uzataj vortoj, kiuj havas ŝajne formon insultan, riproĉan, sed vere aman, karesan? Plej ofte gepatroj uzas tian formon, alparolante siajn infanojn. Tiaj vortformoj ekzistas en ĉiuj slavaj lingvoj, do ankaŭ en la pola. Ilin uzis la aŭtoro de tiu libro tre ofte. Kiamaniere ni tradukis ilin en lingvon Esperanto? Simple — per la supra kombinaĵo de la finaĵo „aĉ“, signifanta abomenon, kun la karesa persona finaĵo „ĉj“ aŭ „nj“. Ĉu vi tiun novaĵon aprobas? Skribu al ni pri tio, kaj ankaŭ informu nin, kiel similaj „riproĉ-karesaj“ vortoj formiĝas en via nacia lingvo. Ankaŭ ĉe aliaj sekvontaj rimarkoj, kiam ni petas unuvorte „skribu“ — bonvolu kiel eble plej detale informi nin pri koncernaj vortoj, parolturnoj, esprimmaniero, kutimoj vialandaj ktp. Ni uzos ilin, por informi la infanaran gazetaron de nia lando pri ĉio, kion vi skribos al ni.

*Al paĝo 4.* UZO DE APOSTROFOJ ('): La aŭtoro uzas en originalo tre ofte popolajn kaj proverbajn parolturnojn. Por indiki tion, ni uzis pli ofte ol kutime la apostrofon, kvazaŭ en poeziaĵoj.

*Al paĝo 11.* „SEMI PAPAVON“: Pola parolformo, signifanta: esti tre silenta. De tio devenas la proverba parolformo: „silenti kvazaŭ oni semus papavon“. Kaj ĉe vi — skribu!

*Al paĝo 12.* „VENTKURULO“: unu el multaj „stratbubaj“ esprimoj, uzataj en la originalo, signifanta knabon,

